# Heleco


**Pres-organo de:**
**Astura Esperanta Asocio**

**Numero 94** **Septembro 2018**





## La longa marŝado de la feminismo

Heleco
Pres-organo de:
Astura Esperanta Asocio
Numero 94 Septembro 2018

**Astura Esperanta-Asocio**
Sidejo: Universitata Kampuso de Vieskes
GIJÓN (ASTURIO-HISPANIO)
Interret-paĝo: http://carleos.epv.uniovi.es/~faustino/
Retadresoj: easturias@telecable.es
mailto:esperanto@uica.info

**Astura Esperanto-Asocio** estas esperantista rondo kiu plenumas sian rolon favore al la disvastigado de la **Internacia Lingvo** unualoke en nia urbo, Gijón, kaj ankaŭ, leŭeble, en tiuj partoj de la Asturia regiono, kie ne ekzistas lokaj grupoj de **Esperanto**.
Nia agado disvolviĝas kadre de: **Cátedra JOVELLANOS de Extensión Universitaria**

| Enhavo | Paĝo |
|---|---|
| Hispanio 2018 | 3-6 |
| La feminisma afero | 7 |
| Ĉu en la komenco estis la matriarkeco? | 8-11 |
| Intergenraj rilatoj en tradiciaj kulturoj | 12-14 |
| Grekujo kaj Romio – Du malsamaj klasikaj modeloj | 15-17 |
| La virino en la religioj de la Biblio | 18-21 |
| Mezepoke | 22-26 |
| La virinoj konkeras la civitanecon | 27-31 |
| Majo-68: La junulinoj grimpas supren | 32-35 |
| Ministrinoj kaj Ministroj | 36-39 |
| Emblemaj virinaj figuroj | 40-55 |
| Unu mordo en la pomon | 56-60 |
| La prostituado: ia feminista rigardo | 61-64 |
| Feminismo: historio kaj tendencoj | 65-69 |
| Diferencoj en la feminismo | 70-72 |
| Pioniraj feministinoj kontraŭ la abortigo | 73-75 |
| Matriarkecaj socioj | 76-81 |
| Filmoj pri feminista temaro | 82-87 |
| Privirina biblioteko | 88-94 |
| Kial migras la afrikanoj al Eŭropo? | 95-98 |
| Humura paĝo – Ina filozofio | 99-100 |

La enhavo de la tekstoj de ĉi-tiu revuo ne esprimas oficialan opinion de **Astura Esperanto-Asocio**: pri ili respondecas la verkintoj mem.
Leĝa Registro 0/319/85

# Hispanio 2018

Interesas rigardi la nunan hispanan politikan situacion ĉar laŭŝajne la lando, la hispana socio, troviĝas en etapo de transiro sed oni ne scias kiudirekten okazos la transiro. Estas momento de alternativoj, de elektado de sekvenda vojo, de pritaksado de eblecoj por la estonteco, kaj nia socio pridubas. Krome gravaj problemoj estas jam nuna fakto, ne estonta ebleco. Kaj ĉefe pro tio ke okazis en nia lando grava politika ŝanĝo en la nuna jaro.

Per la antaŭaj numeroj de ĉi tiu revuo oni amplekse pritraktis la situacion de Hispanio sub la regado de la dekstrara partio PP subgvide de Mariano Raĥoj, eble la plej korupta kaj nekompetenta regantaro ekzistinta en ĉi tiu lando ekde la epoko de Godojo. Jam dekomence (antaŭ pli ol ok jaroj) tiu regado karakteriziĝis pro ĝia antisociala politiko.

Sed eĉ antaŭ la regado de tiu partio, en la jaroj 2008-2009, subgvide de la socialista J. L. Rodriguez Zapatero, la hispana parlamento estis aprobinte leĝojn por prefera atento pri la interesoj de la ekonomiaj entoj super la socialaj rajtoj de la civitanaro. Tiele, jam tiam oni dekretis la savon de la banka sistemo per la ŝtata provizo de cent-mil milionoj da eŭroj. Jam tiam oni decidis, por ebligi tioman fonduso-provizadon, frostigi la salajrojn de la funkciuloj kaj la pensiojn de la emerituloj.

Poste, dum la regado de M. Raĥoj, ekde la jaro 2011, la kontraŭ-sociala politiko iĝis pli severa: reduktado de 30 elcento el ŝtataj elspezoj destine al socialaj servoj (edukado, saneco, justico, publikaj laboraĵoj…). Ankaŭ fleksebligis la prilaboran leĝaron por faciligi la ekslaborigon de la salajruloj; de tiam, fakte malaperis la koncepto de fiksa labor-loko; ĉiuj labor-kontraktoj estas eventualaj, provizoraj, kaj multaj laboristoj perdis sian labor-postenon; la senlaboreco atingis altan elcenton kaj la salajroj estis frostigitaj kaj eĉ reduktitaj en multaj kazoj. La senlaboruloj, post la finiĝo de la kelkmonata kompens-rajto, restas tute senenspeze kaj sen ebleco trovi novan labor-lokon, ĉefe se ili aĝas pli ol 45 jarojn.

Du milionoj da gejunuloj, multaj el ili kun alta universitata kvalifiko, devis serĉi labor-lokon eksterlande. Oni scias ke plejparto el tiuj hispanoj laborante en fremdaj landoj, kvankam ili konservas la hispanan civitanecon, ne povis voĉdoni en la lastaj balotadoj de nia lando ĉar la registaro de la dekstrara partio ŝanĝis la normojn por la perpoŝta voĉdonado tiamaniere ke la necesaj burokratiaj demarŝoj estu malfacile plenumeblaj por tiuj hispanoj.

Dume, tiuj gejunuloj kiuj povis aliri al la novaj labor-postenoj devis fari tion laŭ pli malfavoraj kondiĉoj ol tiuj antaŭe ekzistintaj. Ekzemple, se emeritiĝas iu maljunulo kies labor-tago estis 8-hora, oni kontraktis por anstataŭi lin du novajn laboristojn kun 4-hora labor-tago, aŭ nur unu kun fakta 8-hora labortago sed kotizante nur po 4 horoj. La fraŭdado en la kotizado de la gelaboristoj iĝis tre ofta afero en Hispanio dum la lastaj jaroj, kaj la registaro konsentis tion, kvankam ne oficiale, ĉar ĝia poliktiko estas fari ĉion eblan por ke kresku la gajno de la entreprenistoj. Tia politiko damaĝis ne nur la vivkondiĉojn de la salajr-uloj sed ankaŭ endanĝerigis la konsiston kaj fidindecon de la fonduso por la pagado de la pensioj.

Iu skandala ekzemplo de la emo de tiuj PP-politikistoj favori la interesojn de la kapitalista entreprenistaro estis tio okazanta kun la elektraj entreprenoj. La prezo de la elektro en nia lando estas pli multekosta ol en iu ajn eŭropa lando, kaj la jaraj profitoj de tiuj entreprenoj estas ankaŭ inter la plej altaj. Ofte okazas plialtiĝo de la elektro-prezo. Se venas sekeca vetero oni argumentas ke pro la manko de pluvo la hidroelektraj centraloj ne povis produkti sufiĉe da elektro kaj tial ĉi ties prezo plialtiĝas, sed kiam la pluvoj estas tre oftaj kaj la akva stoko superabunda, la prezo de la elektro same plialtiĝas, La registaro de Raĥoj detruis la multajn eolajn elektro-generilojn ekzistintajn en nia lando, kie la vento estas abundaj kaj permesas generi malaltekostan elektron, por favori la elektro-centralojn kiu produktas altekostan elektron. Estas sciate ke kiam multaj poltikistoj, ĉefe tiuj de tiu partio, retiriĝas el la politika vivo ili trovas bone pagatajn laborpostenojn en tiuj entreprenejoj.

Temante pri fraŭdoj, estas speciale grava tiu rilate al la impostoj. Kiel sciate, la problemo estas sufiĉe ĝenerala, t. e. la afero de personoj kaj firmoj kiuj uzas fiskajn paradizojn por fraŭdi impostojn ne rilatas

nur al Hispanio sed al multaj aliaj landoj. Sed ĝenerale, kiam oni malkovras tiajn deliktojn, la kulpuloj estas punataj kaj se ili havas publikan, politikan, respondecon sin vidas devigitaj demisii. Pasintjare oni malkovris multajn el tiuj kazoj kaj okazis la publika kondamno de la responsuloj. Sed ne en Hispanio; ĉi tie oni malkovris multajn el tiuj fraŭdintoj, multaj gravaj personoj, ankaŭ membroj de la reganta dekstrara partio, pluraj ministroj kaj aliaj altranguloj, eĉ personoj el la reĝa familio, kaj tamen okazis nenio. La partioj, ĉefe la tiam reganta partio de M. Raĥoj apogis siajn koruptitojn, kaj kiam unu ministro de tiu regantaro, kiu tre multe mensogis publike pri tiu ĉi afero, sin vidis devigita demisii el sia ministra posteno, la partio promociis lin al pli alta kaj profitdona ofico, kaj la civitanoj de la regiono kiuj estis voĉdoninta lin, publike manifestis sian apogon kaj simpation al li. Fakte, la tre multaj kazoj de koruptado malkovritaj en ĉi tiu lando ne damaĝis la personan prestiĝon de la kulpuloj nek de la partion al kiu ili apartenas.
Fraŭdoj kaj koruptado abundis ankaŭ en aliaj terenoj de la publika kaj politika demarŝado de la lando. La menciita reganta partio, laŭŝajne, tre uzis por sia memfinancado la sistemon je interakordi la aljuĝon de publikaj kontraktoj al klientoj kiuj pagadis maklerajôojn al la partio, tio estas la entreprenistoj subaĉetadis la koncesion de la kontraktoj. Ĝenerale ne nur la partio atingis la monprofiton sed ankaŭ ricevis personan profiton la respondeculoj de la partia memfinancado. Pli-malpli-grade ankaŭ aliaj partioj agadis same eksterleĝe en la regionoj aŭ municipoj kiel ili regadis. Speciala kazo tiurilate estis tiu de la burĝa naciisma partio kiu regadis en Katalunio. Tia koruptado daŭris multajn jarojn sed fine la afero ĉesis esti sekreta, intervenís la polico kaj la juĝistoj, okazis arestado de implikitaj responsuloj kaj la presaro ege informadis pri la skandaloj. Nekredeble, daŭre la prezidento Raĥoj defendadis siajn sampartianojn klare implikitaj en la koruptaj aferoj ĝis kiam la kulpeco estis evidente kaj estis faktaj juraj kondamnoj de la kulpuloj. Li mem devis deklari kiel atestanto en unu el tiuj juĝaferoj en kiuj la partio estis rekte implikita. Lia deklaro antaŭ la juĝistaro estis rekte dissendata pertelevide, do la tuta lando povis vidi rekte pertelevide kiel sia registrar-prezidento false ĵuris deklarante ke li sciis nenion pri la memfinancado de sia propra partio, el kiu li estis prezidanto.
Koruptado kaj koruptaj politikistoj estas en multaj landoj, eble en ĉiuj, sed kiam oni malkovras la korupt-aferojn la normala proceduro estas ke la kulpuloj, krom la koncerna leĝo-puno, devas demisii el la publika, politika funkcio kiun ili prirolis. Ĝenerale tio okazas ĉie, en ĉiu civilizita lando, escepte en Hispanio. En ĉi tiu duonsaracena lando la koruptitoj ĝuas la apogon de ilia partio kaj de grandparto el la socio. Unue, la justico estas tre lanta, ĝi disponas, pro registara decido, je malabudaj rimedoj por persekuti tiutipajn deliktojn, kaj krome ekzistas multenombraj leĝaj artifikoj por ke la riĉuloj povu prokrasti la agadon de la tribunaloj. Kaj ankaŭ la politikaj rimedoj estas senefikaj kontraŭ la koruptado. Sed plej grave estas tio ke la civitararo mem, grandparto el la hispana loĝantaro ne estas konsciigita pri la esenco de la civitaneco. T. e. multaj gehispanoj konsideras normalan aferon tio ke la aŭtoritatuloj profitu sian politikan povon siaprofite. Oni scias ke tia penso estas propra je malevoluintaj landoj kie la loĝantaro ne asimilis mense la konceptojn de civitaneco, civitanaj rajtoj, respondeco de la aŭtoritatuloj… resume, kvankam ne en tiel alta grado kiel en Libio aŭ SaŭdArabio, sed tamen sufiĉe granda parto el la hispanoj estas ne civitanoj sed nuraj regatoj, lakeoj kiuj konsideras normale ke la regantoj riĉiĝu ĉiel ajn dum ties regad-etapo.
Tio eksplikas ke malgraŭ la multaj leĝaj procesoj kontraŭ la reganta partio jam antaŭ kelkaj jaroj, tiu dekstrara partio, kvankam ĝi perdis ioma pribalotan apogon, atingis sufiĉe da politika apogo en la lasta balotado por pludaŭrigi sian ruinigan politikon. La partioj de maldekstraro ne kapablis interkordi koalicion por meti finon al tia situacio. Krome estis krizo pri lidereco en la ĉefa politika forto de maldekstraro, la socialdeomokratia partio **PSOE**. Kvankam poste ĝi solviĝis, ŝajnis ke la registaro de la koruptito Raĥoj povus daŭrigi sian kontraŭsocialan politikon ĝis la fino de la parlamenta periodo. Kaj intencante altiri popolan apogon por la balotado kiu devos okazi post du jaroj ili pretigis strangan propagandan kampanjon konsistantan ripeti ĉiutage ke nia lando eliris el la ekonomia krizo dank' al ilia regado dum la pasintaj kvin/ses jaroj. Kiel pruvo de la sukceso kiun ili asertadis esti atingintaj, ili emfazadis pri la fakto ke la hispanaj firmaoj estis atingante grandajn profitojn. Ŝajnas ke tiu argumento estis sufiĉe konvinka por la voĉdonantaro de tiu partio ĉar la tiam farataj enketoj daŭre respegulis la intencon balote voĉdoni favore al tiu partio far sufiĉgranda elcento da hispanoj. Evidentiĝas ke tiuj "civitanoj", inter kiuj estas multaj malriĉuloj kaj ekspluatatoj, ne komprenis ke la alta profito de la entreprenistaro baziĝis sur la mizero de la malriĉularo: la multaj senlaboruloj de nia lando daŭre estas senlaboraj, kaj krome ricevas nenian monhelpon. La novaj laboruloj estas kontraktataj por malmultaj horoj ĉiutage, kaj krome la nun farataj kontraktoj estas nur eventualaj, ne fiksaj, la sanecservo daŭre

misfunkcias pro la manko de sufiĉa nombro da kuracistoj, kaj same mise funkcias aliaj servoj: edukado, justico, ŝtata investado por publikaj laboroj… Kaj la junularo kun universitataj studoj daŭre devas elmigri por trovi laborlokon, dum revenas neniu el la antaŭe elmigrintaj.
Ĉi-jare, tamen, estis iuj mobilizoj, konkrete la emerituloj, kiuj vidas kiel iompostiom perdas valoron la pensioj kiujn ili ricevas kaj kiel riskas malaperi tiu sociala servo. Sed ŝajne la junuloj ne komprenas ke laŭ la evoluado de la afero tiu sociala servo jam ne plu ekzistos kiam ili emeritiĝos. Pli grava estis la mobilizo de la virinoj en ties memor-tago de la 8-a de marto. Ĉi jare la mobilizo estis pli granda ol kutime kaj ne nur en Hispanio, sed ŝajnas ke la mobilizo estis speciale rimarkinda en nia lando. Krom tiuj aferoj de la emerituloj kaj la feministinoj ne estis en Hispanio, dum la unuaj monatoj de 2018, aliaj konvulsioj se esceptante tiun aferon de la kataluna naciismo, al kiu ni dediĉos poste apartan atenton.
Sed en monato majo okazis ne-atenditaĵo. Post kelkjara juĝ-proceso de unu el la multaj kazoj pri korupt-ado de la PP-partio, iu tribunalo sentencis ĝian kulpecon pri la deliktoj pro kiuj ĝi estis akuzita, kaj oni punis ĝin pagi altan monsumon. Neniu esperis ke tio alportus ian ajn politikan sekvon, ankaŭ ne la li-dero de la socialista partio kiam li prezentis en la parlamentejon malaproban proponon kontraŭ la regist-aro de la korupta partio. Kiel dirite, ĉi-lande estas normala afero ke la koruptitoj regu senĝene. Sed ne-atendite, ĉi-foje aldoniĝis al la parlamenta malaprobo sufiĉgranda nombro da deputitoj de aliaj partioj por atingi plimulton kiu devigis la registaron demisii. Ĉi-tio okazis en la unuaj tagoj de la monato junio kaj de tiam regadas la landon la socialista partio. Kvankam ĉi tiu ricevis parlamentan apogon ĉefe de la dua forto de maldekstraro, pli proksima al komunistaj pozicioj, la nova registaro estas tute socialista, sendube por certigi ke la politiko kiun ĝi aplikos ne perterpasos la limon de la socialdemokratiaj programoj. Tiele kon-venas al la interesoj de la altaj financ-sferoj kiuj estas la vera povo de ĉiuj kapitalistaj landoj.
La bilanco de la socialista regado dum la cent tagoj pasintaj ĝis monato septembro, kiam oni verkas ĉi raporto, estas diskutinda; ĝi havas bonajn kaj malbonajn aspektojn. La nova registaro havis kiel novaĵo la fakton ke, unuafoje en la historio de nia lando, estis en ĝi pli granda nombro da ministrinoj ol da ministroj. Tio sendube estis iu maniero agnoski la progresadon de la feminista batalado por la inaj rajtoj. Alia pozitiva ago de la socialista registaro estis la akcepto de iu ŝipo plena je el-afrikaj enmigrintoj kies albordiĝo estis malpermesata en aliaj sud-eŭropaj landoj. Tiu faro enkadriĝas en politiko pli favora al la akcepto de tiutipaj enmigrintoj, kontraste al la restrikta politiko tiurilate ĝis tiam aplikita de la dekstrara regantaro. Estis ankaŭ rimarkindaj mispaŝoj de la registaro de Pedro Sánchez: jam nur unu semajno post la nomumo de la novaj ministroj, unu el ili devis demisii kiam oni malkovris ke li estis implikita en delikto de imposto-fraŭdoj. Kaj ĝuste en la 100-a tago de la registaro devis demisii iu ministrino kiam oni malkovris ke estis neregulaĵoj en ŝia akiro de la universitata magistro-diplomo. Tiu ĉi skandalo tre similas al alia okazinta antaŭ kelkaj monatoj, ĉi kaze temis pri la prezidantino de la madrida regiono, apartenanta al la dekstrara partio. Ambaŭ kazoj okazis en la sama universitato. La esenco de la fraŭdo estis tio ke la universitato privilegie traktis la gestudentojn kiuj estis gravuloj en la du ĉefaj partioj de la ĉi-landa dupartia sistemo. La polemiko pri tiuj kazoj de universitata korupto de tiu universitato, kiu portas la nomon de la emerita reĝo Johano-Karolo la 1-a, decas memori ke tiu eks-reĝo mem estas objekto de parlamenta kaj presara polemiko pro korupt-sfero en kiu li estas implikita. Ŝajnas ke dum la jardekoj de lia reĝado li amasigis riĉaĵon je preskaŭ 1.500 milionoj da eŭroj ĉefe rezulte el la enspezo de eksterleĝaj makleraĵoj. Tia lando, tia reĝo! La ĉefaj politikaj partioj ne scias aŭ ne volas pritrakti ĉi tiun aferon kaj faras ĉion eblan por ke ankaŭ ne la ĵuĝistoj entreprenu la koncernan proceson. Saman senpunecon ĝuas la familio Pujol-Ferrusola kaj aliaj katalunaj altranguloj kiuj dum kelkaj jardekoj disrabis ties regionon ekde la politika povo kiun ili kontrolis.
Revenante al aliaj aferoj de la regado de la socialista partio, eble estas tro frue, post nur 100 tagoj, por fari definitivan pritakson, sed la linioj ĝis nun sekvitaj de tiu registaro ŝajnas ke ĝi kuraĝas entrepreni ŝanĝojn por revoki la plej damaĝajn dispoziciojn de la antaŭa regantaro, sed kun specifaj limoj ne tuŝi la funda-mentojn de la sistemo, t. e. ne minaci la interesojn de la financa kapitalo. Ĉiukaze ĝi, la registaro, ne povas multe decidi pri la plej gravaj aferoj de la lando; la parlamenta plimulto sur kiu ĝi povas sin apogi estas malgranda. malstabila, kaj sufiĉe diversa de politika vidpunkto. Krome ŝajnas ke kiel multe ĝi povus daŭri ne plu ol du jaroj ĉar poste vicos balotado.
Nun ni devas atenti pri la ĉefa problemo kiun devas alfronti la socialista registaro, kiu estas la sama ĉefa problemo de la antaŭa, dekstrara registaro. Temas pri la afero de la separatisma, naciisma, kataluna regiono. Pasintan jaron okazis gravaj eventoj kiuj kulminis per deklaro de sendependiĝo de tiu regiono, el kies sufokado rezultis la enkarcerigo de iuj katalunaj politikistoj kaj la forfuĝo eksterlanden de aliaj. Dum kelkaj monatoj estis nuligita la politika statuto de tiu regiono ĝis la okazado de nova politika

balotado. Ĉi tiu solvis nenion ĉar la separatismaj fortoj atingis plimulton por la regiona parlamento kaj ili persistas perforti la konstitucian leĝaron de la lando por trudi siajn depostulojn. Temante pri parlamenta plimulto en tiu regiono klarigendas ke, fakte, la voĉdonantaro de Katalunio kiu sin oponas al la separatismo estas iomete pli granda ol la naciisma, sed ĉi lasta atingas iomete pli da parlamentaj deputitoj pro la sistemo de distribuado de parlamentaj seĝoj laŭ la denseco de loĝantaro de la diversaj partoj el la teritorio. Ĉiukaze estas ia ekvilibro en Katalunio inter la defendantoj de ambaŭ kontraŭaj poziciiĝoj, kaj krome estas la fakto ke en la cetero de la lando plejsuperas la personoj kiuj ne volas la dispartiĝon de la lando.
La danĝero de tiaj kontraŭdiroj estas granda. La kazoj de la antikva Jugoslavio kaj aliaj similaj montras al ni kiom multe povos iĝi sangaj kaj perfortaj la interfrontiĝoj pro tiu kialo. La generiĝo de tiu sendependentisma sento en granda parto el la kataluna socio havas radikojn de kelkaj jarcentoj. Priskribi ĝin postulus raporton multe pli ampleksan ol ĉi tiu skiza pritemado. Ŝajnas ke la unuaj signoj de teritoria partikularismo okazis fine de Mezepoko, kiam la specifaj foruoj kiujn havis iuj regionoj en Eŭropo komencis esti minacataj de la absolutismaj monarkioj kiuj estis formiĝantaj tiam en nia kontinento. En Hispanio, ne nur en Katalunio sed ankaŭ en aliaj regionoj ekzistis tiuj foruoj aŭ lokaj leĝoj kiuj, fakte, konstituis privilegiojn de la koncernaj regionoj kaj urboj rilate al tiuj kiuj ne havis tiajn lokajn leĝojn. Iamaniere la vorto "foruo" estas sinonimo de "privilegio". En nia lando, eĉ en Kastilio ekzistis urboj kiuj havis specialajn foruojn. La t. n. "milito de la kumunumoj" (1520-1521), reale, estis rezisto de la foruaj urboj de Kastilio kontraŭ la absoluta reĝa povo kiun volis enkonduki la imperiestro Karolo la 5-a. Aliaj hispanaj regionoj ne moviĝis tiam, sed dum la reĝado de Filipo la 2-a, filo de la antaŭa, tiu perforte metis finon al la foruoj de Aragono kaj ankaŭ al tiuj de la kastilia urbo Avilo, kiu ribelis tiukaŭze.
La rezisto en Katalunio konkretiĝis poste en du okazoj (1635-1640 kaj 1713-1714), kontraŭ malsamaj hispanaj reĝaj dinastioj kaj en malsimilaj cirkonstancoj, sed ĉiam defendante la foruojn kaj la partikularismon de Katalunio. En tiuj okazoj la rezisto ankoraŭ ne estis sendependisma ĉar tiam ankoraŭ ne estis disvolvigita la moderna ideo de ŝtato. Tiu afero konkretiĝis post la Franca Revolucio, kiam naskiĝis la ideoj de "nacio" kaj "ŝtato". La foruoj estis limigo de la absolutisma povo de la monarĥoj, tamen, paradokse, en la batalo de la liberalismo kontraŭ tiu absolutisma reĝa povo, la ĝuantoj de la foruoj reakcie enviciĝis kun la tiraneco kontraŭ la partianoj de la civitana libereco ĉar ĉi tiu estis destinita al la tuta socio dum la foruo-ĝuantoj volis konservi la privilegion super la cetero el la landa socio.
Alia radiko de la kataluna emo al sendependismo estis la burĝaro de tiu regiono dum la 19-a jarcento. En la unua etapo de la burbona dinastio, ĉefe la reĝo Karolo la 3-a, saĝe decidis ke la industria burĝaro de Katalunio ĝuu alirecon al la komerco kun la hispanaj (tradicie kastiliaj) kolonioj de Ameriko kaj aliaj. En tiu etapo vidiĝis nenia kataluna emo je sendependismo. Sed kiam Hispanio perdis la koloniojn (post 1815) la kataluna burĝaro, surbaze de la antikva foru-ismo, dediĉiĝis kultivi la partikularisman kaj elitisman senton de tiu regiono kiel ilo de ĉantaĝo kontraŭ la centra regantaro cele trudi al ĉi tiu privilegian trakton por la kataluna industrio. La ĉantaĝo daŭris kaj funkciadis tutajn du jarcentojn, kvankam ne sen konfliktoj (bombardado de Barcelono en 1842, dum la regenteco de Espartero, mortpafo de Lluís Companys en 1940, sub la frankisma diktaturo… Tiu faŝisma reĝimo, krome, malsaĝe volis kontraŭbatali la katalunan partikularismon per la malpermesigo de la de la regiona lingvo, sed esence ĝi favoris tiun regionon (kaj ankaŭ Eŭskadion) domaĝe al la cetero de la lando.
La problemo de la artefarita kreado de la naciismo en tiu regiono estas ke, post ties estiĝo tiaj monstroj havas propran vivon, kaj elglitas el la manoj de ties kreintoj. Nuntempe la kreintoj de la kataluna naciismo ne kapablas kontroli sian inferan kreaĵon. Nun evidentas ke la lideroj kaj politikstoj de la ĉefaj katalunaj partioj estras nenion; ili estas pelitaj de la fanatikitaj amasoj kiuj voĉdonas ilin, kaj ne kuraĝas agnoski ke la celoj kiujn ili proklamas estas nerealigeblaj senmilite. Nur surbaze de tiu realaĵo oni povas interpreti la senbridan diskurson de tiuj uloj, kun insultoj al Hispanio, al ĉi ties reĝo, institucioj kaj leĝaro, sed klopodante ne trapasi la leĝan linion, kio kondukus ilin al malliberejo aŭ ekzilo. Kaj kiel kutime okazas en similaj situacioj, aperas zelotaj fortoj kiuj celas rajdi sur la ondo de la fanatikaj amasoj por trudi al la partioj de la naciisma plimulto agadon kiun ĉi tiuj ne volas entrepreni sed kiun ili ne povas ĉesi formale akcepti por konservi sian liderecon. Ĝuste hieraŭ okazis en Barcelono ega manifestacio de la tago t. n. "diado" kiu estas ekstera signo de la kataluna partikularismo. En ĝi abundis simboloj kaj insultaj agoj kiuj vekas en la cetero de la hispana loĝantaro malamon kaj agresemon. La katalunaj naciismaj politikistoj estas ostaĝoj de siaj fanatikitaj amasoj. Ili, pro timo al siaj zelotoj, ne povas ĉesi fari tion kion ili faras, kvankam ili komprenas ke tiu politiko kondukas al katastrofo.
Krom ĉiuj aliaj menciitaj problemoj de Hispanio, ĉi tiu de la regiona naciismo estas sendube la plej grava kiun nia lando devas alfronti. Ke Dio kompatu al ni!.



# La feminisma afero

Oni difinas la feminismon kiel doktrino kaj movado kiu celas havigi al virinoj egalecon kun la viroj laŭ socia, ekonomia, jura kaj politika vidpunktoj. En Esperanto ĝi povas esti nomata ankaŭ virinismo kaj inismo, kaj oni povas ĝin difini ankaŭ kiel socia teorio kaj politika movado, kiu kritikas la neegalecon inter la seksoj kaj strebas akcenti kaj antaŭenigi la rajtojn de virinoj. La baza elirpunkto de feminismo estas, ke la nuna socia ordo donas aŭtomatajn avantaĝojn al viroj. La ŝanĝo de tia situacio postulas establadon de egalŝancigoj por virinoj en edukado kaj dungado.
En la nuntempa mondo la forto kaj influo de tiu virina movado tre malsimilas inter la diversaj regionoj kaj kulturoj. En iuj socioj tute aŭ preskaŭ tute mankas la feminista aktivado kaj eĉ la virina kosncio pri la maljusteco de ilia situacio de subalterneco. En la Okcidenta kulturo kelkfoje en la pasinteco estis iaj inaj reagoj kiuj, eĉ se ne tute konscie, aldirektiĝis al la superado de tia situacio de subiĝo de duono el la homaro. Grava elpaŝo, en ĉi tiu Okcidenta kulturo, en la konkretiĝo de la virinaj klopodoj favore al iliaj genraj rajtoj estis la batalo de la anglaj sufragetoj kiuj, komence de la 20-a jarcento, agitis por akiri la balot-rajton. De tiam la fronto de la aktivantaj virinoj etendiĝis al aliaj landoj kaj al aliaj sociaj terenoj krom tiu de la balotado. Poste, alia mejloŝtono en la progreso de la socia konscio pri la ina problemaro estis la pariza kontest-movado de la t. n. «Majo-1968». Iu karakteraĵo de la nuntempa Okcidenta socio estas ĉi ties konstanta fluo kaj ŝanĝiĝeco. Multaj kutimoj kaj tradicioj estas submetataj al revizio kaj pridiskutado. Krom la prizorgado pri la ekologio kaj la senhalta progresado de la scienc-tekniko, unu el la ĉefaj faktoroj de la moviĝeco en la menciita socio estas la prizorgado pri la homaj rajtoj kaj inter ĉi tiuj elstaras tiuj de la virinoj.
La progreso de la feminista movado konkretiĝis kaj en la teorio kaj en la praktiko. Feminisma teorio, kiu eliris el tiuj feminismaj movadoj, planas kompreni la naturon de la seksa malegaleco ekzamenante la sociajn rolojn de la inoj; ĝi igis evolui teoriojn en serio da fakoj por reagi al temoj kiaj ekzemple la socia konstruado de sekso kaj genro. Kelkaj el la pli fruaj formoj de feminismo estis kritikitaj pro enkalkulado de nur blankaj, etburĝaj, kleraj virinoj. Tio kaŭzis la kreadon de etne specifa aŭ multkulturaj formuladoj de feminismo. Feministaj aktivuloj kampanjas por la virinaj rajtoj: kontrakta juro, posedado, kaj balot-rajto. Inter la celoj de la feminismaj kampanjoj estas agnosko de seksa neŭtraleco, egala salajro por virinoj, generaj rajtoj por virinoj kaj la rajto eniĝi en kontraktoj kaj havi posedaĵon. Feminist(in)oj laboras por protekti virinojn kaj knabinojn de hejma perforto, seksa ĉikanado, kaj seksa atako. Ili ankaŭ luktas por laboraj rajtoj, inkluzive de akuŝferio, kaj kontraŭ ĉiaj formoj de diskriminacio kontraŭ virinoj. Feminismo estas plejparte dediĉita al temoj pri virinoj, sed ĉar feminismo serĉas seksan egalecon, multaj feministoj argumentis ke la liberigo de viroj estas necesa parto de feminismo kaj ke viroj ankaŭ estas pense influitaj de seksismo kaj obeo al seksaj roloj.
Restas ankoraŭ multe avancadi por la plena atingo de tiel ambiciaj planoj, sed la fakto mem ke oni proponas al si tiajn taskojn estas promesplena. La homaro entreprenas celojn kiujn oni eblas atingi. Kaj tre pozitive: tiu zorgo kiu ĝis nun distingis la Okcidentan socion de aliaj tradiciaj kulturoj etendiĝas nun al aliaj mondpartoj kaj la inaj rajtoj kaj ceteraj homaj rajtoj iĝas universalaj celoj.
Nu, al la historio de tiu ina movado, la situacio de la virino en diversaj antikvaj kaj nuntempaj socioj, la femala problemaro ĝenerale… ni dediĉas la sekvajn paĝojn. Nia pritrakto de tiu temaro ne povas esti tiom amplesa kiom ĝi meritas, sed ni esperas ektrakti la ĉefajn faktorojn kiuj kontribuis estigi la femalan situacion tia kia ĝi estas nuntempe, kaj ke, iamaniere, ĉi tiu materialo utilu por konsciigi pri tiu problemo de la seksa maljusteco, kiu ĝis nun tiom multe senhonorigis nian homan socion.



# Ĉu en la komenco estis la Matriarkeco?

Laŭdifine, **Matriarkeco** aŭ **matriarĥeco,** estas hipoteza patrinjura socio, en kiu regas la virinoj en la politiko, en la ekonomio kaj en la familio. Hipoteza ĉar la ideo de iama ina hegemonio en la socio ne estas ĝenerale akceptata en nia mondo kie la povo kaj la superregado estas konceptoj mense, eĉ senkonscie, ligataj al la maskla genro.

Ĝenerale, kiam oni teoriadas pri la origino de la familio oni formulas procezo(j)n en kiu(j) tute mankas ia ajn formo je virina elstareco. Laŭ la ĝenerale akceptata teorio oni difinas la familion kiel ia homa ensemblo kiu, kiel socia grupo, ŝprucis el la naturo kaj fundamente devenas el la biologia fakto de la generado. Plua teoriado pri la afero aldonas ke la familia socia grupo, kiu komence konstituis tribojn aŭ primitivajn klanojn kaj kiu aperis antaŭ la formiĝo de ĉiu ajn ideo pri ŝtato aŭ rajto, pro la sociekonomiaj necesoj de la ĉasistaj kaj terkulturistaj popoloj, spertadis senĉesan evoluadon ĝis alveni al nia epoko kiel ia vera institucio ege influita de la kulturo: religio, moralo, rajto, kutimo…

Ja tiutipa konceptado pri la familio kaj la origino de la socio ne eksplicite deklaras la masklan gvidrolon en la triboj aŭ klanoj kaj en la evolu-procezo al la nuntempa socio, sed implicite, tiu ideo enestas en la akceptata teorio pri la familio kaj lasas nenian lokon al la hipotezo pri matriakecaj grupoj aŭ socioj.

Sed tamen la ideo je virina socia hegemonio ne estas tute noveca. En la jaro 1861 aperis la verko ***"La patrin-linia rajto"*** de la svisa juristo, antropologo, sociologo kaj filologo Johann Jakob Bachofen, per kiu li sugestis ke la matriarkeco estis la plej antikva reĝimo kaj ke ekzistis ia mitologio, de ina naturo, pri la origina patrino. Tiu verko prezentis ian radikale novan vizion pri la rolo de virinoj en ampleksa aro da antikvaj socioj. Bachofen kompilis kaj baziĝis sur ampleksa dokumentaro por pruvi, ke la patrineco estas la fonto de homa socio, religio, moralo kaj respekto, temante pri la antikvaj socioj de Likio, Kreto, Grekio, Egiptio, Hindio, Centra Azio, Norda Afriko kaj Hispanio. Li konkludis ke estas konekto inter la arkaika rajto de la patrino kaj la kristana kulto al la Virgulino Maria, kaj sugestis la ekzistadon de kvar fazoj de kultura evoluado supozeble preter-superitaj:

-***hetajra***, iu fazo nomada kaj sovaĝa karakterigita, laŭ li, de la komunismo kaj libera amorado; la tiama dominanta diaĵo estus ia tera proto-Afrodito.

-***patrinjura***, iu fazo luna, patrin-fokusa, bazita sur la agrokulturo, karakterigita per la terecaj, misteraj kultoj; ĝia dominanta diaĵo estus Demeter.

-***dioniza***, iu transira fazo dum kiu la socioj evoluis el la matriarkeco al la patriarkeco; la koncerna dominanta diaĵo estus Dionizio aŭ Bakĥo, la dio de la printempa fekundeco.

–***apolona***, iu fazo suna, patriarkeca, sub la signo de dio Apolo aŭ Febo, kiam malaperis ĉiu signo je dioniza kaj inocentra socio kaj aperis la moderna civilizacio.

La tezoj de Bachofen pri la matriarkeco ne ĝuis, en la akademia mondo, tiom da prestiĝo kaj akcepto kiom la tezoj de lia samtempano Darvino pri la evoluado de la specoj. Oni ne konsideras validaj la pri-evoluajn teoriojn pri la disvolviĝo de la kulturo kiujn Bachofen aplikis. Tamen liaj teorioj estis la origino de ĉiuj postaj studoj pri la rolo de la virinoj en la antikvaj socioj. Multaj antropologoj atentas pri liaj tezoj ĉu por korekti, ĉu por nei ilin. Ĉiukaze ne mankis, ĉefe en la feminista mondo, antropologoj kiuj startis de la teorioj de Bachofen por formuli siajn depostulojn pri la virinaj rajtoj kaj la inan rolon en la socio. Por adresi rigardon al la nuna stato de la studoj pri la matriarkeco, ni ekzamenu la tiuteman materialon de la fama germana feministino Heide Goettner-Abendroth. Ŝi priskribas la matriarkecan sistemon rilate al kvar realaĵoj: ekonomia, socia, politika kaj religia.

En la ekonomia tereno, la matriarkecoj estas agrokulturaj socioj. La genezo de la matriarkeco estas en rekta rilato kun la inventado de la terkulturaj teknologioj, kiuj ampleksas ekde la primitiva hortikulturo (ĉirkaŭ 60.000 a. K.) pasante tra la plendisvolvigita agrokulturo per la plugilo (ekde 10.000 jarojn a. K.) ĝis la komplikaj sistemoj de la fruaj urbaj kulturoj, en la tuta mondo. Oni praktikas la ekonomion de vivtenado kun loka aŭ regiona aŭtarkio. La tero kaj la domoj estas apartenaĵo de la klano laŭsence de la rajto je frukt-uzo; la privata propraĵo kaj la teritoriaj depostuloj estas nekonataj. La virinoj havas la kon-

trolon de la plej esencaj vivrimedoj: la kampoj, la domoj, la nutraĵoj… La transdonado de la posedaĵoj sekvas la liniojn de parenceco kaj la normoj pri geedziĝo. Tiu sistemo evitas ke la apartenaĵoj estu akumulitaj de unu klano aŭ unu persono. Do, de ekonomia vidpunkto, la matriarkecoj karakteriĝas per perfekta reciprokeco; ili estas socioj de ekvilibro.

En la socia nivelo, la matriarkecoj baziĝas sur la klano. La matriarkecaj homoj kunvivadas en grandaj familioj kiuj estas organizitaj laŭ la principo de la patrin-linieco, la parenceco tra patrina linio. La nomo de la klano, ĉiuj sociaj rangoj kaj politikaj titoloj herediĝas tra patrina linio. Patrin-klano konsistas el tri generacioj de virinoj: la patrino de la klano kaj siaj fratinoj, filinoj kaj nepinoj; kaj krome la viroj rekte enparencigitaj: la fratoj de la patrino de la klano kaj la filoj kaj nepoj de la patrino de la klano kaj siaj fratinoj. La patrin-klano kunloĝadas en la granda domo de la klano, kiu povas enkalkuli de 10 al 100 personoj. La virinoj konstante loĝas en ĝi, ĉar la filinoj kaj la nepinoj neniam forlasas la domon de la patrina klano kiam ili edziniĝas. Ĉi tio nomiĝas patrinlokeco. La klano estas la aŭtarkia ekonomia unuo. Por atingi ke tiaj aŭtarkiaj grupoj konstituu socian strukturon kun aliaj klanoj de la vilaĝo aŭ la urbo, oni disvolvis kompleksajn regulojn de geedziĝo, ekzemple tiu de reciproka geedziĝo inter du klanoj. Tiamaniere ĉiuj membroj de la vilaĝo aŭ la urbo estas pli malpli parencaj inter ili. Tia parenceco konstituas sistemon de reciproka helpo kun firmaj normoj. Tiele generiĝas egaleca socio, organizita laŭ ne hierarkia maniero, kiun oni povas interpreti kiel ampleksigita klano. Pri la rolo kiun la viro ludas en tiutipa socio, oni povas diri ke la junviroj kiuj forlasas la patrinan domon post edziĝo ne iras malproksimen. Ili ne restas dumlonge for de sia domo, nur ekde la noktiĝo ĝis la frumateno. Tiamaniere la geedziĝo en la matriarkeca socio estas nur geedziĝo de vizito, kiu estas iu formo tre malfermita kaj limigita al la nokto. Tio estas, la matriarkecaj viroj ne kunloĝas kun siaj edzinoj aŭ amantinoj: en la ina domo de la klano ili estas nur gastoj. Ilia hejmo estas la domo de ilia patrina klano ĉar tie ili loĝas kaj laboras. La filoj de la edzinoj aŭ amantinoj apartenas al la domo de ĉi ties klano, ĉar ili portas la nomon de la klano de sia patrino. La viroj neniam konsideras tiujn geinfanojn kiel "siaj filoj", tamen la gefiloj de iliaj fratinoj estas konsiderataj kiel filoj, kaj respondecas kaj zorgas pri ili.

En la politika tereno, ankaŭ la decid-alpreno estas organizita laŭ la parencec-linioj. La bazo de ĉiu decid-procezo estas la diversaj domoj de la klano. La gravaj decidoj estas prenataj laŭ interkonsento inter virinoj kaj viroj. Neniu ano el la domo povas esti ekskludita en la decid-alprenado, la geinfanoj plenrajtas opinii kaj voĉdoni ekde la 13-jara aĝo. La decidoj estas alprenataj nur laŭ plenakordo, tio estas, unuanime. Same okazas vilaĝnivele: Post la kunveno de la klana konsilio, la delegitoj de la diversaj domoj el la klano kunvenas en la vilaĝa konsiliejo, en iuj socioj la klano-patrinoj mem, en aliaj la fratoj elektitaj de la patrino kiuj peras sian klanon por la ekstero. La perantoj kiuj iras al la klana konsilio ne povas decidi per si mem, sed estas delegitoj kiuj nur interŝanĝas la ideojn de la diversaj klanoj. Ili agadas kiel mesaĝistoj inter la vilaĝa konsilio kaj la konsilio de ilia klana domo ĝis kiam ĉiuj klanaj domoj trovis, vilaĝnivele, interakordon. Same okazas regionnivele: la decidoj de la regionaj vilaĝoj kaj urboj kunordiĝas pere de delegitoj, plejofte viroj, kiuj portas la informojn. Ankaŭ ĉi tie la delegitoj iras kaj revenas inter la vilaĝaj kaj regionaj konsilioj ĝis kiam la regiono estus atinginta ian interkonsentitan decidon inter ĉiuj klanaj domoj de ĉiuj vilaĝoj. En tiutipa socio eblas formiĝi nek hierarkioj nek klasoj, ankaŭ ne povo-gradiĝo inter la seksoj kaj inter la generacioj. La malplimultoj ne estas marĝenataj pere de la decidoj de la plimultoj, ĉar la politikajn decidojn oni alprenas per iu sistemo de "baza demokratio". Tial, en la politika nivelo la matriarkecoj estas egalecaj socioj de komuna konsento.

En la ideologi-religia nivelo, ĉi tiujn sociojn oni ne povas karakterigi per la konceptoj de "natura religio" aŭ "kulto al la fekundeco"; ĉi tiuj konceptoj estas ne nur pejorativaj sed ankaŭ falsaj. Ĉar per ili ne restas klare ke temas pri kompleksaj religiaj sistemoj. Iu baza ideo pri la vivo kaj la kosmo estas ilia kredo pri la reenkarniĝo, kiu estas konceptita laŭ iu tre konkreta maniero: Ĉiu membro el la klano estas konvinkita pri sia reenkarniĝo post la morto ĉar li/ŝi estus denove akuŝita far iu el la junvirinoj de la klano. La virinoj estas respektegataj ne nur pro tio ke ili estas la kreintinoj de la vivo kaj la nutristinoj sed ankaŭ ĉar ili estas la reakuŝantaj, kaj tiamaniere ili povas trasformi la morton en vivon. La tero, kiu estas la Granda Patrino, garantias la reenkarniĝon kaj la nutradon de ĉio vivanta. Ĝi estas ia primitiva diino; la kosma diino, kreantino de la universo, estus la alia. Ili ne konas la dualisman penson, kien oni kontraŭmetas la "homon" al la "naturo", la "spiriton" al la "naturo" aŭ la "socion" al la "naturo" kaj kiu utilas por la subestimo kaj la ekspluatado de la naturo kiel nura fonto de rimedoj. En la religia nivelo, la matriarkecoj estas, tial, sakralaj socioj kaj kulturoj de diino.

Ĝis ĉi tie la ideoj de Heide Goettner-Abendroth, kiu ĝenerale esprimas la nuntempan feministan vidpunkton pri la afero de la matriarkeco. Ni esprimos nian opinion pri la priskribo kiun ŝi faras rilate al tiuj inokratiaj socioj kaj la bildo kiun pri ili prezentas la germana feministino. Sed antaŭe ni volas kontesti la teniĝon de tiuj antropologoj kaj teoriistoj kiuj neas aŭ tute ignoras la matriarkecan fakton. Niaopinie, estas nedubebla la iama ina dominado en la socio, ĉefe

kvankam ne nur, en la primitiva socio. Kvankam la hipotezo pri la matriarkeco situigas tiun socitipon en la antaŭhistoria etapo de la homaro, oni devas ne malatenti pri la signifo de iuj mitoj kiel tiu de la amazonoj. Ja, la mitoj estas legendoj, ne historiaj raportoj, sed ili ne naskiĝas de nulo sed simbogas realajn faktojn. Sendube la legendoj de la lukto de Aĥilo kaj Heraklo kontraŭ amazonoj simboligas la transiran etapon de la matriarkeco al la socio sub vira dominado. Krome estas ekzemploj de matriarkecaj socioj en historiaj epokoj kaj eĉ nuntempe. Menciindas ke la Brazila rivero Amazono kaj la regiono konata kiel Amazonio ricevis tiujn nomojn de la hispanaj esploristoj de la 16-a jarcento kiuj interfrontiĝis tie kun batalantaj virinoj. Kaj estas ankaŭ la arkeologiaj indicoj kiu atestas pri epoko dum kiu la virinoj estris la homan socion. Tiutipaj arkeologiaj pruvoj abundas en la mondo, sed ni centros nian atenton en tiuj ekzistantaj en nia lando mem: Estas fame konataj la virinaj skuptaĵoj makovritaj en Hispanio: la damoj de Elĉo, Kastellaro, Kaŭdeto, Galero, Gŭardamaro, Ibizo, Monto de la Sanktuloj… Ĉiuj ili apartenas al la iberia kulturo kiu floris dum la kvin aŭ ses jarcentoj antaŭ nia erao. Iuj el la inoj prezentitaj per tiuj skulptaĵoj estis, eble, diinoj. Aliaj, eble, reĝinoj aŭ sacerdotinoj, aŭ eble ambaŭ aferoj samtempe. Ĉiukaze tia abundo de virinaj figuroj indikas ke temis pri civilizacio en kiu tre gravis la ina rolo.

Sed, kiel dirite, ankaŭ la historie priraportataj epokoj priskribas sociojn, pli malpli grandajn, regatajn de virinoj. Julio Cezaro en sia verko "La gaŭlia milito", temante pri iuj triboj, informas ke la edzinoj estis kunhavitaj de grupoj de 10 aŭ 12 viroj, ĉefe inter fratoj kaj inter patroj kaj filoj. Ĉi tiu estas iu klara kazo de poliandrio kiu karakterigas la matriarkecajn sociojn. Sekve ni transskribas fragmentojn el rakonto de europano vojaĝinta en Azio fine de 19-a jarcento (la ruso Nikolao Notovitch).

- Ĝenerale la tibetanaj viroj… baniĝas unufoje en la jaro, kaj ne propravole, sed tial ke la leĝo devigas ilin fari tion… male la virinoj tre amas la purecon kaj la ordon. Ili sin lavas ĉiutage. Ĉiu virino posedas iom da mono kiu apartenas al ili laŭrajte, kaj elspezas ĝin ĝenerale por juvelaro…

- La ladakiana virino ĝuas socian rangon enviatan de ĉiu virino en Oriento, ĉar ŝi ne nur estas libera sed krome oni ege respektas ŝin. Krom ia malgranda laborado en la kampo, dum plejparto el sia tempo ŝi deĉiĝas fari vizitojn… …en la ladakiana socio la plej malalta rango de la loĝantaro estas la t. n. ***Bem*** kaj oni zorge evitas la interrilato kun ĉiu ajn el ĝiaj membroj.

- La poliandrio… estas faktoro kiu tenas la loĝantaron unuigita. Ĝi kreas grandajn familiojn… membro de unu familio ne povas disiĝi el ĝi, kaj post la morto sia parto revenas al la komunumo. La poliandrio, ĝenerale dominanta en ĉiuj tibetaj famílioj, tute ne estas rezulto de la doktrinoj de Budao, Ĉar ĝi ekzistis de multe da tempo antaŭ la alveno de la budaismo.

- La poliandrio ekzistas en Cejlono, Mongolio kaj Koreujo. Dumlonge persekutita en Ĉinio, ĝi ekzistas ankaŭ en multaj lokoj en la sudo de Hindio kaj en la malaba marbordo.

- En la Tibeto, la plejaĝa frato de unu familio elektas edzinon kiu iĝas komuna por ĉiuj la membroj de la domo… …junvirino ne estas edziniĝata sen sia konsento; se ŝi volas, ŝi iras kun sia fianĉo kaj iĝas ties edzino kaj edzino de liaj fratoj… …ĉiu virino rajtas posedi senliman nombron da edzoj kaj amantoj. En ĉi lasta kazo, se ŝi trovas junulon kiu komplezas ŝin, ŝi kondukas lin siakejme, forpelas ĉiujn siajn edzojn, kaj loĝas kun la preferato… …dum foresto de unu el la edzoj, oni oferas ties lokon al iu fraŭlo aŭ al iu vidvo…

- La virinoj estas alte estimataj kaj ĝuas absolutan liberon por la elekto de siaj edzoj kaj amantoj. Ili ĉiam bonhumoras kaj interesiĝas pri ĉio okazanta, kaj povas libere iri laŭdezire… …la geinfanoj konsideras nur la patrinojn; ili sentas nenian kor-inklinon al la patroj tial ke ili posedas multe da ĉi tiuj…

Malfacilas pritaksi ĉu la poliandrio estas esenca komponaĵo kaj sekvo de la matriarkeco aŭ ĉi tiu (la socia graveco de la virinoj) estas natura sekvo de la poliandrio. La dua opcio estas la opinio de Notovitch. Li asertas ke la tibeta poliandrio estas socia aranĝo kiu celas limigi la senbaran kreskadon de la loĝantaro en tero kun malabundaj rimedoj. Je la naskiĝo, la virinfanoj estas konservataj ĉar ilia destino estas kultivi la teron, sed en la kazo de la infaninoj, oni mortigas plejparton el ili por konservi nur tiujn destinitajn akuŝi la sekvan generacion. Do, tiuj supervivintaj inoj estas destinitaj ĝui gravan rolon en la socio. Ĉu tia estas la kazo de ĉiuj ceteraj ekzistintaj matriarkecaj socioj? Ne eblas konfirmi aŭ nei tion en la nuna stato de la kono de la prahistorio. Sed ŝajnas dedudebla la iama ekzisto de tiaj socioj, kaj ne estas komprenebla la teniĝo de tiuj doktaj antropologoj kapablaj verki libron de pli ol mil paĝoj priskribante la vivmanieron de la paleolitikaj socioj dirante eĉ ne unu vorton pri matriarkeco.

Sed, tion dirite, ni devas ankaŭ pridubi la idealan bildon kiun pri la matriarkeco esprimas la feministinoj kiaj la germana Heide Goettner-Abendroth, kiujn ni resume transkribis supre. Unue, ŝajnas ke oni asignas al la matriarkeco universalan karakteron, tio estas, oni supozas aŭ asertas ke dum tiuj longaj jarmiloj kaj fakte ĝis malmultaj jarcentoj antaŭ nia erao la matriarkeco estis la ĝenerala formo de ĉiuj homaj socioj. Konsiderante la varieblecon de la homa kapablo adaptiĝi al ĉiuj diversaj cirkonstancoj kaj medioj estas pli racie supozi la kunekzistado de matriarkecaj kaj patriarkecaj socioj en la sama epoko. Alie, la

transskribita teorio de Goettner-Abendroth asignas saman skemon kaj organizan formon al ĉiuj matriarkecaj socioj. Ankaŭ ĉi tio estas diskutebla: estas nenia kialo por pensi ke la eble ekzistintaj matriarkecoj estis tute egalaj en kio rilatas al la virinaj funkcioj, interseksaj rilatoj, organiza strukturo, religiaj kredoroj… Pli racie estas pensi ke, same kie okazas en la patriarkecaj socioj kaj eĉ en la nuntempaj postrestaĵoj de la matriarkeco, la kondiĉoj kaj sociaj formoj estis tre diversaj. Oni povas diri ke ne ekzistas/is puraj matriarkecoj kaj puraj patriarkecoj sed multenombraj formoj de socia organizo en kiuj la dominado de iu sekso super la alia prezentas/is ampleksan gradiĝon.

Sed la plej nekredebla koncepto entenita en la idealisma feminisma priskribo kiun ni prezentis estis tio ke la matriarkecoj estis socioj de paco, de harmonio kaj ekvilibro. Laŭ tiu filozofio, la kono de la matriarkeca socia formo kaj la asimilado de ties valoroj kaj reguloj povus nin helpi solvi problemojn kiel la izoliĝo de la individuoj, la interseksa perforto, la intergeneracia kontraŭfrontiĝo, la multenombraj krimoj okazigitaj de la malriĉeco, la detruado de la naturo kaj la kulturo en la tuta mondo pro la malekvilibro en la distribuo de la riĉeco kaj la senkontrola povo en la manoj de malmultaj homoj, kaj sekve de ĉio ĉi la senfinaj militoj konkurante por vivrimedoj kiujn samtempe oni disipas sensence.



**La samaj legendoj, kiel tiuj de la amazonoj, kiuj elvokas matriarkecajn sociojn, emfazas pri la militemo kaj milit-lerteco de tiuj virinoj.**

Nu, temante pri tiu afero oni devas scii nuanci. Oni povas akcepti ke en socioj, primitivaj aŭ ne, matriarkecaj aŭ patriarkecaj, kie ne ekzistas privata propraĵo, ne eblas la formiĝo de klasoj, sociaj rangoj kaj ŝtat-tipaj pov-strukturoj. Sed tute ne estas akceptebla la tezo ke la ina socia dominado malebligas/is la interetnajn militajn konfliktojn. La naturaj kondiĉoj kiuj generas la interhoman militon agadas sendepende la strukturo de la homa(j) socio(j). Spit' al la pretendo de superado de la dualisma penso kiu kontraŭmetas la homon al la naturo, la realo estas ke la naturo estas sufiĉe malamika al la homaro. Krom la geologiaj katastrofoj: tertremoj, vulkanoj… estas ankaŭ la klimataj: huraganoj, tifonoj, inundoj, sekecoj… kaj la biologiaj, en formo de grandaj bestoj: rabo-bestoj, sovaĝaj bestoj… kaj la malgrandaj: mal-sanigaj bakterioj, virusoj… kaj fine, kaj ĉefe en kio rilatas al la kaŭzo de la interhoma kontraŭdiro kiu generas la militojn, estas la naturaj limoj por la produktado de nutraĵoj kaj aliaj vivrimedoj. Tial, la perforta konkurado por la kontrolo de la vivrimedoj kaj la teritorio kiu provizas ilin estis de ĉiam akompananto de nia specio ekde la apero de la homa specio kaj eĉ antaŭe: ja, la ekstermado de la neandertala homo far la kromanjona okazis antaŭ multaj miloj da jaroj.

Krome la samaj legendoj, kiel tiuj de la amazonoj, kiuj temas pri iamaj matriarkecaj socioj, insistas ankaŭ pri la militemo kaj milit-lerteco de la tiamaj virinoj. La militoj sendube estis tiom oftaj kaj tiom kruelaj sub la ina regado kiom sub la vira dominado. Eĉ, oni povas pensi ke estis ĝuste la militoj tio kio ebligis la transiron el la matriarkeco al la patriarkeco. Ne estas hazardo ke en Hispanio, kie oni malkovris tiom da statuoj de damoj en la iberia epoko, la sola trovita statuo de la sama epoko de iu viro estas, ĝuste, tiu de iu militisto. Ĉiam pli kaj pli ofte, la superregantaj virinoj devis dependi de la viroj por la militado kaj tio ebligis ke la kontrolo de la armita forto permesis al la viroj kapti la kontrolon de la tuta socio. La konata historio montras multajn ekzemplojn de kazoj en kiuj la troa dependo el la militistoj ebligis la transprenon de la politika kaj ekonomia povo far la militista klaso.

Kaj fine, la priskribita ideala bildo de la matriarkecaj socioj estas tute ne akceptebla en kio koncernas al la interseksaj rilatoj. Eĉ se la inokratiaj komunumoj alĝustiĝus al la prezentita modelo, cetere tre dubinde, la modelo mem tute ne estas ideala. Ĝi prezentas sociojn en kiuj la viroj trasuferas submetiĝon ne pli agrabla ol tiu kiun la virinoj suferas en la patriarkecaj socioj. En la matriarkeco la viroj devis labori kiel terkulturistaj sklavoj por virinoj kiuj estis iliaj sinjorinoj, ne edzinoj. Ili, la viroj ne konis siajn gefilojn kaj genepojn. Ĉi tiuj havis patrinon kaj avinon sed ne konatan patron kaj avon. La sinjoreco de la inoj rilate al siaj "edzoj" tute similis al tiu de la sultanoj rilate al la inoj de sia haremo. Cetere, se la komentata tezo estas ĝusta, la sinjoreco sur la viroj iris tra la linio: avino, patrino, fratino, nevino…

Ne. La idealo ne troviĝas en la pasinteco, ĉu matriarkeca aŭ patriarkeca. Ĝi devas esti konstruita ĉiutage; la homa socio devas klopodi sian senĉesan perfektigadon celante la egalecon, en la intergenra tereno same kiel en la interklasa kaj intergenta tereno.



# Intergenraj rilatoj en tradiciaj kulturoj

Nia kulturo, tiel nomata "Okcidenta", havas kiel distinga eco la fakton ke ĝi estas dinamisma, t. e. ĝi troviĝas en procezo de konstanta ŝanĝiĝo aŭ evoluado. Ĝi havas historion, kaj tiu historio estas konstituita, ĝuste, de la diversaj paŝoj de la socia evoluado. Al la priskribo de la menciita evoluado ni dediĉas la sekvajn ĉapitrojn de ĉi tiu raporto. Sed antaŭ la entrepreno de tiu priskribo indas konstati ke tiu senĉesa socia ŝanĝiĝo de nia kulturo ne estas la normo sed la escepto. Ĉi-ĉapitre ni priskribos aliajn gravajn civilizaciojn kiuj estis tre stabilaj dumlonge kaj kiuj nuntempe ne havas alian dinamismon ol tiu kiun ili ricevas subinflue de la Okcidenta kulturo. Kiam oni temas pri socia stagniĝo kaj pri evoluemaj kulturoj, kompreneble, la afero koncernas al diversaj aspektoj de la homa kunvivado, ĉefe al tiu de la interklasaj rilatoj, sed nia eseo atentas ĉefe pri la interseksaj aŭ intergenraj rilatoj.

Ni komencos per tiu kiu, eble, estas la plej antikva inter la tradiciaj kulturoj, tiu de Hindio aŭ Barato. La hinda tradicia socio estas difinita per strikta hierarkia sistemo, tiu de la kastoj. Ĉiu kasto estas konstituita de miloj da endogamiaj klanoj. La tradiciaj valoroj de la multgeneracia kaj patriarkeca familio estas tre respektataj eĉ nuntempe kiam, ĉefe en la urboj, komencas esti akceptata la modelo de nuklea familio konstituita de gepatroj kaj gefiloj. Plejparto el la gehindianoj akceptas geedziĝon organizitan de la gepatroj kaj aliaj respektataj samfamilianoj. La geedziĝon oni kontemplas por la tuta vivodaŭro kaj tre ofte oni efektivigas tre junaĝe, preskaŭ infane; pli ol duono el la hindaj novedzinoj ankoraŭ ne estas 18-jaraĝaj. Ne raras la geedziĝoj en kiuj la edzo estas 15-jara kaj la edzino 11-jara kvankam nuntempe estas leĝo kiu dispozicias ke la edzo estu pli ol 21-jara kaj la edzino pli ol 18-jara.

En la tradicia modelo, en iu domo povas kunloĝadi kelkdeko da personoj, membroj de la sama familio: la familiestro aŭ patriarko kaj ĉi ties edzino, iliaj gefiloj kaj ĉi ties gefiloj, la edzinoj kaj gefiloj de iliaj gefiloj… ankaŭ la ankoraŭ ne edziĝintaj gefiloj, geonkloj, geavoj… La tuta familio metas ĉies enspezojn komune, kaj la patriarko kaj ĉi ties edzino administras la familion laŭ sia kriterio. Tiu sistemo estas tre utila en lando kie estas granda senlaboreco kaj geolduloj ricevas nenian pension. Laŭ la tradicia modelo, post la edziĝo la filo daŭre loĝas ĉe la gepatroj dum lia edzino translokiĝas al lia por kunloĝi kun la familio de sia edzo, al kiu ŝi apartenas de tiam. De tiu vidpunkto la geedziĝo ne estas nur rilato inter individuoj sed inter familioj. Tial la respondeco elekti edzon kaj edzinon koncernas al la tuta familio ne malpli ol al la gefianĉoj mem.

Eĉ ne subtaksante la gravecon de la solidareco kiun oni generas en tiutipa famili-modelo, oni devas atenti ankaŭ pri la malegaleco en la situacio inter la geedzoj, konkrete la subordiĝo de la virinoj rilate al la viroj. Kiel ekstera signo de tiu ne-egaleca situacio estas mencinda la fakto ke la edzinoj neniam povas alvoki la edzon, kaj ĝenerale la pliaĝajn virojn de la familio, per ties nomoj. Kiam oni parolas pri la patro al la gefiloj la patrino kutime diras "babuĥi" la hindia vorto signifanta "patro", kaj kiam oni parolas rekte al li, ŝi ĉiam diras "Hej ho" kio signifas "aŭskultu ci". Kial ĉiuj inoj el la domo kondutas tiele? Tio okazas ĉar en la hindia tradicia socio la edzo estas komparata al Dio, kaj al la virinoj oni instruas respekti lin. Al la virinoj oni diras ke nomi la edzon povus alvoki malbonan sorton por li kaj mallongigi lian vivon. Nuntempe pli kaj pli hidian(in)oj primokas tian pensmanieron. Tio estas signo de la evoluo kiun la hindia socio spertas rezulte de la influo de la Okcidenta socio, sed la situacio de la hindiaj virinoj estas ankoraŭ tre ege malagrabla kompare al tiu de la inoj de nia kulturo. Abundas la seks-fortigo de hindiaj virinoj kaj aliaj perfortaj agresoj kontraŭ ili, kaj tiaj faroj plejofte restas senpune.

Alia grava antikva tradicia civilizacio, kiu pluekzistas nuntempe, estas tiu de Ĉinio. Kvankam tiu granda lando suferis, dum la lasta jarmilo, plurajn fremdajn invadojn kaj konkerojn (far mongoloj kaj manĉuroj) la china kulturo konservis siajn specifajn trajtojn. De politika vidpunkto Ĉinio estas libera, ekde la jaro 1912, el la fremda superregado sed, paradokse, la influo kiun de tiam ĝi ricevas el la okcidenta kulturo estas okazigante, same kiel en Hindio, profundajn ŝanĝojn. Ekzemple, la 1-an de oktobro de 1949 fondiĝis la Popola Respubliko de Ĉinio kies idearo estis marksisma-leninisma. La celo de la novaj, komunistaj, gvidantoj estis la modernigo de la lando. Modernigi la ekonomion, la industrion… sed ankaŭ, kaj ĉefe, liberigi la ĉinian popolon el la superstiĉo, la tradicio, la familiaj klanoj kaj la konfuzea patriarkeco.

Por transformi la familian strukturon, la registaro dekretis en 1950 la Leĝon pri la Geedziĝo. Ĝi celis demokratiigi la familiajn interrilatojn kaj neŭtraligi la

aŭtoritatan hierarkion kiu sekvis la kriteriojn ĝis tiam dominantajn: la generacio, la genro kaj la aĝo. Oni liberigis la virinojn el "la tri obeoj" –rilate al la patro kiel filino, al la edzo kiel edzino kaj al la filo kiel vidvino. Kaj oni liberigis la ĉinan loĝantaron el la devo submetiĝi al geedziĝoj interakorditaj de la gepatroj sen la konsento de la geedziĝontoj. Oni faciligis la eksedziĝon de la virinoj kaj, unuafoje en la historio de Ĉinio, la aliron al la gardado de la gefiloj post la rompiĝo de la geedza unuo. Laŭ la leĝo, la idaro de iu geedza paro ĉesis aparteni nure kaj ekskluzive al la patra familio.
La ĉinaj virinoj troviĝas nun en ia paradoksa situacio: enkondukitaj en la labora mondo, kun ŝajna egaleco rilate al la viroj sed submetitaj al la persista masklismo de la ĉina socio, plejparte el ili troviĝas ene de la tiel nomata "generacio de la sandviĉo", iu generacio difinita per la politiko de unusola filo. Kiel sola filino, la virino, kaj ŝia edzo, zorgas pri kvar geavoj kiuj maljuniĝas, samkiel pri ŝia propra ido. Estas neniu frato aŭ fratino por kundividi la ŝarĝon de la maljunaj gepatroj. Ne ekzistas onklinoj aŭ onkloj por zorgi pri la juna generacio. Ŝi kaj ŝia edzo devas alpreni la tutan respondecon.
Alia tradicia socio kiu tre penis/as pretersuperi multajn aspektojn de la tradicia kulturo estas Japanio. Ekde la jaro 1868, komenciĝo de la t. n. "Erao Mejĥi", oni entreprenis oficialajn dispoziciojn celantaj modernigi la landon.
Ĝis la sepa jarcento de nia erao viroj kaj virinoj samrajtis en Japanio heredi la reĝan tronon kaj estis lideroj el ambaŭ seksoj. Eble temis pri iu el la transiraj etapoj el matriarkeco al patriarkeco kiel tiuj okazintaj en aliaj lokoj en la mondo. Ĉiukaze, ekde la t. n. "Erao Nara" (jaroj 646-794 de nia erao) la viroj komencis havi pli da povo ol la virinoj ene de la aristokrataro kaj de tiam la virinoj komencis perdi la heredo-rajton ene de la familioj. Dum tiu epoko disvolviĝis la organiz-sistemo konata kiel IE, koncepto kiun oni povas traduki kiel "domo". La sistemo IE kreas tutan hierarkion ene de la familio ekde la servutuloj ĝis la granda estro kiu ĝenerale estas la patro. Ene de la familio la plejaĝa filo rajtis heredi kaj estus la nova estro de la sistemo IE. La rolo de la virino estis nur akuŝi gefilojn kaj krei ligilojn inter kelkaj IE-oj edziniĝante al lideroj de aliaj familioj. Ekde la "Erao Edo" (jaroj 1603-1868 de nia erao) kaj per la eniro de la Konfuzeismo en Japanion la virinoj restis eĉ pli apartigitaj el la sistemo. Tia pensmaniero tre enradikiĝis en la japanoj kaj ĝi ankoraŭ persistas iamaniere en la nuna japana socio spite al la oficialaj reformoj. Kiel dirite, ekde 1868 komencis eniri okcidentaj ideoj en la landon, ŝanĝiĝis la eduk-sistemo sed eĉ tiele la ideo estis krei virinojn kiuj nur estu bonaj patrinoj. Kroma ŝanĝo venis kun la fino de la Dua MondMilito kiam oni faris novan konstitucion kiu garantias samajn rajtojn por la viroj kaj la virinoj. Eĉ tiele, nuntempe la socia rango de la virinoj en Japanio kompare kun aliaj disvolvigitaj landoj estas sufiĉe malalta. En la japana menso persistas multaj ideoj ekde la Erao Edo kaj la influo de la Konfuzeismo. Eĉ la japana lingvo respegulas multajn el tiuj ideoj.

Kiel dirite, la interakorditaj geedziĝoj estis tradicie konsiderataj kiel ligiloj inter familioj kaj ne nur kiel iu rilato inter viro kaj virino. Tia estis la ĝenerala kutimo antikv-epoke, kaj ĉiuj decidoj estis alprenitaj far la gepatroj de ambaŭ partoj. Nun ankoraŭ okazas tiutipaj geedziĝoj sed kun pli da libereco por la gefianĉoj.
En la 21-a jarcento la japaninoj daŭre bataladas celante leĝan, politikan, ekonomian kaj socian spacon kiu pretersuperu la tradician rolon de la konservado de la valoroj kiun ili havis en la historio. De antaŭ kvin jardekoj la japanaj virinoj komencis havi realan rolon en la disvolviĝo de la lando, sed estis ekde la lasta jardeko de la 20-a jarcento kiam la ekonomia krizo frapis la landon kiam la inoj komencis sian «revolucion». La junulinoj profitis la sociajn fendojn pro la kriza sento por rompi parton el siaj baroj.
La Konstitucio de 1946 agnoskis la egalecon inter ĉiuj civitanoj sendiskrimine pro raso, kredaro, sekso, socia kondiĉo aŭ rango. En la jaro 1985 oni promulgis la Leĝon de Oportunec-Egaleco, en 1992 la Leĝon de Forpermeso pro Patrineco, kaj en 2001 la Leĝon por la Prevento de la Edza Perforto, leĝoj kiuj permesis al la japanaj virinoj havi samajn dispoziciojn de leĝa defendo kiel la eŭropaninoj aŭ la usonaninoj kvankam en la praktiko neniu el la du unuaj leĝoj enhavas ian punon por la entreprenoj kaze de neplenumado. En la jaro 2016 en la japana entreprenistaro la inoj estas apenaŭ 7 elcento en la gvidpostenoj kompare al, ekzemple, 23 elcento en Usono. La japanaj virinoj atingis la voĉdonrajton en la jaro 1946, sed post 70 jarojn ili malmulte progresis en la Parlamento. En 2014 nur 45 el la 475 deputitoj estis virinoj. En la jaro 2007, unuafoje iu virino estris la Ministrejon pri Defendo en Japanio, kaj en 2016 unua-foje en la historio iu virino estis elektita kiel gubiern-estrino de Tokio.
Fine ni atentos pri alia grava tradicia kulturo, la araba, aŭ pli ĝuste muzulmana ĉar ĉi foje temas pri kulturo kiu estis modlita ekde kaj pere de iu religio, la muzulmana aŭ islama, kiu nun estas amplekse disvastigata en aliaj popoloj krom la araba. En kio rilatas al la situacio de la virinoj kaj al aliaj aferoj estas grandaj diferencoj inter la diversaj islamaj socioj, sed estas ankaŭ ĝenerala koincido en tio ke la virina submetiĝo estas malfacile solvebla ĝuste pro tio ke tiu situacio estas tre ligata al religiaj ordonoj formulitaj en la Korano, kiun oni konsideras sankta libro en tiu religio.
En la islama socio jam de tre frue oni instruas la infanojn pri ties rajtoj kaj la infaninojn pri ties devoj. Temas pri devoj tute nepravigeblaj, kiuj celas nur stimuli la infaninon pensi ke ŝi estas ia neperfekta homa estaĵo, ke mankas al ŝi iu grava parto por atingi la perfektecon, kiun la viro, jes ja, havas. Tial, en iuj lokoj la infaninoj sentas ke ili ne estas bone ricevitaj en la familioj, ke oni preferas la viron por porti kaj transigi ĝian nomon kaj, poste, helpi la patron en ĉi ties negoco. Tiele la infanino kreskas en iu tre vira etoso kiu inspras al ŝi senton je malsupereco kaj admiro al la vira sekso, kiu protektos kaj nutros ŝin. La viro havas kontakton kun la ekstera mondo, male ol ŝi kiu vivadas en la doma mondo.

Tial ankoraŭ nuntempe en iuj islamaj landoj la edzo forlasas la edzinon se ĉi tiu akuŝas kelkajn infaninojn sinsekve sen iu viro. Por li, kaj por la socio, la virino kulpas pri la fiasko. Sed antaŭ la edzineco kaj la patrineco, la islama socio preparis iujn normojn por la inoj jam en la adoleska etapo. Kiam la virino eniras en fazon de korpa kreskado ŝi sin sentas enfermita endome kaj la familio kiu ne povas teni ŝin ene de ties kaĝo permesas al ŝi eliri sed kondiĉe sekvi iujn specialajn normojn. Pri la virina vestaĵo, nomata ***jilbab***, tiuj normoj specifas ke ĝi devas kovri la tutan korpon escepte la vizaĝon kaj la manojn, ke ĝi estu nek ornamita nek parfumita, ke ĝi estu dika kaj ne travidebla, ke ĝi estu ampleksa kaj ne strikta, ke ĝi ne similu la vestaĵon de la viroj kaj tiun de nemuzulmanaj inoj. Ĉiuj-ĉi detaloj de virina vestaĵo devigas ŝin honti pri sia korpo, kaj pro timo esti atakata ŝi enmetiĝas en la kaĝon de ia vest-stilo kreita de la viroj. Kaj se ŝi provus rompi kun tiu socia leĝo ŝi ricevus punon, tiu maniero taksi la inon laŭ ŝia vestaro estas tre aplikata en arabaj muzulmanaj landoj kiaj Saŭd-Arabio, Irakio… kaj aliaj muzulmanaj kvankam ne arabaj landoj kiaj Irano, Malajzio, Niĝerio, Pakistano, Singapuro… Estas landoj kiel Somalio, Sudano kaj Jemeno, kie oni uzas eĉ pli agresajn metodojn de mistrakto kontraŭ la virinoj eĉ ŝtonumado, konsistanta enterigi la kondamnitan inon en puton kiu kovras ŝin ĝiskape kaj oni ŝtonumas ŝin ĝismorte.
Kiam oni petas la manon de iu virino por geedziĝo estas normoj kiuj ŝi devas adopti por esti la ideala edzino. Same kiel ŝia patrino kaj ŝia avino, ŝi dependos de sia edzo, estos sub la aŭtoritato kiun li havas kiel familiestro, kaj devos konsulti lin por ĉiu ajn decido. De seksa vidpunkto, laŭ la idearo kiun oni encerbigis al la virinoj, ĉi tiuj konsideras ke ili havas pekeman korpon antaŭ la viroj kiuj, male, simbolas la forton. Simila submetiĝo okazas en la ekonomia tereno; en iuj muzulmanaj landoj kiel Afganio, oni malpermesas al la virino eliri el la domo por labori sen iu rajtigilo subskribita de la patro aŭ la viro kiu respondecas pri la familio en la kazo ke ŝi estus fraŭlino, aŭ de la edzo kaze de la edziĝinta ino. Sekve de tio, se oni ne permesas al ŝi labori kaj devas esti ĉiam subtenita de iu viro, patro, frato aŭ edzo, naskiĝas en ŝi la sento ke ŝi devas esti dankema al la maskla figuro kaj samtempe sin senti submetita al la timo perdi sian solan fonton je enspezoj. La edzino estas devigata elteni la malbonan karakteron de sia edzo kaj peni kiel eble plej feliĉigi lin je lia reveno el la laborejo. Kvankam ĉi tio ne sufiĉas por garantii al ŝi ĉi ties postenon kiel edzino aŭ kiel unika edzino, ŝi devus atenti pri la ĉefa rolo de sia vivo: la patrineco kiel atendita rezulto de la geedziĝo.



La muzulmana integrismo aŭ fundamentismo estas kvazaŭ histeria reago kontraŭ le tendenco adopti, subinflue de la Okcidenta kulturo, interalie, valorojn kaj sociajn normojn de pli egalecaj intergenraj rilatoj.

Por sukcesi ke la edzino akuŝu gefilojn, en iuj muzulmanaj socioj ekzistas iuj antaŭzorgoj, ekzemple, ke la virino devas edziniĝi junaĝe, ĉar ju pli juna ŝi estus des pli da gefiloj ŝi povus akuŝi kaj des pli da sano ŝi havus por varti ilin. Spite al la pasado de la jaroj ĉi tiu kutimo daŭras senŝanĝe en landoj kiaj Irano aŭ Saŭd-Arabio kie la virino iĝas edzino kiam ŝi aĝas 15 aŭ 16 jarojn. Sed se pasadas la tempo post la geedziĝo kaj ne okazas gravediĝo, tio estus zorgiga afero por la tuta familio kaj komenciĝas la suspekto pri la sterileco de la bofilino kaj eblas ke la geparo divorcus kaj la viro serĉu alian virinon. Malfeliĉe por ŝi, sia vivo malboniĝas post la divorco ĉar malaltiĝas la ebleco ke ŝi edziniĝu denove, kaj se tia plua edziniĝo okazus, ĝi estus kun maljuna aŭ divorcita viro kiu jam havas gefilojn aŭ ne povas havi ilin. Resume, por kompreni la situacion de la muzulmana virino, estas necese serĉi la kaŭzojn kaj la kialojn kiuj generas la genran perforton. La ĉefa motoro de tiu socia makulo estas la malriĉeco: malriĉa familio ne povas pagi la studojn de siaj filinoj, do la inoj kreskas ne konante siajn rajtojn, iliaj horizontoj estas limigitaj kaj la sola celo de ilia vivo kaj preskaŭ la sola estonteco estas atingi edzon. Tial ili estas sub patriarkecajn leĝojn kaj kutimojn kies teorio estas prepari la inon por esti bona edzino kaj bona patrino. Tiu teorio rilatas kun la ina korpo pere de la starigo de vestar-modelo kiu konservas le belecon de la virino ekskluzive por ties estonta proprietulo. Rilate al la morala aspekto, la teorio celas nutri la inan senton je malsupereco kaj aparteneco al la viro en ĉiuj sferoj de la vivo. Ĉio-ĉi kaj multe pli generas ian tre agresan realaĵon por la muzulmanaj virinoj en la tuta mondo.
Rimarkindas io kio diferencigas la muzulmanan tradicion de tiuj de aliaj socioj. Ni vidis ke en la antaŭe priskribitaj kulturoj estas socia volo, kiu krome konkretiĝas en leĝojn, pretersuperi la tradiciajn limojn por atingi pli justan intergenrajn rilatojn. Male, en la muzulmana kulturo estas reago, eĉ perforta, generita de la kulturo mem, kontraŭ ĉiuj intencoj, kaj kontraŭ la ideo mem, ŝanĝi la naturon de la religia kulturo ĝenerale kaj de la interseksaj rilatoj konkrete. Tiu reago, konata per la nomo de islama integrismo aŭ fundamentismo sin konsideras en milita konflikto kontraŭ Okcidento kaj aliaj kulturoj, kaj konkretiĝas en terorismaj atencoj kaj militoj cele atingi pure islaman ŝtaton. Tiu histeria reago kontraŭ la modernigo de la kutimoj estas alprenante la formo de vera kontraŭfrontiĝo de civilizacioj.



# Grekujo kaj Romio
# Du malsamaj klasikaj modeloj

Du el la ĉefaj kulturoj, la greka kaj la romia, kiuj kontribuis generi nian Okcidentan civilizacion havis, rilate al situacio de la virinoj, ian similecon sed ankaŭ iujn diferencojn. Ĉiujn ni priskribas ĉi sube.
Rilate al antikva Grekujo, ĉiuj historiaj tekstoj koincidas pri tio ke la virinoj estis subenmetitaj al la domaj laboroj kaj la teksado. Ili ĝuis neniun rajton en la socia vivo: politika, civila, militista… Eĉ tiuj de la altrangaj klasoj ne rajtis voĉdoni en la civitanaj asembleoj. La sola rolo de la grekaj virinoj estis provizi al la patrujo filojn, prefere virojn. Eĉ tiu ilia rolo en la konceptado estis limigita ĉar oni konsideris ke la viro alportas al la virino la animon de la estonta ido.
En tiu socio la inoj troviĝis sub la patriarkeca aŭtoritato de la viroj. Tiele ili pasadis de la aŭtoritato de la patro al tiu de la edzo. Iu afero estis tre grava: la fideleco; la inoj devis esti tute fidelaj al sia edzo. Sed ĉi tiu povus intimi kun aliaj virinoj kiuj, tamen, gravis eĉ malpli ol la edzino. Tio okazis ĉar la greka socio estis tre klasisma kaj, same kiel estis sociaj diferencoj inter la viroj de la diversaj klasoj, la virinoj de la malaltrangaj klasoj devis roli kiel servistinoj ne nur de la mastroj, viroj, sed ankaŭ de ties edzinoj. Ekzemple, ekzistis la figuro de la konkubino. Tre oftis la rilato de la grekaj viroj kun konkubinoj; ĉi tiuj eĉ povis loĝadi en la sama domo kun la edzino kaj, kompreneble, ankaŭ de ili oni postulis fidelecon. Ili statuso en la domo estis kiel tiu de servistinoj.
Krome, apartenis al la greka kulturo ankaŭ la hetajroj, virinoj edukitaj por akompani la virojn al lokoj kie la ceteraj virinoj ne povis iri, kaj ilia intelekta preparo estis pli bona ol tiu de la ceteraj virinoj. Kaj fine, estis ankaŭ la tiel nomataj ***pornoj***, kiujn oni povis trovi surstrate sed ankaŭ en temploj, kie ili estis konsekritaj al servo al la dieco, kaj per la mono kiun ili atingadis el sia seksa komerco ili subtenadis la templon. Kompreneble, inter la ***pornoj*** estis pli privilegiitaj tiuj kiuj loĝadis en la temploj.
La reformo de Solono (6-a jarcento a. K.) iomete plibonigis la situacion de la malaltaj klasoj de la socio kaj ankaŭ tiun de la virinoj. De tiam la inoj povis heredi la propraĵon de la patro kiam ili ne havis virajn fratojn.
Ĉi tiu priskribo de la ina situacio en la antikva Grekio, kiel dirite, estas resumo aŭ skemo ade ripetata de ĉiuj historiaj tekstoj kaj eseoj. Sed oni devas noti ke tiu skemo estas kvazaŭ ekfoto farita en konkreta loko kaj difinita momento, nome la Atena socio de la 7-a al la 5-a jarcentoj antaŭ nia erao. Kvankam kelkaj el la priskribitaj kondiĉoj de la virinoj povas esti aplikataj al la tuta greka socio notindas ankaŭ ke en multaj lokoj ekzistis gravaj diferencoj rilate al la klasika modelo de Ateno. Ekzemple, la doriaj virinoj ĝuis pli altan socian kaj juran liberecon ol la priskribita kaj pli altan gradon je sendependeco rilate al la viroj. Ankaŭ en Sparto estis malsama la situacio de la virinoj, ili ne estis enfermitaj en la hejmo sed disponis je libera tempo kaj povis fari fizikan ekzercadon.
Krome estis ankaŭ granda diferenco inter la menciitaj jarcentoj kaj tio ekzistinta antaŭe, kaj ankaŭ kun la posta evoluo de la helena socio. Rilate al la pli antikvaj epokoj, la Iliado kaj la Odiseado alportas scion aŭ informon kiu sugestas ke, en la epoko kiun tiuj verkoj priskribas, la virinoj ludis pli gravan rolon ol tiu de la tempo de Solono kaj Periklo. Rimarkindas, ekzemple, la partopreno de la grekaj virinoj en la religia kulto. En la panteono de la greka religio estis ne nur dioj sed ankaŭ diinoj. La religioj, kiel homaj kulturaj kreaĵoj, respegulas la esencon aŭ naturon de la socio kiu kreis ilin. La matriarkecaj socioj generas diinan kulton far sacerdotinoj, kaj la patriarkecaj socioj generas religiojn kun masklaj dioj servataj de viraj sacerdotoj. Socio, kiel la greka, en kiu kunekzistas ambaŭgenraj kultoj, atestas pri la ekzisto de procezo de evoluado aŭ de pli malpli stabila pov-ekvilibro. Estas konate ke eĉ en Ateno, ekzistis iuj religiaj inaj kultoj en kiuj oni ne permesis la ĉeeston de viroj. Krome rimarkindas ke la nomo mem de la urbo devenas el tiu de la diino Atena, ĝia patronino. Sendube ĉio tio estis postrestaĵoj de matriarkeca epoko; ni ne forgesu ke la legendo de la amazonoj naskiĝis ĝuste en tiu greka kulturo kaj ĝi sendube simbolas aŭ respegulas la vidon kiun tiu kulturo havis pri siaj praepokoj.
Sed pli grava ol la pasinteco de la greka kulturo estis ĝia posta evoluo, t. e. la helenika aŭ helenista kulturo. Ĝi estis rezulto de la imperio kreita de Aleksandro la Granda. Oni difinas tiun historian etapon kiel la periodo inter Aleksandro la Granda kaj la 30aj jaroj antaŭ la kristana erao. Kiel ĝenerale okazas en la sociaj ŝanĝoj estas pli facile identigi sian komenciĝon, rezulte de grava okazaĵo, ĝenerale neatendita, ol ties finiĝo, kiu kutime estas lanta kaj longa procezo de degeneriĝo. Ĝuste tio okazis kun la helenistikismo; ĝia komenciĝo

estas klara: la ŝanĝoj generitaj de la fenomeno "Aleksandro la Granda", sed fiksi ĝian finiĝon en la 30-jaroj a. K., okaze de la morto de Kleopatro la 7-a kaj komenciĝo de la imperiestreco de Aŭgusto, estas konvencia decido. Oni povas proponi aliajn finojn: la epoko de la imperiestro Konstanteno, aŭ tiu de Teodozio, aŭ la finiĝo de la Romia Imperio…
Ĉiukaze, estas nedudeble ke la helenistika epoko vidis gravajn ŝanĝojn kaj ne nur en kio rilatas al la situacio de la virinoj. En ĝi estis gravaj reĝinoj ─io tute ne imageble en la antaŭa greka kulturo─ kiaj Fila kaj Olimpia, regentinoj de Makedonio, Laodica de Sirio, Aleksandra en la helenistika Judujo, Arsinoa kaj Berenica en la helenistika Egiptujo kaj Kleopatro, aŭ pli ĝuste la Kleopatroj ĉar estis kelkaj reĝinoj kun tiu nomo en Egiptujo. Krome estis multaj reĝinoj kiuj, eĉ se ne regantaj nek regentinoj sed nur edzinoj de reĝoj, tamen estis influo-povaj, partoprenis en la politikaj intrigoj kaj ludis gravan rolon. Kial okazis tiu ŝanĝo aŭ mutacio en la helena kulturo? La starto, kiel dirite, estis la militistaj konkeroj de Aleksandro de Makedonio, kiuj konkretiĝis, post la frua morto de la konkerinto, en kelkaj helenistaj regnoj, kies kulturo estis miksaĵo aŭ hibrido de la greka kulturo kun tiuj de la konkerintaj terzonoj en kiuj estis okazinte pli antikve la kazoj de la faraonino Hatŝepsut en Egiptujo, la reĝino Semiramiso en Babilonio, Atalia en Judujo, Artemiso de Halikarnaso…
Tiuj kazoj de reĝinoj, antaŭ kaj dum la helenisma epoko, iome gravas, sed de vidpunkto de la ina liberiĝo kaj la batalo por la egalrajteco inter ambaŭ seksoj ili ne multe signifis. Dum la reĝado de Kleopatro kaj la ceteraj menciitaj reĝinoj, la virina situacio en la regnoj de tiuj inoj ne multe ŝanĝiĝis rilate al tiuj regataj de viroj. Ankaŭ la interklasaj rilatoj, la perforto de la armeoj k. c. estis tute same sendepende de la sekso de la reganta persono. Cetere, plejparto el tiuj inoj aliris al la politika povo, kaj penis konservi ĝin, sammaniere kiel siaj viraj kolegoj, t. e. per intrigoj, konspiroj, puĉoj, krimoj…
Tamen la helenistika historia etapo estis tre grava pro aliaj kialoj en rilato kun aliaj sociaj aspektoj: la klasbatalo, la universalismo… Jes, la kristaliĝo de la helenista kulturo, rezultinta el la militaj konkeroj de Aleksandro, etendiĝis poste, natur- kaj pac-maniere, al teritorioj kiuj neniam estis apartenintaj al la imperio de la makedoniano: Kartago kaj ĉefe Romo, pri kiu ni okupiĝos poste. Ĉefa trajto de la post-Aleksandra helenismo estis, kiel dirite, la progreso de la universalismo, t. e. la emo al universala socio. La politikaj potencoj integritaj en la helenistika kulturo havis alvokiĝon de universaleco. Fine nur Romio, post kelkaj jarcentoj, sukcesis konkretigi tiun universalecon per sia imperio.
La alvokiĝo aŭ emo pri universaleco de la helenistika kulturo manifestiĝis ankaŭ en la religia tereno. Per la milit-kampanjoj de Aleksandro la grekoj ekkontaktis kun aliaj kulturoj kiuj havis malsamajn religiojn kaj, plejgrave, kontaktigis tiujn diversajn kulturojn kaj religiojn inter ili, tio estas, unujn kun la aliajn. Rezulte de tio, en la religia tereno estiĝis iu fenomeno pri kiu, sendube, neniam estis pensinte la makedona konkerinto, t. e. iu ĝenerala tendenco al sinkretismo, la emo kunfandigi malsamajn religiojn cele konstrui universalan religion. La rezulto de tiu ─cetere lanta─ procezo de religia evoluo estis la apero de la misterecaj religioj kaj la multenombraj variantoj de gnostikismo. Falas for de la celo de ĉi tiu eseo priskribi kaj eĉ mencii la diversajn kombinojn de sinkretismaj gnostikismoj aperintaj dum la lastaj jarcentoj antaŭ nia erao. Kiel resumo de la fenomeno ni diru ke la ĝeneralaj trajtoj de tiuj novaj religioj estis ia tendenco, pli malpli klara, al la monoteismo kontraste al la politeismo ĝis tiam reginta, kaj la elŝpruco de ritaroj kiujn ni povus nomi "sakramentaj", tio estas, ceremonioj kies celo estis sign(if)i homan alproksimiĝon al la dieco surbaze de alpreno de respondeco pri moralaj devoj. Ĉi tio havas intereson por nia afero de la virina emancipiĝ-batalo tial ke rezulte de la religia fermentado naskiĝis nova religio kiu fine iĝis universala, kaj tio markis la karakteron de la sekvintaj 17 jarcentoj ĝis nia epoko kaj influis sur la disvolviĝo de la ina kaj de multaj aliaj aferoj. Siamomente ni okupiĝos pri tiu nova religio kaj ties sociaj kaj kulturaj sekvoj, sed antaŭe ni vidu la kazon de la romia socio, kiu fine enkondukiĝis, ankaŭ ĝi, en la ensemblon de la helenistika universo.
En la socio kies centro kaj origino estis Romo-urbo, estis multaj komunaj trajtoj kun la jam priskribita greka kulkuro, sed estis ankaŭ notindaj diferencoj, ĉefe en kio rilatas al la situacio de la virinoj. Same kiel en Grekujo, en la religio de la romia socio kunekzistis ina kulto al diinoj kun vira sacerdoteco honore al masklaj dioj. Estas konate kiom multe gravis en Romo, de religia kaj politika vidpuntoj, la templo de la vestaloj, kaj same oni povas diri pri la templo de la diino Jano. Kaj ankaŭ en Romo estis inaj religiaj ceremonioj en kiuj ne estis permesata la ĉeesto de viroj. Laŭ rakonto de Plutarko, iu romia patricio, ***Clodivs***, estis enamiĝinta al la edzino de Julio Cezaro. Iam dum la festo de la ***Bona Dia*** (Bona Diino), ceremonio kiun povis ĉeesti nur inoj, tiu ulo eniris en la domon de Cezaro masko-vestita kiel virino; malkovrita, li estis juĝita kaj kondamnita. Sekve de tio, Cezaro repudiis sian edzinon kvankam li ne dubis pri la ŝia fideleco. Tiun nekongruecon li eksplikis dirante: ***Ne sufiĉas ke la edzino de Cezaro estu honesta; ŝi ankaŭ devas ŝajni tian***.
La konata historio de la romia socio alportas pliajn informojn pri la socia kaj religia rolo de la virino en Romo. Ekzemple, la kulto t. n. ***FORTVNA MVLIEBRI,*** en kiuj la inoj partoprenadis sub tre konkretaj kondiĉoj kiel tiu esti ***matrona univira*** (edzino de unu sola viro), t. e. edziniĝinta sen ia antaŭa divorco. Tiu kulto, krome, estis rezervita por la romiaj matronoj, t. e. la altrangaj sinjorinoj dum le epoko de la Respubliko, kaj poste estis sekvita de la imperiestrinoj kiel ***matrona prima*** (unuaranga matrono). Same kiel en Grekio, ankaŭ en la romia socio estis pli granda la diferenco inter la anoj de la sociaj klasoj ol tiu inter la viroj kaj virinoj de la sama klaso. La titoloj de patrono kaj matrono ne ekzistis inter la membroj de la plebla klaso, kaj al la gesklavoj ne estis permesate la geedziĝo; ilia gepariĝo, kiam la patrono konsentis ĝin, estis nomata konkub-

ado, same kiel tiu okazinta inter liberaj personoj kaj sklav(in)oj, kaj ne havis leĝan efikon. Cetere la patronoj, eĉ se edziĝintaj, povis havi sklavinojn destinitajn al la seksa servo al ili.

Do, ĉio tre simile al la greka socio, sed en Romo la situacio de la virinoj rilate al la viroj estis pli egaleca. Tie kie la viro estis ***dominus*** (sinjoro), la virino estis ***domina*** (sinjorino). Tio simbole respeguliĝis en la ceremonio de geedziĝo, en kiu la novedzino recitadis la formulon: ***Kie ci estas Kajo, mi estas Kaja.*** Tiu speciala situacio de la virino en Romo, kontraste ne nur al Grekujo sed ankaŭ al la diversaj samtempaj popoloj de Italio, ŝajnas deveni el iu okazintaĵo de la origino de Romo, kiun ni konas nur en ties legenda formo, la t. n. "forrabo de la sabeninoj". Laŭ tiu legendo, en la komenca etapo de Romo estis tie malmultaj virinoj. Por tion solvi, Romulo, fondinto kaj unua reĝo de la urbo, organizis sportan feston al kiu oni invitis la anojn de la najbara tribo de la sabenoj, kiuj aliris akompanitaj de siaj virinoj. Laŭ antaŭ-planite, en difinita momento ĉiu romurbana fraŭlo kaptis iun sabeninon kaj la viroj de tiu tribo estis perforte forpelitaj. La romianoj, por edziĝi al la kaptitinoj devis akcepti iujn kondiĉojn kiujn ĉi tiuj postulis. Cetere poste, la sabeninoj ludis gravan rolon kiam la viroj de sia tribo milite atakis Romon por venĝi la ofendon. La sabeninoj sin interpuŝis inter la batalantoj por ke siaj patroj kaj fratoj ne batalu kontraŭ siaj, jam akceptitaj, edzoj. Laŭ la legendo, kiu eble simbolas faktan historian okazaĵon, ambaŭ popoloj unuiĝis kontribuante al la pligrandiĝo kaj plifortiĝo de Romo.



La legendo de la sabeninoj simbolas okazaĵon de decida virina interveno kiu sendube eksplikas la relativan gravecon de la altrangaj inoj en la romia socio.

Ĉiam ne forgesante ke ankaŭ la romia socio estis virestreca, tamen la romiaj inoj iome gravis. La sklavinoj gravis neniom, sed ankaŭ siaj sklavaj viroj gravis neniom. La plebaj inoj gravis malmulte, sed ankaŭ siaj plebaj edzoj gravis malmulte. La virinoj de la mezklaso gravis sufiĉe, akorde kun la relativa graveco de la viroj de tiu klaso, nomataj kavaliroj en la romia socio. Kaj fine, la granda politika povo de la aristokratara aŭ senatana klaso havis sian ekvivalenton en la granda influo kiun la virinoj de tiu klaso havis en tiu tereno, ĉefe dum la lastaj jarcentoj de la Respubliko. Oni scias kiel multe utilis al la familioj de la Scipionoj kaj la Grakoj la geedza alianco inter ambaŭ. La konkordo inter Pompeo kaj Cezaro daŭris dum vivis la filino de la dua, edziĝinta al la unua, kaj ĉesis post sia morto. Dum la dua triumviraro, la rilatoj inter Oktavio kaj Antonio sekvis la fluktuadon de la geedza alianco inter la familioj de ambaŭ.

Laŭleĝe, la romianinoj ĝuis ioman kontrolon sur la doto kiun ili alportis je la geedziĝo kaj sur la ricevitaj herencoj. En la epoko de la imperio plu pliboniĝis la situacio de la virinoj. Kelkaj edzinoj de imperiestroj havis, por bono kaj/aŭ malbono, grandan politikan influon. Ekzemple Livia, edzino de Aŭgusto kaj patrino de Tiberio, Mesalina, edzino de Klaŭdio, Agripina, edzino de Klaŭdio kaj patrino de Nerono, Faustina, edzino de Marko Aŭrelio, Julia Domna, edzino de Septimio Severo…

Sed temas pri epoko kiam la Romia Imperio estis jam plene enkondukita en la helenista kulturo. Tiu enkonduko komenciĝis jam tuj post la venko de Romo sur Kartago, kiam la romianoj komencis interveni en la aferojn de Oriento, kaj pligrandiĝis laŭ la pasado de la tempo. Dum tiuj jarcentoj, lastaj a. K kaj unuaj p. K., la helena kulturo ĝuis grandan prestiĝon en la tuta ĉirkaŭ-Mediteranea terzono. La kavernuloj de Petra ornamis la eksteraĵon de siaj kavernoj laŭ la arkitektura stilo de la helena kulturo, kaj en la alia ekstremo de la Mediteraneo, en Hispanio, la filoj de la tribestroj kiuj estis kiel ostaĝoj en la tendaro de la romia generalo Sertorio dediĉadis sian tempon al la lernado de la greka lingvo. Ankaŭ la junuloj kaj eĉ la junulinoj de la patricaj familioj de Romo lernadis la grekan lingvon kaj la helenan kulturon kiel signo de distingeco.

La enkondukiĝo de Romo en la helena kulturo signifis sian alprenon de la universalisma emo. La Romia Imperio iĝis universala; en la 3-a jarcento oni asignis la romian civitanecon al ĉiuj liberaj homoj de la imperio, kaj estis ne-italaj imperiestroj. Iu el tiuj fremdaj imperiestroj, Heligabalo, enkondukis en Okcidenton orientajn kultojn.

Ja, la religia sinkretismo estis alia esprimo de la emo al universaleco. Fine de la 3-a jarcento, la mitraismo estis serioza konkuranto de la kristanismo. Cetere inter ambaŭ religioj estis pli da simileco ol diferenco; ambaŭ kunhavis la ceremonion de la eŭkaristio, kiun ili celebris sammaniere. Tio ne estas strange ĉar en tiu sinkretisma socimedio la diversaj religioj kopiadis aŭ plagiatadis unuj la aliajn serĉante tion kio vekus plian akcepton de la amasoj. Fine estis la kristanismo la religio kiu supervenkis la ceterajn kultojn. Sed la kristanismo mem ne estis unueca religio; ekzistis ene de ĝi multenombraj variantoj kaj gnostikaj sektoj. La universalisma sento, ĉi-foje kun la apogo de la kristanaj imperiestroj, klopodis konstitui universalan kristanan eklezion; ĝi ricevis la nomo je "katolika", vorto kiu, etimologie, en la greka lingvo, signifas ĝuste "universala". Tiu procezo multe gravis por nia afero de la virina problemaro ĉar la nova religio tre influis en la situacio de la inoj. En la jaro 320, ses jarojn post la rajtigo de la kristanismo, oni malpermesis al la virinoj ĉeesti la publikajn banejojn. Tial interesas al ni pristudi la kulturo kie originis tiu religio.




# La virino en la religioj de la Biblio

Kiam, en la jaro 313, la cezaroj Konstanteno kaj Licinio proklamis la Edikton de Milano per kiu oni metis finon al la persekutado kontraŭ la kristanoj, proksimume 90 elcento el la loĝantaro de la romia imperio konis tiun religion nur laŭnome kaj sciis nenion aŭ preskaŭ nenion pri ties juda origino. Eĉ la kristanoj mem, 8 procento el tiu romia loĝantaro, konis malmulton el sia propra religio. 67 jarojn poste, en la jaro 380, alia romia imperiestro, la hispano Teodozo, deklaris la Katolikan religion oficiala de la romia imperio, kun ekskludo, kaj eĉ malpermesigo, de ĉiuj ceteraj religioj, ne nur la ne-kristanaj sed ankaŭ la kristanaj ne-katolikaj. Eĉ tiam, la membroj de tiu religio konis pri ĝi nur tion kion instruis al ili siaj doktoroj, la tiel nomataj "Patroj de la Eklezio", kies doktrino, kiel ni vidos poste, estis iome malproksimiĝanta el la origina mesaĝo de la Majstro Jesuo.

Ĉio-ĉi ne estas stranga. La ordinara membraro de la Eklezio ne havis alirecon al la bibliaj tekstoj, kies ekzempleroj disponeblaj por la publiko tre malabundis tiam kaj dum multaj jarcentoj poste, ĝis la apero de la pres-arto. Alie, por la ne-judoj ekzistis tiam nur la grek-lingva versio nomata "Septuaginto". La latinparolantoj ne disponis je fidinda teksto ĝis la jaro 382, kiam estis finita traduko, far Sankta Hieronimo, nomata "Vulgato". Krome la tiama materialo estis tre diversa kaj okazis ega polemiko pri la legitimeco de tiuj aŭ tiuj libroj, ĝis kiam en la 3-a Koncilio de Kartago (jaro 397) oni aprobis la oficialan kanonon de la bibliaj libroj. Sed ĉefa kialo de la ne-alireco de la publiko al la sanktaj skriboj estis la analfabeteco de plejparto el la loĝantaro, ĉu kristana aŭ ne. La religia instruado, fakte okazis, kiel dirite, nur aŭ ĉefe pere de la eklezia hierarkio kiu estis organiziĝante ĝuste dum tiu 4-a jarcento. Ja, la tiamaj episkopoj estis kleraj homoj, ĝenerale devenantaj el la altrangaj klasoj de la romia socio. Ni vidos la religian teorion pri la situacio de la virinoj kiun tiu klerikaro ricevis kaj tion kion ili reellaboris tiorilate por la naskiĝanta kristana socio.

Kiel sciate, la kristana religio naskiĝis kaj formiĝis en la sino de la judismo. La religiaj skriboj de la judismo estas parto de la kristana religio, en kiu oni nomas ilin "Malnova Testamento", al kiu aldoniĝis la specife kristanaj libroj ariĝitaj sub la nomo "Nova Testamento". Nu, unue ni vidu kiel rigardas la virinon la Malnova Testamento. En la unua libro de tiu Biblio, nomata "Genezo", oni priskribas la kreadon de la mondo far Dio, kaj tuj sekve ankaŭ la kreadon de la homo. Laŭ tiu doktrino, unue estis kreita la viro, kaj nur poste la virino kiu, krome estis klonita el li (el vira ripo) kaj liaserve (por ke li ne estu sola). Tiu hebrea kulturo formiĝis kaj disvolviĝis en medio de maskla superregado en kiu, krome, oni tre privalorigis la inan fidelecon kiel bazo de la geedza institucio.

En tiu kulturo, kiam juda virino eliradis el la hejmo ŝi devis sin kovri per du vualoj surkape, diademo surfrunte kun rubandoj pendantaj ĝis la mentono kaj maŝo el kordonoj kaj ŝnuroj, tiamaniere ke ne eblu rekoni ŝiajn vizaĝajn trajtojn. La ino kiu ne plenumus tiun devon ofendus la socian kutimon kaj ŝia edzo rajtus kaj eĉ devus forpeli ŝin sen la laŭleĝa monkompenso por la kazoj de divorco. Eĉ en la helenista epoko, la merkatoj, konsilioj, tribunaloj, festaj procesioj, publikaj kunsidoj… estis aferoj en kiuj povis interveni nur la viroj. La virinoj devis resti hejme kaj vivi retiriĝe. Ĝis la aĝo je dekdu jaroj kaj duono, virino ne rajtis rifuzi la edziniĝon deciditan de ŝia patro, kiu povis edzinigi ŝin eĉ al handikapulo. Laŭ la biblia doktrino ***(Eliro 21;7***) la patro povus eĉ vendi sian filinon kiel sklavinon. Laŭ la biblia leĝaro ***(Levidoj 20;10 kaj Readmono 22;22)*** la geadultuloj devus morti. La maniero efektivigi la ekzekutadon de la geadultuloj estis per ŝtonumado. Rimarkindas ke kvankam la mortpuno estis por ambaŭ adultintoj, la leĝo estis pli severa por la inoj ĉar iliakaze la adultulino estas tia nur pro la fakto ke ŝi estis edziĝinta. En la kazo de la viroj, tamen, kvankam li estus edzo, la puno atingas lin nur se la kunkulpulino estus siavice edzino de aliulo, t. e. ne gravas se la edziĝinta viro koitas kun prostituitino. La prostituado estis tiel ofta kaj abunda en la juda socio kiel en ĉiu ajn alia socio. Ankaŭ ne estis puno por la viro se li seksrilatas kun antaŭ-nupta fraŭlino (se ĉi tiu ne estas parencino). La problemo venus por la junulino se poste ŝi intencus edziniĝi ĉar alia biblia leĝo ***(Readmono 22; 20-21)*** ordonas ke se iu junulino edziniĝas ne estante virga, ŝi devas esti ŝtonumita. Sed la plej frapanta diferenco inter la rajtoj de viroj kaj virinoj en la antikva biblia mondo estis ke dum la virino estis ligita al unusola viro, al ĉi tiu oni permesis la poligamion. La mitaj bibliaj patriarkoj Abrahamo, Jakobo… posedis plurajn edzinojn kaj krome konkubinojn, sed ĉiuj ĉi inoj devis resti fidelaj al ilia edzo-mastro. Same okazis kun la histo-

riaj reĝoj de Judujo kaj Israelo: Davido, Salomon kaj iliaj posteuloj. Konkrete Salomono, laŭ priraportas la Biblio mem, havis kelkcenton da edzinoj kaj samkvanton da konkubinoj.
La inaj figuroj kiuj aperas en la biliaj historioj, ĉu mitaj aŭ realaj, alĝustiĝas al tiu kriterio de morala taksado. Estas pozitive prezentataj la virinoj kiuj submetiĝas al tiu skemo de servuteco al la la viroj: Sara, Rebeka, Raĥela, Anna, Estera, Mirjama… kaj, male, tiuj kiuj malobservas tiun modelon, kiel la edzino de Potifaro aŭ la filinoj de Loto, estas asimilataj al idolaninoj kiel la reĝinoj Izebela kaj Atalia.
Sed estas iu ina biblia figuro kiu meritas specialan atenton. Temas pri Judita. Verdire, la libro de Judita ne estas strikte biblia; ĝi ne aperas en la hebrea kanono kaj ankaŭ ne en tiu de iuj kristanaj eklezioj kvankam, jes ja, en aliaj. Tamen la temo estas sufiĉe konata eĉ for de la religiaj medioj; oni faris pri ĝi teatraĵojn kaj filmojn samkiel famajn pentraĵojn. La libro apartenas al la kolekto de tiuj nomataj Dua-kanonaj, t. e. tiuj libroj kiuj ne ekzistas en la hebrea lingvo sed jes ja en la greklingva versio nomata Septuaginto. Ĝenerale temas pri libroj kun biblia, juda, temaro sed verkitaj en Aleksandrio aŭ aliloke. Al tiu kolekto apartenas ankaŭ la libro de Tobio, Makabeoj, Saĝeco, Baruĥo… La libro de Judita estas rakonto pri la faro de juda vidvino kiu savas siajn kuncivitanojn sieĝatajn en Betulia de Holofernes, generalo de Nebukadnecar. La libro ne raportas pri reala historia okazaĵo. Neniam ekzistis tiu urbo nomata Betulia kaj ankaŭ ne okazis la babilona invado kiun ĝi priskribas. Krome la nomo Holofernes ne estas babilona sed persa. Oni ne scias kiu estis la verkinto de tiu libro; estas diversaj teorioj pri la afero. Eble ĝi estis verkita de virino; tio ne verŝajnas en la juda socio sed jes en la juda medio de la Aleksandrio de la helenista epoko. Eble iu juda patro sen viraj filoj instruis sian filinon pri legado. Ĉiukaze la verko havas feministan karakteron kaj celas emfazi la valoron de la virinoj. Laŭ la rakonto, Judita venkis la malamikan generalon per armiloj de virino –ŝi delogis lin– kaj per armiloj de viro –ŝi fortranĉis lian kapon per glavo kiam li estis dormanta pro ebrio– sen plia helpo ol tiu de ŝia servistino, kaj tiele ŝi savis la sieĝatan urbon kiam la konfuzo etendiĝis inter la sieĝantaj trupoj.
Tamen eĉ la rakonto de la heroino Judita alĝustiĝas al la stereotipo de virta ino laŭ la biblia kriterio. La teksto finiĝas asertante ke tiu vivdino poste vivis dum longaj jaroj kaj ne volis reedziniĝi kvankam, ŝi havis multajn svatiĝantojn, pro respekto al sia forpasinta edzo. Ja, la ĝenerala skemo de la Biblio pri la rolo de la virino en la socio estis tiu de respekto kaj servado al la viro. Eĉ ne la profetoj –kaj kvankam ne mankis inter ili pluraj virinoj– intencis mildigi la inan situacion, kvankam ili faris ĉion eblan por kontraŭbatali la socian maljustecon de la tiama agrara feŭdismo. La escepto tiorilate estis la lasta el tiuj profetoj, ĝuste la iniciatinto de nova religia konceptado el kiu devenis la posta kristanismo. Ja, Jesuo, al kiu oni poste aldoniĝis la titolon "Kristo" havis reformigan emon pri la juda Leĝaro, kaj ne nur en kio rilatas al virinoj, sed ankaŭ pri aliaj aferoj kiuj ĉiam estis/as en la kerno de la homa problemaro. Lia penso estis ke la Leĝaro estis farita por la homo kaj ne la homo por la Leĝaro. Ĉar tiu deklaro estas tre logika kaj nediskutebla, ŝajne superfluas. Tamen, en la realo, en ĉiuj epokoj kaj ankaŭ nuntempe, la leĝo-farantoj celas sian propran profiton domaĝe al aliuj. Jesuo abomenis tiujn kiuj surmetas sur alies dorson pezajn ŝarĝojn kiujn ili ne povas surporti. Tio estis aplikebla al la doktoroj de la Leĝo rilate al la ordinara popolo sed ankaŭ, kaj ĉefe, al la viroj rilate al la virinoj.
La evageliaj tekstoj informas al ni ke Jesuo, kiam arigis sekvantojn ĉirkaŭ sin, en lia disĉiplularo estis ne nur de viroj sed ankaŭ virinoj. Inter la akuzoj kiujn oni faris kontraŭ li oni menciis tion ke akompanadis lin virinoj, kaj aliaj personoj de malbona reputacio. Li estis alirebla por ĉiutipaj personoj, eĉ tiuj malaprecataj kaj marĝenataj en la juda socio, kiel tiuj de la samaria etno. Li asertadis ke li ne pretendis detrui sed perfektigi la tradician Leĝaron de la judismo. Ekzemple, li oponis kontraŭ la vira rajto repudii edzinon, rajto kiun, kompreneble, ne havis la virinoj en tiu socio. La poziciiĝo de Jesuo tiorilate ne celis abstrakte defendi la geedzan institucion, kiel pretendas iuj teologioj, sed defendi la virinojn, ĉar ĉi ties situacio estis sendefenda okaze de divorco. Al repudiita ino kiu ne sukcesus trovi novan edzon, restis nur du vojoj: almozado aŭ prostituado.



En la biblia legendo de Judita subkuŝas ia intenco depostuli agnoskon de la virina valoro montrante ekzemplon de heroino kiu kapablas solvi problemojn laŭ sia propra iniciato.

Alia kazo en kiu Jesuo kontraŭfrontis Leĝaron kiu asignas ĉiujn rajtojn al la viroj kaj ĉiujn devojn al la virinoj troviĝas en la Evangelio ***(Johano 8;1-7).*** Kiam oni petis lian opinión ĉu oni devus ŝtonumi adultinon, laŭ la tradicia leĝo, li savis la inon dirante: ***Kiu el vi estas senpeka, tiu unua ĵetu sur ŝin ŝtonon***. La teksto aldonas sekve ke "ili eliris unu post alia, komencante de la plej maljunaj". Li trafe montris la neegalecon kiun la Leĝaro estis establinta en la interseksaj rilatoj. Laŭ tiu Leĝaro la inoj devis servi la viroj laŭ du malsamaj roloj, kiel edzinoj al kiuj oni postulas fidelecon subriske esti ŝtonumitaj, kaj kiel prostituitinoj kiujn la socio malaprecas kaj mistaksas kiel personoj. Ni vidis la vidpunkton de Jesuo rilate al la unuaj, pardonante la adultintan edzinon. Jen alian evangelian pecon rilate al la duaj. En ***Luko 7; 36-50*** ni legas:

***Kaj unu el la Fariseoj petis lin, ke li manĝu kun li. Kaj li eniris en la domon de la Fariseo, kaj sidiĝis ĉe manĝo. Kaj jen estis en la urbo virino pekulino; kaj kiam ŝi eksciis, ke Jesuo sidas ĉe manĝo en la domo de la Fariseo, ŝi alportis alabastran vazon da ŝmiraĵo, kaj starante malantaŭe ĉe liaj piedoj, plorante, ŝi komencis priverŝi liajn piedojn per ŝiaj larmoj, kaj viŝis ilin per la haroj de sia kapo, kaj kisadis liajn piedojn, kaj ŝmiris ilin per la ŝmiraĵo. Kaj kiam la Fariseo, kiu lin invitis, tion vidis, li parolis en si, dirante: Ĉi tiu, se li estus profeto, ja scius, kiu kaj kia virino lin tuŝas, ke ŝi estas pekulino. Kaj responde Jesuo diris al li: Simon, mi havas ion diri al vi. Kaj li diris: Majstro, parolu. Unu pruntedoninto havis du ŝuldantojn; unu ŝuldis kvincent denarojn, kaj la alia kvindek. Kiam ili havis nenion, per kio pagi, li pardonis al ambaŭ la ŝuldon. Kiu el ili do lin pli amos? Simon responde diris: Tiu, mi supozas, al kiu pardonis la pli grandan ŝuldon. Kaj li diris al li: Vi prave juĝis. Kaj sin turnante al la virino, li diris al Simon: Ĉu vi vidas ĉi tiun virinon? Mi eniris en vian domon, vi ne donis al mi akvon por la piedoj; sed ŝi priverŝis miajn piedojn per siaj larmoj kaj viŝis ilin per siaj haroj. Vi ne donis al mi kison; sed ŝi, de la tempo, kiam mi eniris, ne ĉesis kisadi miajn piedojn. Vi ne ŝmiris mian kapon per oleo; sed ŝi ŝmiris miajn piedojn per ŝmiraĵo. Pro tio mi diras al vi: Ŝiaj pekoj, kiuj estas multaj, estas pardonitaj; ĉar ŝi multe amis; sed al kiu malmulto estas pardonita, tiu malmulte amas. Kaj li diris al ŝi: Viaj pekoj estas pardonitaj. Kaj tiuj, kiuj sidis ĉe manĝo kun li, komencis diri inter si: Kiu estas ĉi tiu, kiu eĉ pardonas pekojn? Kaj li diris al la virino: Via fido vin savis; iru en pacon.***


La evangelia sceno de la ino kiu ŝmiris la piedojn de Jesuo havas altan simbolan signifon, Tiu Mesio ne estis sanktoleita en solena ceremonio far Granda Pastro sed far virino kaj krome putino.

La sama rakonto aperas ankaŭ en ***Mateo 26; 6-13***, ***Marko 14*** kaj ***Johano 12; 1-8*** kun iuj diferencoj. Sed ni vidas en tiu evangelia peco ion kion, eble, la evangeliistoj mem ne vidis. Unue ni atentu pri la titolo "Kristo" kiun la sekvantoj de Jesuo, kaj la historio ĝenerale, donis al li. Tiu vorto estas la helena traduko de la hebrea vorto "Mesio", kiu signifas "Sanktoleito". Sanktoleado aŭ ŝmirado estis, en la hebrea kulturo, ceremonio per kiu oni konsekradis la reĝojn, t. e. ceremonio samsignifa kiel la kronado aŭ surtronigado de aliaj kulturoj. Kompreneble, tiu sanktoleado de Mesio devus esti ege solena ceremonio kaj la ŝmiradon farus Granda Pastro. La Mesio kiun la judoj estis atendante kaj esperante de antaŭ kelkaj jarcentoj estus, laŭ ilia ideo, iu speciale granda reĝo, **Reĝo de Reĝoj**. Konkrete, oni esperis ke tiu Mesio estu granda konkeranto, kiel Aleksandro de Makedonio, kiu atingus, favore al la juda popolo, grandan imperion simile al tiu tiama de la romianoj. Por la koncerna sanktoleado de tia Mesio jam estis preparita la koncerna materialo. En februaro de 1989 la ĵurnaloj informis ke okazis en Israelo interesa arkeologia eltrovo: oni trovis iun ujon kiu enhavis tiutipan oleon kiel tiu uzita por la konsekrado de la reĝoj kaj la grandaj sacerdotoj. Oni kalkulis ke la antikveco de tiu objekto estis, proksimume, du mil jaroj, do la epoko de Jesuo. Ĉi tiu, kiam iu entuziasma amaso volis proklami lin reĝo, eskapis forkure. Se li estus akceptinta estus aperinta iu simila oleujo, eble ĉi tiu mem kiun oni eltrovis en 1989, por konsekri lin. Tiukaze li devus entrepreni militon kontraŭ la reĝo Herodo Antipaso kaj kontraŭ la romianoj, li devus efektivigi ĉiutipan perforton, kontraŭ la malamikoj, kontraŭ rivalaj pretendantoj… li estus servita de multaj homoj. Tiele funkcias la regnoj de ĉi tiu mondo, sed al li estis klare ke sia regno ne estas kiel tiuj de ĉi tiu mondo, kaj ke la plejranga en sia regno estas tiu kiu servas la regatojn. Jesuo akceptis la plej malaltan funkcion, kiun socio povas asigni al iu: tiu de ekzekutita deliktulo. Nu, kiel respeguliĝis tio en la ceremonio de lia oleado? Estis neniu solenaĵo; ne sanktoleis lin Granda Pastro, sed iu virino kaj krome putino, la plej malalta rango en la hebrea socio. Tiu estas la simbolo kiun ni vidas en la evangelia sceno kiun ni pritemas. Li rompis la tradician skemon de socio bazita sur la klasoj kaj rangoj, li estis vera kontraŭsistemulo.

Tion vidite, povas ŝajni ke en socio kiu sin difinas kiel kristana, la situacio de la inoj kaj de la malaltranguloj ĝenerale devus estis alia ol ĝi reale estas, aŭ pli ĝuste, devus ekzisti nenian ajn diferencon inter ĉiuj homaj estaĵoj. Kial ne estis/as tiele? Responde al tio oni devas klarigi ke asigni la titolon je "kristana" al iu socio signifas nur ke tiu socio akceptis la kulton kaj aliajn eksterajn signojn de tiu religio, ne ke ĝi alprenis la valorojn de Jesuo-Kristo. Nur malmultaj homoj intencas alĝustigi sian vivon al la spirito de la instruo de Jesuo, kaj tiuj homoj ĉiam estis kaj daŭre estas tre malabundaj. Konkrete, jam la unuaj generacioj p. K, komencis perfidi lian mesaĝon. Inter la unuaj kristanoj elstaris, kiel gvidantoj, dekduo da viroj, kiuj asignis al si la titolon je "apostoloj"; oni ne scias kio okazis kun tiuj virinoj kiuj iam estis esenca parto de la sekvantaro de la Majstro. La sola ina figuro apud tiu dekduo da apostoloj estis tiu de la patrino de la Mesio. Ne estas klare kiun rolon ŝi havis ene de tiu grupo sed poste ŝia figuro estis uzata

de la Kristanaj medioj por nuligi la rolon de la virinoj en la Eklezio kaj en la socio; ni okupiĝos pri tiu temo siamomente. Krom tiu dekduo da apostoloj aperis poste iu grava figuro, Paŭlo de Tarso, kiu ne konis Jesuon persone kaj kiu, tamen, ludis tre gravan rolon en la procezo de diferenciĝo de la kristanismo el la judismo. Liaj leteroj aŭ epistoloj, destine al diversaj naskiĝantaj kristanaj asembleoj for de la judismo, konstituas grandan kaj esencan parton de la kristana parto de la Biblio, nomata Nova Testamento. Li estis tre konscia rilate al la rajtoj de la gojoj (ne-judoj) ene de la naskiĝanta kristana religio. Sed tiu konscio ne etendiĝis al la rajtoj de la virinoj. Sekve ni transkribos ion el lia epistolaro kiuj esprimas lian penson pri tiu temo.

***Sed mi volas sciigi vin ke la kapo de ĉiu viro estas Kristo; kaj la kapo de la virino estas viro… Ĉiu viro, preĝanta aŭ profetanta kun kapo kovrita, malhonoras sian kapon. Sed ĉiu virino, preĝanta aŭ profetanta kun kapo senvuala, malhonoras sian kapon; ĉar tio estas tia sama, kvazaŭ ŝi estus razita. Ĉar se virino ne estas vualita, ŝi ankaŭ tondiĝu; sed se estas hontinde por virino esti kun haroj tonditaj aŭ razitaj, ŝi estu vualita. Ĉar viro devas ne havi la kapon vualita, pro tio, ke li estas la bildo kaj gloro de Dio; sed virino estas la gloro de viro. Ĉar viro ne estas el virino, sed virino el viro; ĉar ankaŭ viro ne estas kreita por virino, sed virino por viro; pro tio virino devas havi sur la kapo signon de aŭtoritato, pro la anĝeloj. (Unua Korintanoj 11;3-10).***

Oni povas trovi pliajn aliajn citaĵojn en la Nova Testamento, ĉefe en la epistoloj de Paŭlo, kiuj eksplicitas la ideon de submetiĝo de la virinoj al la viroj; ni ne trolongigu ĉi raporton per pluaj tiutipaj citaĵoj. Ni notu ke Paŭlo skribis siajn epistolojn antaŭ la jaro 70-a, do kelkajn jardekojn antaŭ la verkado de la Evangelioj. Li konis nek Jesuon nek la evangeliajn skribaĵojn, kaj la unuaj kristanaj asembleoj, kreitaj de li, naskiĝis kaj persistis poste for de la influo de la ideoj de Jesuo pri la rajtoj de la virinoj. Krome la influo de la doktrino de Paŭlo efikis sur la naskiĝanta Eklezio ankaŭ en alia tereno, tiu de la sekseco. Jesuo apenaŭ pritemis tiun aferon sed Paŭlo estis la iniciatinto de tiu fenomeno de "demonigo" aŭ "pekigo" de la sekso, de ĉio rilate al la sekseco, kiu ankoraŭ pludaŭras en la kristanaj medioj kaj en la Okcidenta socio ĝenerale. Jen kelkaj perloj de lia teoriado pri la seksa afero: ***Forkuru de malĉasteco. Ĉiu peko, kiun homo faras, estas ekster la korpo; sed tiu, kiu malĉastas, pekas kontraŭ sia propra korpo. Aŭ ĉu vi ne scias, ke via korpo estas templo de la Sankta Spirito, kiu estas en vi kaj kiun vi havas de Dio? Kaj vi ne apartenas al vi mem, ĉar vi estas aĉetitaj per prezo; gloru al Dio en via korpo. (Unua Korintanoj 6;18-20)… Ĉar jen estas la volo de Dio, via sanktiĝo, ke vi vin detenu de malĉasteco; ke ĉiu el vi sciu preni al si sian propran (seks)aferon en sankteco kaj honoro, ne el la pasio de volupto, kiel la nacianoj, kiuj ne konas Dion. (Unua Tesalonikanoj 4;3-5)*** .

Krom tio, en la evangeliaj skriboj mem, verkitaj kelkajn jardekojn post la malapero de Jesuo, iu evangelisto metis ian rigoran diraĵon atribuitan al la Majstro: ***Vi aŭdis, ke estis dirite: Ne adultu; sed mi diras al vi, ke ĉiu, kiu rigardas virinon, por diziri ŝin, jam adultis je ŝi en sia koro. Kaj se via dekstra okulo faligas vin, elŝiru kaj forĵetu ĝin; ĉar estus pli bone por vi, se unu el via membroj pereus, ol se via tuta korpo estus ĵetita en Gehenan. Kaj se via dekstra mano faligas vin, detranĉu kaj forĵetu ĝin; ĉar estus pli bone por vi, se unu el viaj membroj pereus, ol se via tuta korpo irus en Gehenan. (Mateo 5;27-30).***

Ni lasu al la ekzegezistoj pridiskuti ĉu ĉi lastaj versikloj, kiu aperas nur en Mateo kaj ne en la aliaj evangeliistoj, estas veraj instruo de Jesuo aŭ nura inspiro de kulturo en kiu oni trotaksis la geedzan institucion kiel subteno de la socia strukturo. Kio estas nenudebla estas ke tiu doktrino okazigis grandan damaĝon kaj ankoraŭ pezas sur nia civilizacio spite al la progresado de la laikismo. En la 3-a jarcento iu kristana teologo, nomata Origeno, preninte laŭlitere la doktrinon de la evangelio de Mateo igis fortranĉi sian seksorganon. En la 4-a jarcento, la Patroj de la Eklezio kiuj estis la endoktrinigantoj de la popolo estis subinflue de tia pensmaniero. La menciita Sankta Hieronimo kiu tradukis la bibliajn tekstojn al la latina lingvo, iris en sirian dezerton por vivadi asketike kaj penti pri siaj pekoj subpremante siajn seksajn dezirojn. Reveninte en Romon li dediĉiĝis al la spirita gvidadoj de virinoj apartenantaj al la aristokrataro aŭ patricaro. Inter la virtoj de tiu ulo eble estis la ĉasteco sed ne la karitato kiun oni konsideras la ĉefa kristana virto. Li furioze verkis kontraŭ la judoj kaj kontraŭ kristanoj kiuj havis malsamajn teologiajn ideojn ol li. Inter siaj teologiaj doktrinoj estis tiu de la **Ĉiamadaŭra virgeco de Maria**. Proponante tian neeblan modelon al la virinoj tiu ulo tre damaĝis la aferon de la ina liberiĝo. Lia opinio pri la rilatoj inter viroj kaj virinoj estis de kompleta kaj absoluta rifuzo. Laŭ li, la seksa plezuro estas pekeca kaj nelica eĉ ene de la geedza vivo: ***La prudenta viro devas ami sian edzinon kun malvarma determino, ne kun varma deziro… Nenio estas pli malpura ol ami cian edzinon kvazaŭ ŝi estus cia amantino…*** Similan mensan deformiĝon havis la ceteraj Patroj de la Eklezio de tiu jarcento: Aŭgusteno de Hipono, Ambrozio de Milano, Cirilo de Aleksandrio…

Kaj tamen, ankoraŭ nuntempe, tiuj uloj estas konsiderataj sanktuloj kaj Doktoroj de la Eklezio. Ilia noca influo persistis poste en la monaĥismo (vira kaj virina) kies unu el ĝiaj ĉefaj ecoj estis la ĉasteco, kaj en la fraŭleco de la pastroj ankoraŭ konservata en la grandaj kristanaj eklezioj. Cetere, en tiuj eklezioj la pastreco estas nura vira afero, ne estas permesata la pastra ordenigo de virinoj. Dum 17 jarcentoj oni tre akcentigis la teologian signifon de la Virgulino Maria, kaj oni metis tiun figuron kiel modelo por la virinoj, sed kiel modelo de ĉasteco, obeemo, humileco, submetiĝo… tio estas, virtoj kiuj ne kontribuas, precize, al la virina emancipiĝo. La longa marŝado de la feminismo devis daŭri dum tiuj longaj jarcentoj en la fera kadro de la kulturo generita de tiu deformita kristana religio. Per la sekvaj ĉapitroj ni ĉeestu kaj kontemplu la sobojn kaj la sorojn de tiu peniga procezo.




Ĉiu kulturo nomas siajn historiajn etapojn laŭ la ideo kiun ĝi havas pri sia propra disvolviĝo laŭ la pasado de la tempo. Tiorilate, la termino “Mezepoko” havas sencon nur por la t. n. Okcidenta civilizacio. Kvankam ĉiu epoko havas sian apartan karakteron, la limdatoj inter la sinsekvaj epokoj estas konvencie fiksataj. Ĝenerale estas akceptita la falo de la romia imperio de Okcidento kiel komenciĝo de Mezepoko. Pri ties finiĝo, tamen, ne estas unuanima konsento; iuj preferas la jaron 1453, okaze de la falo de Konstantinopolo kaj fino de la romia imperio de Oriento, aliaj preferas la jaron 1492, okaze de la malkovro de la Amerika kontinento. Tiam komenciĝus la t. n. “moderna erao”. Por nia studo de la disvolviĝo de la procezo de la virina emancipiĝo ni preferas ignori la koncepton de “moderna erao” kaj plilongigas la daŭron de Mezepoko ĝis la Franca Revolucio. Kial apliki tian kriterion? Kompreneble, la priepoka limdato kiun ni alprenas estas tiel konvencia kiel ĉiuj ceteraj, sed baziĝas sur iuj prikonsideroj. Laŭ nia interpretado de la historio, la progresado de la ina batalo estis/tas tre ligata aŭ kroĉita al la progresado de la klasbatalo, kaj la progresado de ambaŭ bataloj tre dependis/as de la progresado de la scienco kaj tekniko. Nu, de vidpunkto de la klasa kaj genra emancipiĝoj kiuj dependis de la disvolviĝo de la produktigaj fortoj, en Okcidento la etapo inter la 5-a kaj la 18-a jarcentoj havis kiel komuna karakteraĵo la feŭdisman sistemon surbaze de terkultura ekonomio. Ja, la industria revolucio estis jam komenciĝinta en 1789, sed la Franca Revolucio estis rekta rezulto de ĝi kaj nepra politika kondiĉo por ĝia plua disvolviĝo.

Do, ni vidu la progresadon de la ina afero laŭlonge de tiuj dektri jarcentoj pasintaj antaŭ Franca Revolucio. Ni diru, komence, ke en tiu ampleksa tempodaŭro ni trovos ĉiutipajn signojn de evoluado, progresajn kaj malprogresajn. Estis la epoko de la krucmilitoj kaj la Inkvizicio, sed ankaŭ de la apero de kontraŭfeŭdismaj movadoj kaj de la unuaj burĝaj respublikoj. Okazis koloniigado de lontanaj landoj per rabado kaj rasmortigoj, sed ankaŭ oni inventis la presarton kaj aperis kaj sukcesis reformaciaj movadoj. Resume, la Okcidenta kulturo, pri kiu ni temas, tute ne estis/as tradicia. La distinga eco de la tradiciaj kulturoj –ni priskribis iujn per iu antaŭa ĉapitro– estas ilia senmoveco, senevolueco. Ĝuste tio ne estis/as la socio pri kiu ni okupiĝas nun; ĝi estis/as aktiva, evoluokapabla, transira, dinamisma… oni povas diri ke tiu tendenco evolui kaj ŝanĝiĝi estas ĝuste la karaktero kiu difinas ĝin. Tion dirite, tamen, oni devas aldoni ke la ritmo de ŝanĝigo aŭ evoluado ne estis/as konstanta, okazis/as antaŭeniroj kaj retroiroj. Ĝuste la falo de la romia imperio estis iu el tiuj retroiroj, sed delongperspektive la dominanta tendenco estas la antaŭenirado. Kaj tre notinde, la evoluoritmo iĝas pli kaj pli rapida laŭ la pasado de la tempo. Dum la unuaj jarcentoj de Mezepoko la progresado estis tre lanta, preskaŭ neperceptebla. Poste ĝi akceliĝis iompostiom kaj la akcelo estis pli granda en la tuja etapo antaŭ la Franca Revolucio. Sed de tiam, kaj jam en la nuntempa epoko, la akcelo-ritmo estas pli kaj pli rapida, en la progreso de la scienc-tekniko, la plipotenciĝo de la produktigaj fortoj kaj la sociaj kaj intergenraj rilatoj. En iu tradicia kulturo oni facile povas diveni kia estos la situacio post unu aŭ du jarcentoj; en nia nuntempa socio ne eblas pripensi kiel estos la situacio post dek aŭ dudek jaroj.

Ni eksplikis kial ni metas la finon de Mezepoko malsame ol kutime akceptate. Nun ni diru kial por ni la komenciĝo de tiu erao koincidas kun la ĝenerala kriterio: la disfalo de la romia imperio de Okcidento. Ja, tiu historia ŝanĝo estis tre altsignifa por nia civilizacio. Ĝis tiam la dominanta ideologio estis tiu de la potenco de la imperio, la prestiĝo de la imperiestra institucio, ankaŭ de la tiama leĝaro, valoroj, tradicioj… Ĉio-ĉi krizis per la ruiniĝo de tiu sistemo, la alveno de novaj popoloj, la malapero de ŝtataj, universalaj institucioj… Kaj kion oni konstruis sur la ruinoj post tiu ega detruo? Unue ni respondu alian demandon: Kiu aŭ kio entreprenis la konstruadon startante de nulo?

Inter la ruinoj de la socia katastrofo restis stare nur la nova religio, kristana. Fakte la barbaraj popoloj akceptis ĝin sufiĉe frue. La plej stabila aŭtoritata hierakio estis tiu de la eklezia episkoparo. Krome tiu kristana eklezio havis emon kaj alvokiĝon je monopolismo, universaleco, kio estis faktoro de unuec(iĝ)o por la pecoj de la disrompita imperio. Resu-

me, komencis naskiĝi socio kies dominanta ideologio estis tiu de la kristana eklezio. La episkopoj de Romo baldaŭ konstatis ke ili, hazarde, iĝis la plej altrangaj figuroj en la teritorio kiu iam konstituis la okcidentan parton de la Romia Imperio. Kongrue kun tiu rolo kiun la historio asignis al ili, la papoj survestis sin per la purpura robo de la iamaj imperiestroj kaj alprenis la imperiestrajn titolojn de Plejalta Pontifiko kaj Plejsupera Pastro. Kaj de tiom alta pozicio la Eklezio komencis modli la novan socion. La doktrino, la leĝaro, la valoroj, la mond-konceptado, la ideologio kaj la interesoj de la Eklezio sendiskute fariĝis la dominantaj kulturaj elementoj de la nova, Okcidenta, socio.

Ĉu vere sendiskute? Komence povis ŝajni ke jes. Kiel dirite, la evoluado de la socio estis tre lanta en la unuaj jarcentoj de la longa epoko kiun ni pritemas, sed la iompostioma plirapidiĝo de tiu procezo respegulis la kreskantan emancipiĝon de la socio el la eklezia kuratoreco. Tiu interfrontiĝo inter la Eklezio kiu sin konsideris patrino de la Okcidenta socio kaj ĉi tiu socio kiu maturiĝadis kaj emis emancipiĝi traspertis sobojn kaj sorojn kiuj signifis avancojn kaj retroirojn rilate al la celo –ankoraŭ ne plene atingita– de egaleco inter la civitanoj. **Iompostiom** la reĝoj de la nacioj de Okcidenta Eŭropo reakiris la povon de la iamaj imperiestroj domaĝe al la feŭdismo kiun la Eklezio, ŝajne, volis konsekri kiel definitiva sociekonomia sistemo kaj al la povo de la papoj sur la laika aŭtoritato kaj sur grandparto el la itala teritorio. **Iompostiom** disvastiĝis la kulturo, naskiĝis kaj disvolviĝis la universitatoj kaj la presarto kaj aperis sciencistoj kiel Koperniko kaj Galileo kiuj komencis ruinigi la mondkonceptadon kiun la klerikaro deziris konservi. **Iompostiom** la burĝaro kaj la kamparanaro pridiskutis kaj kontraŭbatalis la elitisman sistemon de la feŭdisma aristokrataro kiu dumlonge ĝuadis la apogon de la ideologia aparato de la Eklezio. **Iompostiom** la religia unueco kiun la Eklezio de Romo volis konservi, eĉ per la Inkvizicio, estis defiita de aliaj kristanaj kredaroj kiel tiuj de albigensoj, valdanoj, husanoj k. a., kiuj fiaskis, sed fine ankaŭ de luteranoj, anglikanoj k. a, kiuj sukcesis konstituiĝi kiel alternativo al la romkatolikismo. **Iompostiom** la dominanta ideologio estis pridiskutata de alitipaj idearoj kiaj tiuj de la framasonaro kaj la rozkrucismo. **Iompostiom,** ĉefe post la invento de la presarto, la klereco ĉesis estis monopolo de la la elitismaj altrangaj klasoj. Kaj, ĉu **iompostiom** iamaniere disvolviĝis ankaŭ la afero de la virinoj dum tiu longdaŭra Mezepoko? La ĉefa problemo kiun ni renkontas por difini la historion de virinoj en Mezepoko, estas la foresto de skribaj fontoj, tial ne estas facile spuri ilian ĉiutagan aktivadon, ilian poziciojn aŭ pensojn sed tion malmulton kion ni konas venis al ni tra viraj skriboj. Tial oni devas atenti ĉu konsideri aŭ ne valida la bildon kiuj la klerikoj, la solaj kiuj scipovis skribi, provizis pri la virinoj. Malgraŭ tiu malfacilaĵo, hodiaŭ ni renkontas grandajn figurojn kiel Eleonoro de Akvitanio, Johana de Arko aŭ Christine de Tretas kaj aliajn kiujn ni mencios poste, kaj ankaŭ multajn elementojn de la ĉiutaga vivo: ni povas scii, kion ili manĝis, kion ili faris, kiel ili kuiris, vestis, ktp.

La loko kiun la dominanta ideologio asignis al la virino estis tiu de absoluta malsupereco kaj submetiĝo al la viro ene kaj for de la eklezia medio. En la familio la virino ĉiam dependis de unu viro, havis nenian juran respondecon kaj ĝuis malmultajn rajtojn. La leĝaro, bazita sur la eklezia kanona kodo, celis la konservadon de tiu situacio. La situacio ne estis pli bona por la virinoj en la monaĥa vivo. Kvankam la eklezia kanona kodo agnoskadis kaj postuladis ke tiel por la edziniĝo kiel por la religia servado, la virino rajtus libere elekti, fakte kaj reale en ambaŭ kazoj estis la patro aŭ la vira kuratoro tiu kiu decidis ŝian destinon. Konsiderante ke, laŭ la dominanta ideologio, la plej grava virto por la virinoj estas ĉasteco, la seksa afero estas amplekse pritraktita de la klerikaro. Ĉi-rilate la tiamaj debatoj ĉiam konkludis ke la seksa agado devas esti senigita je la emo al ĝuado kaj celi nur naskadon de idaro. Tial por virinoj la sekseco eblas nur edziniĝe kaj kun la propra edzo, ne permesante al edziniĝinta virino, sub puno je mokado kaj morto, ekstergeedzecajn aŭ adultajn rilatoj. Laŭ la ideo kiun oni povas eltiri el la tiamaj libroj, la ideo pri vivo, amo kaj virino estis pli ideala ol reala. La Korteza Amo estis ĝia plejsupera esprimo, kaj laŭ tiu modelo la virino devas esti ĉasta, prudenta, laborema, honesta, trankvila, bela kaj mirinde klera, kapabla amuzi kaj surprizi sian kavaliron. Evidentas ke tiu modelo estis ellaborita kaj postulita de religiuloj senkonekse kun la realo de la virinoj de tiu epoko. Do, la bildo kiun pri la virinoj oni havis dum tiuj longaj jarcentoj estis tiu de la klerika idearo: malamikeco rilate al la ina sekseco konsiderata kiel respegulo de Eva kaj malsupera laŭ dia decido. Laŭ la doktrino de Sankta Aŭgusteno, Eva estis kreita por helpi Adamon en la naskado de idaro. La opinio de Sankta Tomaso de Akvino estis tre simila. Laŭ li, Dio kreis la virinon ne por helpi la viron sed nur cele naski filojn: ina pasiva rolo kaj vira aktiva rolo. Neeviteble, la eklezia ideo pri la geedzeco estis ambivalenca, ĉar se unuflanke la seksaj interrilatoj estis rigardataj kiel lascivo-peko, aliflanke estis evidente ke nur per tiu rimedo oni povus garantii la pluekzistadon de la homaro. Tial, la geedza institucio estis konceptita ĉefe kiel iu maniero ordigi la seksrilatojn kaj tial, ĝia sola celo kaj kialo, samkiel tiuj de la virino, estis la filar-naskado. Ĉiukaze, la religia leĝaro pri la geedza vivo estis tre strikta, devigante la viron kaj virinon abstini en tagoj ekzakte precizitaj. Ĉiu ajn devio tiusence, samkiel la ĉeesto de “karna deziro” en la seksrilatoj signifis gravan pekon kaj, en

iuj okazoj, adult-peko. De vidpunkto de la moralo, la Eklezio influadis ordigante la seksrilatojn, kaj de socia perspektivo la eklezia disciplino deklaris la nedissolveblecon de la geedza paro. La spaco de la virinoj estis la privata interno de la domoj kaj monaĥejoj. Ili devis esti sobraj en la vestado, pudoraj en la interhomaj rilatoj, moderaj en la manĝado kaj trinkado, kaj aktivaj kaj laboremaj en la hejmaj kaj familiaj taskoj. La celo de la submetado de la virinoj al la vira zorgado estis protekti la inan honoron, ĉar kiam la virino eliras el tiu interna spaco kaj, ĉefe, kiam ŝi perdas la edzan protekton, pro foresto au morto de la edzo, ili "riskas kompromiti aŭ rekte perdi la ĉastecon kiun ĉiuj, patroj, edzoj kaj klerikoj, konsideras la plejsuperan bonon de la virinoj". Tial la viroj, "patroj, edzoj, fratoj, predikantoj, spiritaj gvidantoj… partoprenas kun Dio kaj la leĝaro en la malfacila sed necesa tasko prizorgi la virinojn, kiuj, feliĉe, danke al iu saĝa decido de la naturo pro iu dia dispozicio, troviĝas de ĉiam submetitaj al la aŭtoritato de siaj kunuloj". Oni povas kompreni ke se tiel rigoraj estis la kontraŭ-inaj dispozicioj montras ke la ina submetiĝo ne estis laŭnature sed nur laŭkulture. Kompreneble la leĝaro de tiutipa socio estis tre severa por la adultulinoj. Ĉi ties edzoj mem povis punmortigi ilin. En la kadro de tiel strikte ĉirkaŭlimigita spaco, la virinoj kiuj emis, se ne kompleta emancipiĝo, almenaŭ ioman gradon je homa realiĝado, devis disvolvi la econ de la ruzo, kvalito kiun oni povas interpreti tiel de pozitiva vidpunkto: la virino estas inteligenta, viveca, sagaca… kiel de negativa perspektivo: la virinoj estas inteligentaj kaj ruzaj, sed tiu ruzo utilas al ŝi por trompi, ĉefe la edzojn, ĝenerale multe pli naivaj ol ili. Jen ĉi tiu estas, esence, la bildo kiun prezentas la mezepokaj tekstoj.

De socia vidpunkto ni devas fari diferencigon pri la situacio de la virinoj: la nobela virino, la kamparanino kaj la monaĥino. La unua el ili estis la sola, kiu povus ĝui grandajn privilegiojn kaj, kiu, se eble, povus atingi pli grandan rekonon. En la nobela klaso, la virino estis la centro de la hejmo, kie ŝi respondecis ne nur por la zorgado de la geinfanoj kaj ilia edukado, sed ankaŭ pri la organizado de la laboro de la servutuloj, kiuj laboris por ili, pri la kontrolo de la ekonomio kaj dum la foresto de sia edzo, tre ofta en tiu epoko pro la militoj aŭ por tio ke ŝi estis vidvino, ŝi devis mastri, kiel administrantino, decidi anstataŭigante sian edzon. Dume la kamparana virino estis tiu kies vivkondiĉoj estis plej severaj: en la domo ŝi devis zorgadi pri la kuirejo, vestaĵoj, purigado, edukado de la geinfanoj… Ekster la domo ŝi devis okupiĝi pri la brutaro kaj ceteraj kamparaj laboraĵoj. Same, la inoj de la naskiĝanta etburĝaro devis okupiĝi, ankaŭ ili, pri la zorgado por ŝia familio kaj hejmo, helpi la edzon en la negocaj aŭ oficaj taskoj… Tiuj kiuj devis labori eksterhejme ricevadis salajron rimarkinde pli malaltan ol tiu de la viroj, eĉ se ili faris saman laboraĵon. La virina salajrata laborado estis tre ofta en la kazo de la fraŭlinoj kaj la vidvinoj, ĝenerale en hejma servo, ankaŭ en ŝpinad-laboro, lavado kaj kuirado, sed ankaŭ en la kamparo kiel braklaboristinoj aŭ salarulinoj. Kaj fine estis la virinoj kiuj decidas dediĉi sian vivon al la religia servo. Temas, en iuj kazoj, pri virinoj kiuj pekis kaj volis elaĉeti sin; en aliaj kazoj temis pri sen-dotaj filinoj kiuj ne volis vivadi koste je pliaĝa frato aŭ fratino, aŭ virino kiuj vidis la monaĥejon kiel eskapo el nedezirata geedzeco kiun la familio volus altrudi al ili. Ĉi tiuj virinoj estis tiuj kiuj pli da atenton ricevis far la historiografio, rezulte de la specialaj kondiĉoj de la monaĥejoj kaj la relativa libereco kiun oni ĝuis en ili. Krom tiuj sociaj tipoj je virinoj, estis ankaŭ specialaj kazoj kiel tiu de la beginoj, t. e. religiulinoj apartenantaj al apartaj sektoj, kiel la kataroj, albigensoj, k. s. kiuj ne sekvis la kredaron de la oficiala religio. Same, en la epoko de la Reformacio, kvankam la ĉefroluloj de la afero estis viroj: Lutero, Kalvino k. a., ne mankis grava virina interveno, favore aŭ kontraŭ la novaj religiaj ideoj.

Ĉar, spit' al ĉio dirite, en la Okcidenta socio de tiuj jarcentoj estis iu kontraŭdiro kiu, eble, estis la ĝermo de la iompostioma evoluado direkte al la ina emancipiĝo. Se, unuflanke, la leĝaro kaj la dominanta ideologio proklamadis la malsuperecon de la virinoj, aliflanke la kristanismo kiun la Eklezioj de la sistemo pretendis servi kaj konservi havis kiel internan ideon la homan progresadon, solidarecon, konkordon, kunsenton, egalecon, samrajtecon… tiu interna ideo estis kvazaŭ semo destinita ĝermi aŭ gisto destinita fermentigi. Ĝi bezonis nur tempo por ĝermi aŭ fermentigi, kaj la 14 jarcentoj kiujn ni kontemplas konstituis la tempan kadron de tiu procezo de progreso de la kulturo, la scienco, la idearo, la klaskonscio kaj ankaŭ la ina genr-konscio. Ekzemple, la fakto ke, laŭ la kristana doktrino, la familio devas esti monogamia, markas ian grandan diferencon, ankoraŭ ekzistanta nuntempe, inter la socioj inspiritaj en tiu modelo kaj iuj tradiciaj kulturoj kiujn ni pritemis. Estis tre decida la influo de la kristanismo en la defendo de la vivo-rajto de la infaninoj, kiuj en la romia socio estis forlasitaj laŭ nombro multe pli granda ol la infanoj. De la jaro 390 la civila leĝo estis demetinta el la patroj la rajton pri la vivo de ties gefiloj. La respekto al la geinfanoj, al la virinoj kaj al la sklavoj etendiĝis kun la kristanismo. La kristana geedzeco estos tre decida institucio por plibonigi la situacion de la virino en la familio. Malaperis ankaŭ la socia "stigmo" kaj la diskriminado kiu ekzistis en la socio rilate al la fraŭlinoj kaj la vidvinoj. Oni proklamis la liberecon de la virgulinoj por sekvi la religian alvokiĝon, foje kun forta familia opono. Pliboniĝis ankaŭ la vivo de la vidvinoj, kiuj estis prizorgitaj de la socio kaj kunlaboradis en religiaj kaj sociaj taskoj.

Eĉ en la feŭdeca socio la virinoj povis posedi kaj administri feŭdojn, iris al la krucmilitoj, regadis, kaj iuj sukcesis havi grandan politikan, ekonomian kaj socian povon pro siaj posedaĵoj, parenceco aŭ negocoj. Multaj reĝinoj aŭ nobelinoj de Eŭropo decide influis en la konverto de siaj edzoj kaj familianoj, kiun sekvis tiu de iliaj regatoj, el la paganismo aŭ el la arianismo: Klotildo de Francio, Teodozia kaj Ingunda de Hispanio, Berta de Kent, Ethelburga de Nordhumbrio, Eduviga de Silezio, Olga de Kievo, Eduviga kaj Dambrosuka de Polujo, Sarolta de Hungario, Teodolinda… Iuj reĝinoj kaj nobelinoj decide influis ankaŭ en la ekleziaj reformoj, kaj foje ankaŭ en la papoj por konsili aŭ korekti ilin, ekzemple Matilda de Toskanio, la imperiestrino Agnesa de Germanio, Sankta Birgita de Svedio, Sankta Katarina de Sieno, Sankta Margareta de Skotlando, Johana de Arko, Hildegarda de Bingen… Iuj kontribuis mildigi la akrecon de la mezepokaj konfliktoj kaj militoj: Margareta de Francio kaj Eleonoro de Kastilio, inter aliaj. Ekzistas interesaj biografioj de Eleonoro de Akvitanio, Blanka de Kastilio, Anna de Kievo, Kristina de Pizano, Maria de Francio, Katarina de Medi-ĉo…Ne ĉiuj estis virtaj kaj noblaj inoj; en tiuj jarcentoj estis ankaŭ virinoj kies ruzo kaj kapablo adresiĝis al la celo de ambicioj kaj ne hezitis ordoni kaj inspiri perfortajn agojn, sed ĉiukaze temas pri famaj virinoj kiuj pruvis ke en mondo de viroj ankaŭ ili kapablas agadi kiel viroj. T. e. reĝinoj kiuj kapablis reĝi kiel la viraj reĝoj, same ruze aŭ malsaĝe, same kruele aŭ kompateme, same ambicie aŭ sindoneme… sanktulinoj ne malpli piaj ol la viraj sanktuloj, abatinoj kaj teologinoj tiel aktivaj kaj eminentaj kiel la viroj dediĉitaj al tiuj aferoj, Johana de Arko estis tiel karisma milita liderino kiel multaj famaj militistaj viroj, estis ankaŭ feŭdsinjorinoj kiuj mastradis siajn terojn same efike aŭ mallerte kiel la patroj aŭ la edzoj de kiuj ili heredis. Ĉar la pli malpli alta rango kiun la virinoj ĝuis dependis, preskaŭ ekskluzive el la klaso kaj la familio al kiuj ili apartenis. Cetere la samon oni povas diri pri la viroj; la klasa situacio difinis la destinon de ĉiuj personoj en mezepoko kaj en ĉiu epoko, sed en la kazo de la viroj la socia emancipiĝo kvankam lanta dum longa tempo, iome plirapidiĝis dum la 17-a kaj 18-a jarcentoj, kaj en la kazo de la virinoj la evoluo estis eĉ pli lanta, preskaŭ neperceptebla sed tamen reala. Ambaŭkaze la protagonistoj mem de la procezo ne konsciis pri la ŝanĝo kiun ili estis travivantaj.


En decidaj historiaj procezoj, kiel la Franca Revolucio, la virinoj rolis apud la viroj laŭ la necesoj de la homa emancipiĝo kaj la irado al pli altaj pintoj de justeco kaj libereco.

La edukado estas unu el la kampoj kie la virinoj havis ian spacon en Mezepoko. Estante plejparto el la loĝantaro analfabeta, estis la virinoj tiuj kiuj respondecis pri la transdonado de la kulturo kaj la konoj al la gefilaro. Se temi pri la nobelinoj, hodiaŭ oni scias, ke plej multaj el ili kultivis scion: legadon, skribadon, foje fremdajn lingvojn, iome da scienco kaj muziko, ĉefe ekde la epoko de Renesanco. Kompreneble, la aliro al edukado por la plej malaltaj klasoj estis multe pli komplika, ĉefe en kamparaj lokoj. Ĉiukaze kaj sendepende de la scio kiun ili havis aŭ la socia klaso al kiu apartenis, la inoj estis instruitaj pri religio kaj la maniero organizi la hejmon. La plebaj knabinoj estis instruitaj pri kudrado, ŝpinado kaj laboroj de agrokulturo kaj best-bredado, kaj se ili havis familian negoco, ankaŭ pri la koncernaj taskoj. La nobelinoj krome devis lerni rafinitajn manierojn por trakti kun samranguloj. Pri la edukado, la monaĥinoj estis la plej bonŝancaj inter ĉiuj virinoj ĉar ili povus eĉ koni la latinan kaj grekan lingvojn kaj sekve legi kaj skribi. Iuj monaĥaj virinoj elstaris en tiu tereno. Hildegarda de Bingen kaj Gertrudis de Helfta ludis sufiĉe gravan rolon en la teologia kulturo de ilia epoko. Alia tereno en kiuj elstaris la mezepokaj virinoj estis la familia kuracado. Ĉefe inter la kamparanaj virinoj abundis tiuj kiuj bone konis pri plantoj kaj rimedoj por la traktado de malsanoj.
Laŭ oni povas percepti deperspektive oni konkludas ke, ja, decida faktoro de la malrapida sed tamen firma progresado de la genr-konscio de la virinoj estis la loko kiun ili okupis en la sino de la familio de la Okcidenta socio. Temis pri ina situacio, kiu, ni ripetas, ne ekzistis en la tradiciaj kulturoj. En Okcidento la virinoj estis enfermitaj en la hejmo, sed ene de la hejmo ili havis rolon de mastrinoj, decidan influon en la edukado de la idaro. Tiu fenomeno estis aperinta jam en la romia socio kvankam poste plipotenciiĝis en la kristana socio; ĝi estas specifa trajto de la Okcidenta socio.
Resume, oni povas diri ke la longa periodo de la kvina al la dekoka jarcentoj en la Okcidenta socio estis plena je lumoj kaj ombroj en kio rilatas al la situacio de la virinoj kaj ĉi ties ebleco je emancipiĝo. Sed, eĉ se lantece, la progresa procezo en tiu tereno ekzistis paralele al la socia progreso en la klasbatalo. Fakte, la inoj estis aktivaj partoprenantoj apud la viroj en la bataloj por la atingo de la sociaj kaj politikaj rajtoj: ilia rolo en tiu procezo ne estis subordiĝo al la viroj sed de kunrolado apud ili.





Kontraste al la tradiciaj kulturoj, kiuj enfermas la virinojn en serajlajn mediojn kie ilia personeco estas tute nuligita, restante kiel nura objekto de servo al la viraj mastroj, en la Okcidenta kulturo, spite al la interseksa malegaleco kaj la ina submetiĝo al la viroj, la virinoj povis roli samkiel viroj en mondo de viroj, por bono kaj malbono, sukcesoj kaj fiaskoj, saĝaj decidoj kaj eraroj, krimoj kaj sublimaj agoj... Ja, en ĉi tiu kulturo, en la homa komedio kiun kutime oni nomas "historio", ĉiam la virinoj etis kunrolulinoj de la viroj implikitaj en ĉi ties aferoj. La senhalta procezo de emancipiĝo de la inoj en tiu kulturo estas esprimo kaj rekta rezulto de tiu realaĵo.
















# La virinoj konkeras la civitanecon

Ni jam notis ke la Granda Franca Revolucio estis esprimo de klara ŝanĝo de epoko kaj granda salto antaŭen en la evoluo de nia t. n. Okcidenta socio ne nur en kio rilatas al la tekniko, la ekonomio kaj la klasrilatoj sed ankaŭ en la afero de la ina emancipiĝo. La Revolucio ne estis subita kaj ne-atendita okazaĵo. Multaj signoj anoncis ĝin, kaj la kondiĉoj por ĝia eblo estis maturiĝante dumlonge. Krome oni devas ne forgesi kaj jam unu jarcenton kaj duonon antaŭe estis okazinte en Anglujo simila socia elpaŝo kiu, eĉ se ĝi estis malpli profunda en la ŝanĝoj, tamen signis la direkton kiun la Historio estis prenante. En la preparado de tiuj ŝanĝoj la virinoj ludis apud la viroj rolon ne malpli gravan ol tiu de siaj kunuloj. Same okazis dum la Revolucio mem, kaj tio indikis ke ankaŭ en la post-revolucia etapo la virinoj daŭre estus protagonistoj de la Historio. La revolucioj okazas ĝuste pro tio ke la ideoj kiuj inspiras ilin jam estis venkintaj en la homaj mensoj, kaj la konkretiĝo, en la realo, de tiu venko devas okazi, foje sufiĉe malrapide post la revolucia etapo.

La Kler-Movado kaj la Revolucio naskis la proletaran klas-konscion kaj la feminismon, sed ankaŭ ĉi ties unuan malvenkon. La afero de Babeuf kaj la Konspiro de la Egaluloj estis esprimo de la revolucia fiasko de la proletaro, kaj en la kazo de la feminismo estas rimarkinda la kazo de Olimpia de Gouges. Tiu pionirino de la feminismo verkis en 1791 la Deklaracion de la Rajtoj de la Virinoj kaj de la Civitaninoj. En ĉi ties 10-a artikolo la franca aktivistino deklaris: «La virino rajtas esti kondukita al eŝafodo kaj, same la rajton suriri la podion…» Kaj ĝuste tio okazis. Olimpia estis gilotinita en 1793, kvankam neniam ŝi suriris ian ajn podion kaj ne tial ke ŝi ne klopodis fari tion. Dum la Franca Revolucio la virinoj devis konstati la paradokson ke la nova revolucia ŝtato enportis la kontraŭdiron solene proklami la universalan egalecon kaj lasi sen civilaj rajtoj ĉiujn virinojn.

La interklasaj kontraŭdiroj daŭre okazadis eĉ post la finiĝo de la revolucia elpaŝo, kaj la reago de la virinoj eĉ pli malfrue. Krome la burĝaro mem plu devis batali kontraŭ la aristokrataro laŭlonge de la 19-a jarcento por plifirmigi la kontrolon de la povo kiun ĝi estis konkerinta post 1789. Kaj la proletaro kiun la revolucia industrio generis devis siavice batali por atingi siajn civitanecajn rajtojn. Ja, la rajton voĉdoni nur iom-post-iom estis agnoskita al la viroj de la malaltaj klasoj, kaj komence ĝi estis neita eĉ al la virinoj de la altaj klasoj.

Ja, la sociaj kaj politikaj movadoj okazintaj laŭlonge de la 19-a jarcento celis pliajn laborajn kaj politikajn rajtojn por la viroj, flankenlasante la virinojn, ekzistante notinda interseksa diferenco tiel en la leĝa tereno kiel en la instruado, restante la inoj en ia duaranga rolo en la socio, estante la sola socia rolo de la virinoj konservi la ekvilibron en la familio kaj en la hejmo. Tial, la edukado kiun la virino ricevadis estis dediĉita nur al la alfabetigado, la kristanaj valoroj por ke ŝi estu bona edzino kaj patrino, kaj la laboraĵoj de kuirado kaj hejma mastrado. Oni ne celis saĝan virinon, sed virinon kiu ludus sian rolon en la socio. Krome, edziniĝinte la virino perdis eĉ sian rajton administri siajn propraĵojn, restante jam tute dependanta el la edzo, devigita peti al li permeson por la realigado de ĉiu ajn negoco. La fraŭlinoj, tamen, tiorilate havis rajtojn similajn al tiuj de la viroj por subskribi kontraktojn kaj establi negocojn.

Tiu burĝa konceptado de la rolo de la virino respeguliĝis en ĉi ties vestaro; la ina aspekto devis signi la priekonomian rangon de la familio. Gravis ankaŭ la kondut-maniero de la inoj. Tiuepoke estis virina modo manĝi malmultege kaj paroli malfortege. Kompreneble, ĉio-ĉi favoris la konceptadon de la virino kiel la "febla sekso" kaj laŭnecese subordigita al la viro. En la labora vivo la virino povis okupi nur iujn laborlokojn, ĉefe en la teks-industrio kaj en la tabakfabrikoj, ne permesante al ŝi okupi aliajn postenojn kiuj estis destinitaj nur por la viroj, kaj konsiderante ŝin ĉiam kiel malmultekosta laboristaro, ĉar, krome, se virino faradis saman laboron ol viro, ŝi ricevadis

duonan salajron. Oni konsideris ke la ino havis malpli grandan produktad-kapablon ol la viro.
Kaj kiel dirite, la ina duarangeco respeguliĝis ankaŭ en la tereno de la politikaj rajtoj. Komence la konkeraĵoj de la proletaro en la afero de la voĉdonrajto konkretiĝis nur por la viroj. Kompare al la proletara klas-batalo, la feminista aktivado komenciĝis iome malfrue, sed ne tre, kaj krome la unuaj signoj de virina mobilizado okazis ne en Eŭropo sed en Usono. Iome paradokse la ekmobilizigô de la usonaj inoj ne estis pro ilia specifa genra aŭ seksa problemaro sed ilia sentiveco rilate al la maljusteco de la sklaveco. La usonaj virinoj jam estis batalintaj apud la viroj por la sendependiĝo el Anglio. Tiu aktivado alportis al ili sperton en la civila batalado, en la politikaj kaj sociaj aferoj, kaj utilis ankaŭ por ke ili ekkonsciiĝu pri sia propra opreso, tiom simila al tiu de la sklavoj. La fratinoj Sarah kaj Angelina Grimké, el iu familio kiu posedis sklavojn, estis la unuaj aktivistinoj en la movado por la abolo de la sklaveco kaj poste aktivadis ankaŭ favore al la ina emancipado.
En la Tutmonda Kontraŭsklavisma Kongreso okazinta en Londono en 1840, kvar virinoj membris ĉe la usona delegitaro. La Kongreso ne akceptis ilin kaj malpermesis ilian ĉeeston en la labor-sesioj. Tiu fakto estis decida faktoro por ke vekiĝu la ina konsciiĝo pri sia situacio de socia duarangeco. La delegitinoj revenis el Londono en Usonon humiligitaj, indignitaj kaj deciditaj entrepreni la batalon por la agnosko de siaj propraj rajtoj kiel virinoj. Speciale bataladis en tiu fronto la kvakerinoj Lucretia Mott kaj Elizabett Cady Stanton. Ĉi lasta kunvokis la 19-an kaj 20-an de julio de 1848 iun t. n. “Konvencio por la virinaj rajtoj”. La Deklaracio rezultinta el tiu debato estis iu el la unuaj feministaj politikaj programoj. La teksto estis unuanime aprobita kaj subskribita far ĉiuj delegitoj, 68 virinoj kaj 32 viroj, escepte unu klaŭzo, tiu per kiu oni postulis la voĉdon-rajton por la virinoj; tiumomente tio ankoraŭ ne estis iu klara depostulo por ĉiuj. Sed depost tiu dato la usonaj virinoj organizite bataladis por la atingo de siaj rajtoj intencante enkonduki Konstitucian korektaĵon kiu rajtigus virinan alirecon al la voĉdonado. Samkiel la francinoj dum la revolucio de 1789, la usonaj sufragetinoj estis perfiditaj. Spite al ilia laborado kontraŭ la sklaveco, kiam en 1866 oni koncedis la voĉdonrajton al la jam eks-sklavoj, oni eksplicite rifuzis ĝin al la virinoj. La Konstitucia korektaĵo estis nur por la viroj liberigitaj el la sklaveco. Eĉ ne la kontraŭsklavisma movado volis apogi la voĉdon-rajton por la virinoj. Ĉi tiuj venis al la konvinko ke nur per sia propra penbatalado ili povus atingi sian celon. Naskiĝis pluraj virinaj asocioj kiuj dediĉiĝis al sinsekvaj kampanjoj en la diversaj ŝtatoj de la Unio, kaj en la jaro 1869 Vajomingo (Wyoming) estis la unua ŝtato kiu agnoskis la inan voĉdon-rajton. Sed la batalado devis daŭri pluajn jardekojn ĝis kiam, en la jaro 1920, jam post la Unua MondMilito, la voĉdonado de la virinoj iĝis laŭleĝa en ĉiuj usonaj ŝtatoj.
Sed tiam la movado de la sufragetinoj jam estis etendita al aliaj landoj. La sufragetismo estis ia epika movado en kiu la virinoj elmontris sian kapablon kaj sian persiston. Tiu movado de internacia agitado okazis en ĉiuj industriaj socioj kaj havis du konkretajn celojn: la voĉdon-rajto kaj la rajto pri eduko, kaj atingis ambaŭ post okdek-jara periodo, t. e. persista batalado de tri generacioj. La sufragetista movado faris gravajn alportaĵojn al la formoj de socia batalado. La sufragetismo sin vidis devigita interveni en politikon de ekstere, atentigante pri sia celo kaj per ne perfortaj manieroj. Do, ĝi devis elpensi kaj provi novajn plendo-formojn. Kaj sukcesis; la sufragetismo inventis la manifestaciojn, la interrompadon de oratoroj pere de insistaj demandoj, la malsat-strikadon, la mem-enkatenigon, la eldonadon de plendpamfletoj… ĉiuj ili estis pacaj formoj de socia batalado kiuj poste estis adoptitaj de la sindikatista movado kaj aliaj.
En Britio la unua peto je voĉdon-rajto por la virinoj estis prezentita en la Parlamento en aŭgusto de 1832. Tri jardekojn poste, en junio de 1866 Emily Davies kaj Elizabeth Garret Anderson prezentis en la Malalta Ĉambro alian ***Virinan Peton*** subskribitan de 1.499 virinoj. Tial ke oni rifuzis tiun peton, la virinoj kreis iun permanentan movadon: la Nacia Societo favore al la Virina Voĉdon-rajto, liderita de Lidia Becquer. La sekvan jaron, kiam oni estis debatante reformon de la pribalota leĝo cele pligrandigi la nombron da plenaĝaj viroj kun rajto voĉdoni, oni proponis korektaĵon por anstataŭi la vorton «viro» per «persono», kio ebligus la voĉdonadon de tiuj inoj kiuj troviĝus en samaj kondiĉoj postulitaj al la viroj. La propono estis rifuzita.
La britaj sufragetinoj havis du virajn alianculojn: John Stuart Mill kaj Jacob Brigt. Ĉi lasta estis iu parlamentano kiu insiste kaj senlace prezentis foj-postfoje proponojn en la Malalta Ĉambro cele atingi la politikan rajton de la virinoj. En 1867 Jacob Brigt asertis ke se la mitingoj estos senefikaj, se la konkreta kaj preskaŭ universala esprimo de la opinio influas nenion sur la Administracio kaj sur la Parlamento, neeviteble la virinoj serĉos aliajn metodojn por certigi al si la rajtojn kiujn senĉese oni rifuzas al ili. Li ne eraris; kvankam la anglaj sufragetinoj persistis dum pluaj kvardek jaroj defendante siajn postulojn per laŭleĝaj metodoj, en la jaro 1903, lacaj de tio ke oni ne atentis pri iliaj postuloj, ili pasis al pli akraj manieroj. Ili dediĉiĝis interrompi la diskursojn de la ministroj kaj prezentiĝi en ĉiuj kunsidoj de la liberala partio por formuli siajn postulojn. Ili estis forigitaj el tiuj aktoj far la polico kaj oni trudis al ili mon-punojn, kiujn ili ne pagadis, kaj pro tio ili estis enkarcerigitaj, sed kiel komunaj, ne kiel politikaj prizonulinoj kiuj postulas siajn rajtojn.

Eĉ enkarcerigitaj, ili ne rezignis sed entreprenis malsat-strikon. Tiumomente estis centoj da sufragetinoj en la malliberejoj. La ĉefministro Gladstone ordonis nutri ilin kontraŭvole. Tiuj unuaj jardekoj de la 20-a jarcento vidis la radikaliĝon de la sufragetista movado. En julio de 1913, Emmeline Pankhurst, prezidantino de la Nacia Unio de Sufragetinoj, estis kondamnita al tri jaroj da pun-laboroj. En tute ŝi estis arestita sep-foje. Dum tiuj jaroj la sufragetinoj plenumis serion da perfortaj agoj kontraŭ diversaj publikaj konstruaĵoj, kvankam ili neniam realigis personajn atencojn kaj neniu rezultis vundita rezulte de iliaj protestoj. La sola viktimo de tiu mobilizado estis iu sufragetino, Emily Wilding Davidson, en la hipodromo de ***Epsom Downs***, la 4-an de junio de la jaro 1913. Tiutage oni estis festante la ĉiujaran ĉevalan konkuron ***Derby Day***. Dum la konkurado saltis sur la arenon iu virino kaj intencis reteni per la brido la reĝan ĉevalon. Ŝi ne sukcesis tion fari, la besto piedbatis ŝin kaj la ino restis grave vundita kaj mortis post kvar tagoj. Emily Davidson estis iu aktiva sufragetino kiu iĝis martirino perdante la vivon intencante atentigi pri la peto de voĉdon-rajto por la virinoj. Ŝia funebraĵo estis granda feminista akto en la stratoj de Londono. La anglaj sufragetinoj estis batalante tiucele de antaŭ sepdek jaroj senrezulte.


Tragika fino de la angla feministino Emily Wilding Davidson.

Tamen eĉ ne la sinofero de E. Davidson sufiĉis por atingi tiun rajton, kaj la mobilizado ne ĉesis. La sekvintan jaron komenciĝis la Unua MondMilito. La reĝo Georgo la 5-a amnestiis ĉiujn sufragetinojn kaj mendis al ĉi ties liderino Emmeline Pankhurst la rekrutadon kaj organizadon de la virinoj por anstataŭi en la laborejoj la virojn kiuj estis rekrutitaj por la armeo. Fine, la 28-an de majo de la jaro 1917 estis aprobita la leĝo por la virina voĉdonado kiel kompenso pro ilia servado dum la milito. Sed la anglinoj devis atendi pluajn dek jarojn por ke la kondiĉoj de ilia voĉdonado estu la samaj ol tiuj de la viroj ĉar laŭ la unua leĝo povus voĉdoni nur tiuj virinoj aĝantaj pli ol 30 jarojn. Nur ekde 1927 la anglaj virinoj pli aĝaj ol 21 jaroj, same kiel la viroj, povas elekti kaj esti elektataj.

Rimarkindas la paradokso ke dum la britaj feministinoj pene kaj sen sukcese bataladis por la akiro de tiu rajto, ĝi jam estis koncesiita ekde 1893 en la brita kolonio Nov-Zelando. Ankaŭ en alia brita kolonio, Aŭstralio, estis laŭleĝa la ina voĉdon-rajto ekde la jaro 1902. Kaj en aliaj landoj, Finlandio ekde 1906, Norvegio ekde 1913 kaj Danlando ekde 1908 (por la virinoj pli aĝaj ol 25 jaroj, kaj ekde 1915 por ĉiuj plenaĝaj inoj). Poste en la jaro 1918 sekvis Irlando, Polujo, Georgio kaj Rusujo, en 1919 Islandio, Luksemburgo, Belgio, Germanio, kaj Nederlando, en la jaro 1920 Aŭstrio, Hungario, Usono, Ĉeĥoslovakio, Ekvadoro, en 1931 Hispanio kiam la Respubliko anstataŭis la monarkion. Sekvis poste, ĉefe post la Dua MondMilito, multaj aliaj landoj, eĉ en terzonoj kun tradiciaj, ne-Okcidentaj kulturoj sed subinflue de ĉi tiu civilizacio kaj ties valoroj. Kompreneble, la batalo de la virinoj en la ceteraj landoj ne devis esti tiel intensa kiel la priskribita de Usono kaj Anglio, sed nedudeble la batalo de tiuj pionirinoj utilis por ke la virina voĉdon-rajto iĝus universala valoro.

La sufragetinoj depostuladis ne nur la voĉdon-rajton. Ili estas konataj ĉefe pro tiu celo ĉar unue pli emfazis pri ĝi. Ili esperis ke post ĝia atingo, eblus aliri al la egaleco en aliaj aferoj. La feministinoj de tiu epoko postuladis por la virinoj ankaŭ la rajton libere aliri al la superaj studoj kaj al ĉiuj profesioj, la civilaj rajtoj, kunhavi la patran aŭtoritaton sur la gefilaro kaj administri siajn proprajn posedaĵojn. Ili denuncis tion ke iliaj edzoj estus la administrantoj de la geedzaj posedaĵoj, eĉ tio kion ili gajnis per sia laborado. Fakte, ĉiu edzo povus «luigi» sian edzinon por iu laboro, kaj enspezi kaj administri ŝian lu-prezon. Ili depostuladis ankaŭ egalan salajron por egala laboro. Krome, sub la flago de la sufragetismo aŭ feminismo povis unuiĝi ĉiuj virinoj sendepende de ilia ekonomia situacio, socia klaso aŭ politika opinio, ĉar la postulo de voĉdon-rajto estis komuna al ĉiuj ili. La feminista konscienco estis tre disvastigita: ĉiuj estis marĝenitaj nur pro tio ke ili estis inoj.

Okazas ke en la 19-a jarcento estis ia kurioza kontraŭdiro. Unuflanke, la virinoj restis dividitaj. Per la alveno de la kapitalismo, la virinoj aliris al la industria laboro ĉar ili estis labor-forto pli malmultekosta kaj malpli depostulema ol la viroj. Sed aliflanke, en la burĝaro, t. e. la plej riĉa kaj potenca soci-klaso, la virinoj restis enfermitaj hejme. Oni ne permesis al ili labori, ili pli kaj pli restis kiel objekto kies rolo estis nur simboli la povon de siaj edzoj. Ju pli bela la virino estus, des pli bone. Edziĝinintaj, ili ne havis rajtojn; fraŭlinoj, ili estis socie punataj kaj rifuzataj. Sed spite al tia situacio de klasa kontraŭdiro kaj malsamaj roloj, la virinoj komencis organiziĝi. Per la sufragetismo la feminismo aperis unuafoje kiel socia movado kun internacia karaktero, kun aŭtonoma, teoria kaj organiza identeco. Krome la feminismo okupis gravan lokon apud aliaj sociaj movadoj: la socialismo kaj la anarkiismo. Ne nur estis la gilotino kaj la Napoleona Kodo; por silentigi la postulojn je libereco de la virinoj oni faris la monumentan konstruaĵon de la romantika mizogineco. Por ĝin establi, la ĉefaj pensuloj de la 19-a jarcento teoriadis pri la

kialo de tio ke la virinoj devus esti marĝenataj. Do, al ĉio jam dirita de Johano-Jakobo RUSEO (Rousseau), aldoniĝis la teorioj de Georgo Vilhelmo Frederiko HEGELO (Hegel), Arthur ŜOPENHAŬERO (Schopenhauer), Soren KERKEGORO (Kierkegaard), Friedrich Wilhelm NIETZSCHE… kiuj krome influis sur ĉiuj kampoj de la scio kiuj, paradokse, estis komencante novan epokon sub la gvido de la «racio». Ili tre multe emis konstrui en siaj teorioj, kaj eble en siaj deziroj, domajn princinojn, feblajn, obeemajn kaj pasivajn virin-patrinojn. Do, kiam la laboristinoj komencis depostuli siajn rajtojn, oni ne bone sciis kion fari kun ili. La laboristinoj reprezentis anomalion kiun oni ne sciis pritrakti. Ili estis problemo ĉar akordigas la feminecon kun la salajrata laboro kaj partoprenas tiel en la reproduktado kaj la privata medio kiel en la industria produktado, t. e, la publika medio. Kun ili aperas novaj demandoj: Ĉu akordigeblas la salajra laboro kun la virinoj? Ĉu oni devus meti limojn? Kia laborist-tipo estas iu virino? Ĉu ŝi devus ricevi saman salajron ol iu viro?

Ĉi-ĉiujn demandojn devus respondi la mizoginoj, la leĝo-farantoj, ankaŭ la feministoj. Cetere la feminismo kontaktis en la tempo, foje kontraŭdire, foje kunlabore, kun aliaj movadoj. Estas socialistoj kiuj kontraŭas la inan emancipiĝon tiom obstine kiom la kapitalistoj kontraŭas la socialismon. Ĉiu socialisto rekonas la dependecon de la laboristo rilate al la kapitalisto, sed ofte ne rekonas la virinan dependecon rilate al la viro. Kun la socialismo ekas nova pensofluo ene de la feminismo. Meze de la 19-a jarcento komencis elstari la socialismo de marksisma inspiro. La komenca altiro inter marksismo kaj feminismo estis reciproka. Ambaŭ estas kritikaj teorioj kiuj volas ŝanĝi la realon tra la politiko. Sed estis ankaŭ diferenco inter ambaŭ movadoj ĉar la marksismo, kiu centriĝis en la atento pri la interklasa ekspluatado, ne kapablis vidi alitipan ekspluatad-sistemon: la patriarkeco, la superregado de la viroj sur la virinoj. Do, Markso kaj Engelso priskribas la opreson sur inoj kiel nura ekonomia ekspluatado. Markso apenaŭ atentas pri la emancipiĝo de la virinoj, kaj kiam priskribas ĝin estas kiel nura apendico de la emancipiĝo de la proletaro. Engelso pliprofundigis en la aferon per sia verko «***La origino de la familio, la privata propraĵo kaj la Ŝtato***». Per ĝi, li asertas ke la origino de la ina subpremo ne estas biologia sed socia, konkrete la apero de la privata propraĵo kaj la elpelo de la virinoj el la socia produktado. Laŭ ĉi tiu analizo, la emancipiĝo de la virinoj estos ligata al sia ekonomia sendependiĝo. Bebelo pli atentis pri la egalrajteco kaj la virina voĉdonado kvankam li ne aliris ĝis la fina konkludo pri la ina libereco. Laŭ li, en la estonta socialista socio la virinoj plenumus taskojn akorde kun ties kapablo, sed li insistis ke la inaj taskoj estus malsamaj ol tiuj de la viroj. Li estis influita de la ideo ke la virinoj estas adaptitaj ***laŭnature*** al la patrineco kaj la vartado de la gefilaro kaj ke, fakte, ili estas emociaj kaj fizike ne taŭgaj por la peza manlaboro, kiu detruas ilian feminecon. Sed estis ene de la marksisma movado virinoj kiel Klara Zetkin kiuj establis la bazojn de la kongruo de la ideoj komunistaj kaj feministaj. Laŭ ŝi, la baza alportaĵo kiun la marksismo faras al la ina emancipiĝo estas defendi ke la virinoj devas eniri en la produktadprocezon. Sed ne la tuta laborist-movado konsentis kun tiu ideo. Fakte Klara Zetkin havis problemojn eĉ ene de sia propra partio, kiel montras jena skoldo de Lenino al ŝi:

***Klara, mi ne finis eldiri la liston de ciaj eraroj. Oni diris al mi ke en la legad- kaj debat-sesioj kun la virinoj oni prefere pritraktas seksajn kaj geedzajn problemojn. Kvazaŭ ĉi tiu estus la celo de la ĉefa atento pri la politika edukado kaj la eduk-laboro. Mi ne povis kredi ĉi tion kiam mi aŭdis ĝin. La unua ŝtato de la proletara diktaturo batalas kontraŭ la revoluciuloj de la tuta mondo… kaj dume aktivaj komunistinoj priesploras la seksajn problemojn kaj la aferon de la geedziĝ-formoj en la nuntempo, en la pasinteco kaj en la estonteco!***

Estis evidente ke la «la virina afero» estis pli kompleksa ol tio kion la klasikuloj de la marksismo estis notintaj. Nur asertante ke la virino estis subpremita kaj ke la kialo de tiu subpremado estis la kapitalista sistemo, oni ne aliras al la centro de la problemo. Ĉiukaze disvolviĝis ia sociklasa feminismo apud tiu de la sufragetinoj kaj foje kontraŭfronte al ĉi tiu. Verdire la sola diferenco inter ambaŭtipaj feminismoj estis nur pri strategio, pri prioritatateco. Por la marksistoj la ĉefaĵo, la prioritata afero, estas la socia revolucio; ĉiuj ceteraj aferoj estas «prokrastigitaj celoj». Ne nur la feminismo; ni, esperantistoj, trovis en aliaj movadoj, la marksisma kaj la feminisma mem, saman disdegnon rilate al la lingva problemo, konsiderata de alitipaj movadanoj kiel «prokrastiginda celo». Tial ni estas sufiĉe konsciigitaj pri tio ke la solvo de iu ajn problemo ne devas atendi la solvon de aliaj problemoj. La homaj problemoj ne enviciĝas por ke oni solvu unu post alian; ili prezentiĝas samtempe, kaj samtempe oni devas entrepreni ties solvon. La lingva problemo ne devas atendi la solvon de la virina problemo, kaj ĉi tiu ne povas atendi la solvon de la klasbatalo, kaj ĉi tiu ne devas atendi la solvon de la prisanecaj aŭ la priekologiaj problemoj, kaj ĉi lastaj devas esti alfrontataj samtempe ol tiu de la malsufiĉo de la energi-fontoj.

Sur la fono de ĉiuj ĉi problemoj de nia mondo, la feminismo entreprenis tiun de la situacio de la virinoj. Ilia disvolviĝo dum la 20-a jarcento, foje kunflue kun, foje sendepende de, la alfrontiĝo de aliaj homaj problemoj. Sed tiu jarcento havis notindan daton por la feminisma, kaj aliaj, movadoj. Tiorilate la etapo komenciĝinta ĝuste antaŭ kvindek jaroj, en majo de 1968, meritas apartan atenton.




**Dum unu jarcento kaj duono post la Franca Revolucio, la feminista movado aktivadis en la socio samtempe kiel aliaj movadoj: la kontraŭsklavisma, la anarkisma, la socialista, la komunista, la esperantista… Foje influita de ili, sed samtempe influante sur ili, foje en kunlaboro, foje en kontraŭstaro kun ili. Ĉiuj ĉi movadoj persistas, foje baritaj de la kontraŭdiroj de ĉi tiu kompleksa socio, sed foje ankaŭ venkante tiujn kontraŭdirojn, ĉiam celante antaŭenmarŝadi al socia stato de pli alta libereco, egaleco kaj frateco.**



# Majo-68: La junulinoj grimpas supren

Majo-junio de la jaro 1968. Ĉu revolucio aŭ socia krizo? Socia krizo, sendube, eble ankaŭ revolucio, iamaniere. Ĉiukaze endas klarigi ke ne temis pri politika revolucio, laŭsence de la ĝistiamaj revoluciaj procezoj: Francio 1789-1793, Rusujo 1917… «Revolucio ekstertipa», estis nomata de iuj, tiu de la jaro 1968. Kiam oni mencias ĉi tiun daton oni tuj rilatigas ĝin kun la okazintaĵoj de Parizo dum la monatoj de majo kaj junio de tiu jaro, sed oni devas klarigi ke la tiamaj mobilizoj okazis ankaŭ en aliaj lokoj: en Francio mem (***Nanterre, Nantes, Le Mans, Boulogne-Billancourt***), en aliaj eŭropaj landoj (Germanio, Hispanio, Svisio, Italio, Ĉeĥoslovakio…) kaj ankaŭ en la Amerika kontinento (Meksiko, Usono, Argentino, Urugvajo…). Sed la gestudenta malkvietiĝo de Parizo iĝis simbolo de ĉiuj ceteraj tiutipaj okazintaĵoj dise en la mondo ĝuste pro tio ke la pariza mobiliziĝo estis ŝarĝita de simboloj de rifuzo de multaj aferoj kiuj tiam estis trovante ĝeneralan rifuzon en la Okcidenta socio. Eĉ multaj personoj kiuj, kiel ni, ne troviĝis tiam en la lokoj kie estis okazante la mobilizadon, identiĝis kun kaj sin sentis reprezentataj de la parizaj gestudentoj. Ni priskribu la elementojn kaj valorojn de la Okcidenta kulturo kiuj krizis kaj trovis rifuzon en tiu okazo. Samkiel en la kazoj de aliaj krizoj kaj revolucioj, politikaj aŭ ne, la generiĝo de la ideoj kaj sentoj kiuj provokis la revolucian eksplodon, estis maturiĝinte dumlonge, ofte ne rimarkite, en la kolektiva menso de la socio. La revoluciaj okazintaĵoj estas nur la videbla rezulto de io kio jam estis instalita en la menso de la socianoj.

Ni komencu per la krizo en la ekonomia tereno. Kvankam la iniciativo de la kontest-movado estis de la junaj gestudentoj, en Francio baldaŭ la afero estis kontaĝita al la laboristaro kaj okazis grandaj amasaj strikoj kaj manifestacioj de la gelaboristoj aldone al la studenta mobilizado. Tio ne estus okazinta se ne estus problemoj en la ekonomia tereno. Post jardekoj de ekonomia progreso en Francio, kaj ĝenerale en Eŭropo, en 1968 estis jam aperintaj signoj de ekonomia malboniĝo. Estis kreskante la nombro da senlaboruloj kaj komence de tiu jaro estis jam duonmiliono nur en Francio, kaj estis du milionoj la nombro da laboristoj kiuj, en tiu lando, vidis sian salajron limigitan al la minimuma interprofesia kvanto laŭleĝe garantiita. Tiu ekonomia problemaro efikis ĉefe kontraŭ la junularo. En la eksteraĵoj de la grandaj urboj etendiĝis, ekde la jardeko de 1950, vastaj neregulaj kvartaloj da kabanoj, domaĉoj. La plej granda, kun 14.000 enloĝantoj, estis tiu de Nanterre, situita ĝuste antaŭ la universitato kie ekkomencis la gestudenta kontest-movado.

Sed la ekonomio ne estis la sola, eĉ ne la ĉefa kialo de la socia krizo. Kvankam la socia mobilizado ne celis politikajn transformiĝojn, la politikaj ŝanĝoj okazintaj dum la antaŭaj jardekoj sufiĉe influis en la evoluado de la menso de la civitanoj. La procezo de senkoloniigado transformis la rilaton de la eŭropaj metropoloj kun la ekskolonioj; la kazo de Francio rilate al Argelio kaj Hindoĉinio estis sufiĉe traŭma kaj fonto de perforto en Francio mem. Poste la milito de Vietnamio kaj la venko de la Revolucio en Kubo instigis la progreson de la ideoj de maldekstraro kaj rifuzo de la imperiismo. En la sama direkto influis la tiama disvolviĝo de la Kultura Revolucio en Ĉinio, mise interpretita en Okcidento. Dume en Francio la registaro de Karlo de Golo (De Gaulle) ne estis sufiĉe stabilita, kaj lia maniero regadi estis taksata kiel tro aŭtoritateca. Tiu problemo de la aŭtoritateca regado tiam estis pli akra en Hispanio kaj Ĉeĥoslovakio; tial la socia malkvietiĝo estis rimarkinda ankaŭ en tiuj landoj.

Krom la ekonomia kaj politika situacioj, eble pli gravis en tiu procezo la kulturaj faktoroj. La idearo de iu popolo aŭ ĉiu ajn kolektivo respegulas la teniĝon de la koncerna popolo aŭ homa kolektivo pri si mem: mem-fido aŭ fido pria sia destino kaj alvokiĝo, respekto pri si mem, pritakso de sia propra valoro kaj indeco… Nu, ĝuste tiuj valoroj krizis tiam en la Okcidenta socio kaj tio respeguliĝis en la mobiliziĝoj de Parizo. La maljustaĵoj de la koloniismo kaj la imperiismo, la malegaleco de la kapitalista socio vekis naŭzon en la junularon de tiu socio. Sed dume la socialista-komunista alternativo estis perdante prestiĝon antaŭ la okuloj de tiu junularo. Tiujare mem estis en Ĉeĥoslovakio popola rezisto kontraŭ la komunista reĝimo kaj dek-du jarojn antaŭe estis perforte sufokita en Hungario popola ribelo kontraŭ la koncerna komunista reĝimo. Ĉio-ĉi alportis krizon al la fidantoj de tiu sistemo kiel alternativo al la kapitalismo. La reago de la parizaj gestudentoj de Majo-68 pri tiu realaĵo estis la multaj sloganoj kaj flagoj

de anarkiisma inspiro kiu aperis en la tiamaj manifestacioj. Aliaj sloganoj kiel la fama **MMM** (Markso, Maŭ, Markuso) indikis ke tiuj junuloj serĉis marksismajn modelojn fore de la soveta modelo. Ankaŭ al la kredantoj de aliaj ideologioj ne mankis kialoj por elreviĝo. La Rom-Katolika Eklezio, ĉefa inter la kristanaj tendencoj, estis sekvinta de antaŭ pli ol duonjarmilo reakcian vojon de apartiĝo kaj miskompreno de la progreso de ĉi tiu Okcidenta socio kiu iam estis ĝia kreaĵo. En la antaŭa jardeko, konkrete de 1962 al 1965, estis okazinte grava koncilio per kiu tiu Eklezio volis eki procezon de interkompreno kun tiu socio, sed ankaŭ tiu vojo ŝajnis ŝtopita tiam; ĝuste en tiu jaro 1968 estis farante siajn unuajn paŝoj la t. n. Teologio de Liberigo, kondamnita resti kiel marĝena kaj kompatinda fenomeno en iu angulo de la sistemo. Alia elreviĝo: ĝuste 20 jarojn antaŭe, en 1948, la judoj estis sukcesintaj krei, post 19-jarcenta diasporo, novan ŝtaton de Israelo en la tero kiun sia tradicio konsideras la lulilo de tiu popolo. Sed tiu historia elpaŝo ne okazis senmilite, kaj depost tiam okazis pluaj militoj. Ĝuste unu jaron antaŭe, en 1967, la israelanoj estis atinginte gravan militan vekon kontraŭ tri najbaraj arabaj landoj, sed tio tute ne signifis la finon de la militado. En la pariza mobilizado de la gestudentoj aperis ankaŭ sloganoj rilate al tiu konflikto kaj favore al la rajtoj de la palestinanoj.
Sed ĉefe estis elmontroj de rifuzo de aliaj aferoj kiuj rilatis pli rekte al la vivmaniero al kiu estis destinitaj tiuj gejunuloj. Tiu jardeko en Francio kaj ĝenerale en la cetero de Okcidento estis okazante pli kaj pli rapide gravaj kulturaj kaj alitipaj ŝanĝoj. Estis okazante akcelata kamparana amas-elmigrado al la urboj kaj aperante la konsum-socio. Krome en tiu jardeko de 1960 la junularo, pro sia grando kaj koncentriĝo en la universitataj centroj, estis fariĝante soci-kultura kategorio atingante sian agnoskon kiel socia rolanto kiu alprenas karakteraĵojn de diferenciĝo el la plenaĝuloj. Rezulte de tio estis la kreado de iuj movadoj kaj subkulturoj kiel tiuj de la hipioj k. s. kiuj eĉ generis propran etikon; iuj el tiuj movadoj generis senton de rifuzo kaj abomeno pri la konsum-socio. Tia pens-maniero estis rezulto de la influo de la verkaro de Herbert Marcuse, tre fama en tiu epoko. Per sia verko ***«La unudimensia homo»*** li denuncis la vivmanieron per kiu la nuntempa kapitalismo katenigas la civitanojn (integrigas ilin en la sistemon, laŭ esprimo uzata de Marcuse mem) de la alte disvolvigitaj landoj. Alia aŭtoro kies verkoj tre furoris inter la gejunuloj de tiu generacio estis Wilhelm Reich. Ĉi ties verko ***«La seksa revolucio»*** prikontestis la familian modelon de la burĝa socio. Reich spertis dum sia infanaĝo traŭmatajn kaj malfeliĉajn travivaĵojn kiuj tre influis en lia vivo kaj lia verkaro. Kompreble, lia ekstrema kazo ne estas prototipa de la ĝenerala modelo de familio de ĉi tiu socio, sed, nedudeble, se lia verkaro tiom multe impresis kaj vekis la intereson de liaj samtempanoj estis pro tio ke, pli- malpli-grade, li sciis montri la mankojn kaj misaĵojn de la familia modelo en kiu formiĝis ĝis tiam la homoj de nia socio. Poste ni vidos ke, ĝuste rezulte de la influo de majo-68, tiu modelo konsiderinde ŝanĝiĝis.
La moralo de la geedza kaj familia vivo, bazita sur hipokriteco, estis ekde la 19-a jarcento kaj ĝis tiam, tiu kiun ni povas nomi "viktoriana moralo". Ĝi karakteriziĝis per seksa subpremo, kaŝigo kaj forta sociala etiko, obsedo pri kontrolo de la seksa moralo, foje kondukante al bigoteco kaj al farisea, hipokrita konduto. Tiel oni uzis ofte florlingvon por eviti certajn vortojn. Kompreneble, laŭ la landoj, estis diversaj variantoj de tiu burĝa modelo je familio. Ĝenerale, kompare kun la famili-modelo de la Malnova Reĝimo, la burĝa alportis konsiderindan plibonigon. Malaperis la geedziĝoj interakorditaj de la gepatroj de la nov-geedzoj kaj aperis la kutimo de la antaŭnupta gefianĉeco, t. e. tempo-periodo dum kiu la eble estontaj geedzoj interrilatas por interkonatiĝi kaj esplori la eblecon interakordi dumvivan geedziĝon. Kompreneble tiu modelo iome evoluis dum unu jarcento kaj duono, kaj estis diversaj variantoj kaj apartaj kutimoj laŭ la lokoj, sed esence kaj baze la modelo estis ĝenerala por la tuta Okcidenta socio. Ĝuste tiun modelon pridiskutis la verkaro de Wilhelm Reich kaj aliaj psikoanalizistoj, kaj estis jam en krizo. La teniĝo de la revoluciuloj de Majo-68, kaj ne nur tiuj de Parizo, signifis nur la publikan konstaton kaj mem-konscion de tiu krizo. Ni vidu la feblecon de la modelo: en tiutipa familio, **laŭ-supozite** la geinfanoj estas naivuloj kiuj scias nenion pri la seksa afero kaj krome sentas nenian intereson pri ĝi; **laŭ-supozite** la gefianĉoj, ĉefe la fianĉinoj, sin konservas virgaj ĝis la nokto de sia geedziĝ-festo; **laŭ-supozite** la honestaj junulinoj revenas hejmen antaŭ la 10-a horo nokte; **laŭ-supozite** la inoj, ĉu fraŭlaj, edziniĝintaj aŭ vidvinoj, neniam ĉeestas solaj, sen vira akompano, la barojn kaj kafejojn; **laŭ-supozite** la virinoj neniam vojaĝas solaj por feriado aŭ simile; **laŭ-supozite** la gefianĉoj post iomdaŭra interkonatiĝo kapablas decidi dumvivan kunloĝadon kiel geedzoj; **laŭ-supozite** la geedzoj kunvivadas en amo kaj harmonio ne dezirante seksumadon ekster sia familia geparo; **laŭ-supozite**… Tro da **laŭ-supozitaĵoj**. Kelkaj el tiuj mitoj jam estis falintaj antaŭ 1968. La divorco jam estis akceptita tiam en multaj lokoj. Sed la publika opinio punadis, per io simila al socia ekskomuniigo, tiujn kiuj kuraĝis malobservi tiujn konvenciojn. Ĝuste kontraŭ tiu serio da ne-skribitaj leĝoj reagis la generacio de la gejunuloj de 1968 kiuj trovis inspiron en ***«La seksa revolucio»*** de Wilhelm Reich. Fakte, la unuaj incidentoj de la mobiliziĝo de 1968 komencis en la Universitato de Nanterre kiam iuj studentoj pridemandis al iu ministro pri tiu afero kaj ricevis de li mokan respondon.

Nu, la ŝanĝoj okazintaj en la socio pri tiu temo estas frukto de la revolucio de majo-68. Ankaŭ la ekologiisma movado ricevis decidan impulson en la konsciiĝo kiu vekiĝis tiam pri ĉiuj sociaj problemoj. Sed nun ni priatentu pri la rilato de tiu revolucio de majo-1968 kun la afero de la feminismo kiu, krome, estis iu el la ĉefaj temoj alborditaj de la revoluciuloj. Estas rimarkinde tio ke en la foto-teko de la tiamaj manifestacioj de Parizo abundas bildoj kiuj montras junulinojn rajdante sur viraj ŝultroj. Tio sendube devas signifi aŭ simboli ion. En ĉiu revolucio abundas la sloganoj kaj gestoj, kaj en ĉi tiu estis iuj tre altsignifaj; ni memoru la sloganojn ***«Malpermesate malpermesi»*** «***Estu realisma, celu tion ne-eblan***». Tiom da virinoj portataj sur-ŝultre de viroj tra la parizaj stratoj klare simbolas porfeminisman depostulon, defendon de la rajtoj de la virinoj. Tiam estis aperinta antaŭ kelkaj jaroj la t. n. "feminismo de la egaleco". Kelkajn jarojn poste aperos alitipa feminismo, tiu nomata "feminismo de la diferenco". Inter ambaŭ tendencoj estiĝis ega debato, foje tre akra. Tamen la virin-favora teniĝo de la studentaro de la Sorbono tute ne estis poziciiĝo en tiu akademia debato interne de la feminisma movado. Ilia simbola elmontro de apogo al la virina afero celis atesti ĝeneralan rifuzon al maskloismo kiu tiom longe regis en la socio. Estis altruisma kaj pasia reago kontraŭ tiu socia fiaĵo simila al la reago kiun ili estis montrante dum tiuj tagoj favore al la viktimoj de aliaj putraĵoj de la epoko: la kapitalismo, la stalinismo, la cionismo, la viktoriana bigotismo…



Ili poziciiĝis kontraŭ ĉio-ĉi, sed, favore al kio? La maniero kiel disvolviĝis la mobilizado montris ke pravis tiuj kiuj asertis ke la revoluciuloj de majo-68 sciis kion ili rifuzis, kion ili ne volis, sed ne sukcesis formuli kion ili volis konstrui por anstataŭi la rifuzitajn aferojn. La 8-an de januaro de tiu jaro 1968 okazis en la Universitato de Nanterre tiu incidento kiam iu studento adresiĝis al la Ministro pri la Junularo por demandi al li pri la politiko rilate al la seksa problemaro. La studento, Daniel Cohn-Bendit famiĝis tiam kaj iĝis elstara figuro de la revolucio de majo-68. Elstara figuro sed ne lidero, ĉar la lidereco implicas proponi agad-planon por atingi iun celon, kaj en tiu mobilizo estis nek agad-planon nek atingendan celon; estis nur rifuzo de la ekzistanta realaĵo. La 22-an de marto de tiu jaro iu grupo da studentoj de tiu universitato enfermiĝis en la centron protestante kontraŭ iuj normoj, kaj por ilin elpeli devis interveni la polico. Denove devis interveni la polico en Nanterre la 22-an de aprilo kiam 1.500 gestudentoj manifestaciis protestante kontraŭ la arestado de kelkaj studentoj kiuj agadis kontraŭ la milito de Vietnamio. La 28-an de tiu monato la rektoro de la universitato ordonis ĉi-ties fermon samtempe ke la gestudentoj anoncis sian bojkoton al la ekzamenoj. Ĉio ĉi okazis en la kunteksto de interfrontiĝoj de studentaj maldekstruloj kun aktivistoj de la politika Dekstraro kiuj volis kontraŭfronti ilian ideologian influon. Rezulte de tiuj protestoj, ok studentoj, inter ili Daniel Cohn-Bendit devis deklari en Parizo dum en la placo de la Sorbono ariĝis multenombraj gestudentoj. La polico impetis kontraŭ tiuj manifestaciantoj kaj sekve de tio la asocioj de gestudentoj kaj geinstruistoj deklaris strikon en la tuta universitato kaj postulis la liberigon de la arestitoj. La brutaleco de la polico provokis pluajn protestojn de la gejunuloj kaj pro ĉi ties mobilizado pliiĝis la polica interveno. La 6-an de majo la gestudentoj metis barikadojn en la Latina Kvartalo. La manifestacioj de la sekvinta tago alvenis ĝis la proksimaĵoj de la Palaco de la Eliseo. La interfrontiĝo estis speciale grava la 10-an de tiu monato. Dekmiloj da gestudentoj aliris al la barikadoj de la Latina Kvartalo. La aŭtoritatoj rifuzis liberigi la arestitojn kaj la polico perforte faligis la barikadojn. Sekvinttage deplojiĝis tankoj en Parizo. De tiam la konflikto elversiĝis foren el la universitata tereno. La 13-an de majo estis ĝenerala striko en la lando sekvita de 9 milionoj da gelaboristoj kaj en la tiutaga manifestacio partoprenis 200-mil personoj. La Sorbono estis okupita de la gestudentoj. Sekvinttage la laboristoj de iuj gravaj uzinoj okupis la instalaĵojn kaj iom-post-iom la striko plu etendiĝis kaj paralizis plejparton el la franca industrio. La 17-an de majo tiel la student-movado kiel la laborist-movado estis tre radikaliĝintaj. La sekvan tagon aldoniĝis al la striko kromaj laborsektoroj kaj ne nur tiuj de la industrio sed ankaŭ de la servo-entreprenoj, presaro, televido… En Nanto la laboristoj kaj la kamparanoj blokis la alirejojn al la urbo kaj komencis kontroli la prezojn en la vendejoj. Dume en multaj laborolokoj oni komencis pripensi la aferon de laborista kontrolo, pridubante la ŝtatan aŭtoritaton kaj generante situacion de povo-manko. Antaŭ tia situacio la registaro akceptis, la 25-an de majo, negoci kun la sindikatoj pri la depostuloj de la

strikantoj. Du tagojn poste estis interakorditaj gravaj plialtigoj de la salajroj. Sed la sociala malkvietiĝo kaj la mobilizado pludaŭras, kaj la gestudentoj daŭre okupadas la Sorbonon. Estis dum tiuj tagoj kiam aperis tiuj sloganoj kaj simbolaj deklaroj kiujn ni menciis. La 29-an de majo De-Gaulle malaperas sen ĉeesti la kunsidon de la registaro kiun li mem estis kunvokinta por tiu mateno. En la stratoj de Parizo, la manifestaciantoj adresiĝis al la fervoja stacio kie estis koncentritaj la strikantaj fervojistoj sub la devizo: ***"Por politika ŝanĝo de sociala progreso kaj de demokratio"***.

Sed evidentas ke tiu postulo estas sufiĉe ambigua, same kiel la devizoj kaj postuloj de la gestudentoj. Ĉiuj ili havis nean karakteron; ili esprimis ĉion kion ili ne volis sed ne estis klaraj la dezirataj alternativoj. Oni rifuzis la kapitalismon, sed la socialista-komunista-anarkista alternativo rilatas al ia socialismo aŭ komunismo pri kiuj oni sciis nur ke temis pri socia sistemo sen klasoj, sen ekspluatado, sen mono, sen ŝtato… do la tutan karakteron de tiu alternativo oni difinis en nea formo, sed sen pozitiva, aserto, enhavo. La samon oni povas diri pri la aliaj depostuloj: socio sen seksa subpremado, sen maskla dominado… sed ankaŭ ne oni konceptis kaj difinis la naturon de la alternativoj: kiu famili-tipo, aŭ kiu ne familia formo je interseksa kunvivado? La fakto ke baldaŭ aperis la polemiko inter la feminismaj tendencoj de la egaleco kaj la diferenco, inter aliaj, montras ke ankaŭ ne estis klara la feminista alternativo al la reale ekzistanta socio de vira superregado. En tiaj cirkonstancoj la disvolviĝo de la revolucio ne povus havi ian ajn sukceson. Sed ankaŭ De Gaulle ŝajne ne komprenis tion. Li kondutis dum tiuj tagoj kvazaŭ li timus veran renversiĝon de la reĝimo kaj de la sistemo. Nun oni scias ke dum lia malapero li kunvenis kun la estroj de la armeo por prepari eblan militistan intervenon kontraŭ la revoluciuloj. Lia strategio estus la plej konvena (por la interesoj de la superregantoj) se vere temus pri revolucio kapabla endanĝerigi la sistemon. Sed fakte, eĉ ne la Komunista Partio, kiu estis en tiuj cirkonstancoj la plej prestiĝa organizita forto kapabla gvidi tian operacion, konsideris la eblecon entrepreni ĝin. Prave la Kom-Partio taksis sensence ataki perforte registaron kiu estis demokratie elektita de la civitanaro kaj en sistemo kie ĉiuj politikaj fortoj, ankaŭ la komunistaj, povas agadi laŭleĝe. Fine ankaŭ De Gaulle komprenis tion kaj adoptis la plej saĝan decidon por senaktivigi la civitanan kontest-movadon. Li dissolvis la asembleon kaj kunvokis balotadon por kelkaj semajnoj poste. La manifestacio de 300-mil personoj de la konservativaj fortoj la 30-an de majo montris kiom multe la superreganta klaso timis la politikan ŝanĝon kiu, ŝajne, minacis la sistemon. Ja, la ĉeso de la disturboj ne estis tuja; la mobilizado, daŭris ankoraŭ dum la monato junio. La 7-an de tiu monato estis perforta alfrontiĝo de la laboristoj kun la polico en la distrikto de Flins, kaj la 10-an iu studento mortis en alfrontiĝo kontraŭ la polico, kio provokis novajn disturbojn. La 12-an je junio De Gaulle dekretis la dissolvon de grupoj de la ekstrema Maldekstraro. Tiam la kontest-movado troviĝis jam en fazo de retroiro. En la posta balotado, kvankam la voĉdonantaro de la Komunista Partio pasis de la 15 al la 20 elcento, tamen, ĝenerale la politikaj fortoj de Dekstraro estis plimulto en la Asembleo. Sed paradokse la lidereco de De Gaulle ne restis forta; li sin vidis devigita definitive forlasi la povon en aprilo de la sekva jaro.

En aliaj lokoj, for de Francio, la sufokado de la revoluciuloj de majo-68 estis pli tragika. En Meksiko okazis granda masakro de gestudentoj far la militistaj fortoj de la lando. La fakto ke tiu revolucio de majo-68 okazis samtempe en diversaj landoj estis alia karakteraĵo kiu diferencigis ĝin el antaŭaj revolucioj. Sed la plej stranga eco de tiu ekster-tipa revolucio estis ĝia rezulto. Ĉu ĝi fiaskis aŭ sukcesis? Neniu kuraĝas verdikti pri tio, sed estas ĝenerala konsento ke post la eventoj de tiuj monatoj ni vivas en mondo tute malsama ol antaŭe rilate al kelkaj aferoj. La feminista movado same kiel la ekologiista, akiris de tiam firman kaj nehaltigeblan impulson. Kaj rilate al la seksa revolucio, estas nedudeble ke la hipokrita viktoriana moralo ricevis morto-baton. Por konstati tion sufiĉas kompari la enhavon de la revuoj kaj la filmoj faritaj antaŭ kaj post majo de 1968. Same oni povas diri pri la vestaro en la strandoj (kaj surstrate) antaŭ kaj post 1968. En Hispanio la ŝanĝo tuj komencis perceptiĝi post la morto de la diltatoro en 1975 kaj la fenomeno estis nomata "destape" kion en la hispana lingvo signifas: malkaŝo, malkovriĝo, moral-lozeco, pornografia nudeco… Poste venis ankaŭ la legaligo de la samseksemeco. En la hispana lingvo la fakto sin konfesi samseksemulo esprimiĝas per la frazo "eliri el la ŝranko". Nu, en kio rilatas al la seksa libereco, ne nur la samseksemuloj sed la tuta socio eliris el la ŝranko dum la jardekoj post 1968. Sed la ŝanĝo estas plej rimarkinda en la tereno de la feminismo. Definitive malaperis tiuj tabuoj pri la konduto de la virinoj, pri vojaĝoj, festado, publika parado, antaŭ-nuptaj seksrilatoj, ekster-geedza kunloĝado, alireco al la studado, kaj al laborlokoj kaj laborpostenoj antaŭe rezervitaj por la viroj, kiel la armeo kaj la polico… La progreso en ĉi tiu tereno estis nek rapida nek facila, sed la virinoj entreprenis ĝin kuraĝe kaj senkomplekse. Kompreneble, la rezulto kaj la atingaĵoj estas diversaj laŭ la landoj kaj la soci-tipoj, sed rimarkindas ke lasttempe la progreso de la procezo de la feminista aktivado kaj la virina emancipiĝo komencas okazi ankaŭ, eĉ se timide, en kulturoj for de la Okcidenta socio, kie la virina subpremado estis ĝis nun, kaj daŭre estas, esenca komponaĵo de tiuj kulturoj kaj de la religio kiun oni praktikadas en ili.



# Ministrinoj kaj Ministroj

La 25-an de majo ĉi-jare oni voĉdonis en la hispana Parlamento mocion pri deklaro de nekonfido kontraŭ la registraro de la dekstrara partio (PP) kiu dum la lastaj sep jaroj regadis la landon laŭ kontraŭsociala politiko kaj per ega koruptado. Ĵuse, iu tribunalo sentencis la kulpecon de tiu partio, kaj surbaze de tiu koruptad-evidenteco, la Socialista Partio proponis la menciitan malaproban mocion. La registaro perdis la parlamentan voĉdonadon kaj la registrar-prezidento, M. Rajoy (Raĥojo) devis demisii, kaj kune kun li, ĉesis lia ministraro. Post malmultaj tagoj, aplikante la konstitucian leĝaron, la reĝo subskribis la nomumon de la lidero de la Socialista Partio, Pedro Sánchez, kiel nova registar-prezidento. Ĉi-tiu tuj elektis sian ministraron. Altsensacia fakto estis tio ke en la nova registaro, unuafoje en la historio de la lando, estas pli da virinoj ol da viroj. Tiu realaĵo estis eksplicite rimarkigita en la solena ceremonio de la ĵurado de la ministraro antaŭ la reĝo kiam unu el la novaj ministrinoj spontane rompis la protokolon ŝanĝante la formulon de la ĵurado anstataŭante la kutiman esprimon “Konsilio de Ministroj” per la esprimo “Konsilio de **Ministrinoj kaj Ministroj**”, novaĵo kiun la sekvintaj ĵurantoj alprenis ripetante tiun formulon. La anekdoto, sufiĉe prikomentita de la informiloj, klare simbolis la ŝanĝojn kiujn estas enkondukante la nehaltigebla progreso de virina emancipiĝo. Estas tre signife ke ĉi tio okazas ĝuste duonjarcenton post la revolucio de majo-1968, en kiu ludis tre gravan rolon la depostuloj pri la rajtoj de la virinoj, pri ĉi ties egalrajteco kun la viroj. Tiu hazarda koincido de datoj estas feliĉa simbolo de la evoluo de la virina batalado dum la lastaj 50 jaroj. Menciindas ke kelkajn tagojn post tiuj hispanaj eventoj, en Iranio oni agnoskis la rajton de la virinoj ĉeesti, spekti, futbal-matĉojn, kaj post kromaj pluaj tagoj, en Saud-Arabio oni ekpermesis la virinojn ŝofori aŭtomobilojn. Ĉi lastaj ŝanĝoj estas pli ol anekdotoj. Ili signifas ke senĉese estas falante la obstinaj baroj de jarmila diskriminacio kontraŭ duono el la homaro. Fakte, ankaŭ la hispana dekstrara partio kiu estis malaprobita en la Parlamento havis kelkajn ministrinojn, kaj du el ili konkuris poste por atingi la partian prezidantecon…

Ja, ĉio-ĉi venas ŝanĝiĝante ekde la revolucio de 1968. Tiam en Hispanio, kaj en multaj aliaj landoj, estis neniu virino en politikaj gvidpostenoj. Paralele, la progreso de la virina rajt-konkerado estis okazante ankaŭ en aliaj frontoj kaj terenoj: la instruiĝo, la instruado, la labora mondo… Kompreneble, la situacio estas diversa laŭ la landoj, sed ĝenerale ĉie estas konstatebla ia progresiva evoluado simila al tiu de Hispanio kiun ni tuj priskribos. Ni komencu per la situacio en la tereno de la kulturo, la instruado…

En nia lando la virinoj estas plejmulto en la universitato. De antaŭ kelkaj jaroj estas pli da virinoj ol da viroj matrikulitaj, 55 elcento kontraŭ 45 elcento, kaj diplomitaj: 6 el ĉiu deko da tituloluloj estas virinoj. Krome ankaŭ la atingitaj kvalifikoj estas pli bonaj en la kazo de la inoj. Tamen la bonaj akademiaj rezultoj ne respeguliĝas en la kondiĉoj de enkonduko en la laboran medion. La viroj kun superaj studoj suferas malpli da senlaborecon ol la virinoj: 17,2 elcento kontraŭ 20,5 elcento. La virinoj suferas pli ol la viroj la necertecon aŭ nefirmecon de la labor-kondiĉoj: 47,7 elcento el la viroj havas fiksan laborlokon, en la kazo de la virinoj estas nur 40,1 elcento. La titolitaj virinoj havas pli altan elcenton da senlaboreco kaj ankaŭ pli malaltajn salajrojn, proksimume 10 elcento pli malalta, por simila laboro. Eĉ en karieroj en rilato kun la scienco de la saneco, kie la virinoj estas 70 elcento el la tituloluloj, la viroj gajnas proksimume 6 elcento pli ol la virinoj. La elcento da virinoj malpliiĝas laŭ oni ascendas en la kategorio de la instruistaro: el ĉiu 100 universitataj profesoroj aŭ ĉefinstruistoj, nur 20 estas virinoj, kaj el 76 gerektoroj, nur 11 estas rektorinoj, 14,4 elcento. La

malegaleco estas pli granda en la publikaj universitatoj: nur 4 el la 50 universitatoj estas estrataj de virinoj. En la 26 privataj universitatoj estas nur 7 rektorinoj. Male, en la neuniversitaj lernocentroj la femala instruistaro estas pli granda: 71 elcento da profesorinoj, kaj ankaŭ en la bazaj lernejoj, 61 elcento, kaj en la porinfanaj lernejoj, 93 elcento. La proporcio malaltiĝas en la gimnazioj, 36,4 elcento da virinoj.

En aliaj labor-sektoroj oni povas trovi similan situacion de progreso kaj fiaskoj. Pli kaj pli la virinoj aliras al laboroj kiuj antaŭe, fakte, estis rezervitaj al viroj, kaj daŭre la pagado por sama aŭ simila laboro estas malpli alta por la inoj. La protesto pro tiu maljustaĵo estas konstanta, kaj la virina festo de la 8-a de marto fariĝis la speciala ĉiu-jara okazo por denunci ĉiun diskriminacian situacion kontraŭ la virinoj. Jaro post jaro la ĉeestantaro en la manifestacioj de tiu virina tago estas pli kaj pli granda. Tiu de la nuna jaro 2018 estis eksterordinara. Krom manifestacio, ĉi-jare tiutage estis ankaŭ virina striko. Ŝajnas ke estis ĝuste en Hispanio kie la mobilizado pli estis sukcesa.

La voĉdon-rajto, edukad-rajto, posed-rajto kaj egaleco en la labora tereno estas la tradiciaj depostuloj de la feminista movado. Sed lasttempe, t. e. de antaŭ duonjarcento, la afero evoluis tiusence ke komencis esti objekto de virina zorgado aspektoj koncerne al la privata vivo. Tiu zorgado, kiu enkadriĝas en la t. n. “Tria Ondo de la feminismo”, esprimiĝas per la frazo: “Ĉio persona estas politika”. Sub tiu-ĉi lumo oni komencis alfronti, interalie, la temon de la perforto kontraŭ la virinoj ĉefe ene de la familio, sed ankaŭ fore, la t. n. “genra perforto” aŭ “seksa perforto”. Oni postulis, kaj oni atingis kelkloke, konkrete en Hispanio, ke tiu figuro de agreso kontraŭ la virinoj estu leĝe kontemplata kaj punata kiel aparta delikto ene de la klasifiko de la perfortaj agresoj ĝenerale. Sed la leĝaro ankoraŭ ne sukcesis garantii al la minacataj virinoj protekton kontraŭ tiutipaj agresoj.

Inter la agresoj kontraŭ la inoj meritas specialan atenton tiuj de la seks-perforto. En nia lando last-tempe tiu afero estis kaŭzo de ega mobiliziĝo de la feminist-inoj kaj de ĉiuj personoj sentemaj pri la rajtoj de la vir-inoj. Antaŭ du jaroj, en iu grava festo, tiu de Sankta-Firmiano, en Pamplono, kvin knaboj seks-perfortigis iun junulinon. La kazo akiris famon en la lando pro la cirkonstancoj kiujn ni poste eksplikos. La kazo, de tiam, estas konata kiel tiu de la “manada”. Tiu hispana vorto povas esti esperantigata kiel “luparo”, kaj tio estas jam parto de la menciitaj cirkonstancoj ĉar tiu titolo estis elektita de la seks-perfortintoj mem kaj signifas ke ili vidas sin mem, orgojle, kiel lupoj kiuj rajtas ataki siajn viktimojn. Fakte, ili mem filmis la faron kaj metis la videon en Interreton. Sed estis pliaj cirkonstancoj kiuj kontribuis ĉagreni la feministinojn kaj la socion ĝenerale. Kiam ili estis arestitaj kaj procesitaj la juĝistoj aplikis al ili la leĝon laŭ ties plej benigna formo ene de la amplekso inter kiuj la juĝistoj povas elekti. Tiu sentenco, kiu tuj estis apelaciita, provokis koleran reagon: multaj manifestacioj en la tuta lando, akuzoj je patriarkecismo kontraŭ la juĝsistemo… Nekredeble, en tiaj cirkonstancoj, la patriarkecaj juĝistoj aŭdace insultis kaj defiis la publikan opinion lasante liberaj la seks-agresintojn pretekstante ke ĉar la sentenco estis apelaciita, tiel do ĝi ne estas definitiva. Reiĝis la protest-manifestacioj kontraŭ la jursistemo, sed vane. Tia teniĝo de la juĝistaro kuraĝigis la membrojn de la “luparo”. Ili estis triumfe akceptitaj en la kvartalo kie ili loĝas, kaj unu el ili eĉ intencis renovigi sian pasporton. Spit’al ĉio, kiam oni verkas ĉi-liniojn la lupoj daŭre ĝuas liberecon, kaj ilia afero vekis imitantojn. Antaŭ pluraj semajnoj en alia loko en Hispanio alia grupo da junuloj kiuj difinas sin mem kiel la “nova luparo” faris similan agreson al iu knabino. Oni povas aldoni pliajn ekzemplojn de la rezisto de la masklismo al la sociaj ŝanĝoj kiujn postulas la justeco. En Hispanio kelkaj virinoj aliris al la armea servo: soldatinoj, suboficirinoj, kelkaj oficirinoj… nu, oni denuncis kazojn je seks-perfortaj atakoj kontraŭ armeaninoj. Pluraj el tiuj kazoj iĝis sufiĉe publike konataj. Tiorilate la militista juĝistaro evidentiĝis eĉ pli masklisma ol tiu de la civila kiu juĝis la lupojn de Pamplono. La armeestroj kiuj kulpis pri la seksaj atakoj suferis neniun punon, ili jam plialt-rangiĝis en la armeo post la koncerna juĝo, sed dume la oficirinoj denoncintaj la agresojn devis forlasi la armean karieron ĉar sin vidis submetitaj al ĉiutipaj premoj en siaj kazernoj.

Ĉio-ĉi, kaj la teniĝo de la pamplonaj juĝistoj de la luparo respegulas reakcian teniĝojn kontraŭ la progreso de la feminismo samkiel la faŝismoj estis reakcia reago kontraŭ la progreso de la socialismo. T. e. la atingo de la inaj depostuloj vekas masklisman reagon inter viroj kiuj ne rezignas perdi la faktan privilegian statuson kiun la maskla sekso ĝuis dum jarmiloj. Al tiutipa reakcia reago apartenas ankaŭ la islama fundamentismo. Temas pri sentoj kaj movadoj kiuj volas ne agnoski ke ilia estmaniero estas kondamnita iri en la sterkejon de la Historio. Kaj ĉio-ĉi ŝajnas indiki ankaŭ ke la batalo por ina emancipiĝo atingis en la socio altan rangon similan al tiu kiu iam havis la klasbatalo por la rajtoj de la laborist-klaso. Iu signo kiu atestas pri la vigleco de la feminismo estas la disflorado de tendencoj simile al tio iam okazinte en la laborista movado per la apero de diversaj laboristaj tendencoj: anarkismo, socialismo, komunismo… Ni faros etan trarigardon de la diversaj feministaj tendencoj. Koincidante en la esencaj depostuloj de la movado, estas inter ili, tamen, pli malpli gravaj nuancoj.

La liberala feminismo estas individuisma formo de feminista teorio, kiu koncentras sin al la kapablo de la virinoj bonteni sian egalecon per siaj propraj agoj kaj elektoj. La liberalaj feminist(in)oj argumentas ke la socio false kredas ke la virinoj estas laŭnature malpli intelekte kaj fizike kapablaj ol la viroj; tial ĝi tendencas diskrimini kontraŭ la virinaro en la akademio, la forumo kaj la merkato. La liberalaj feminist(in)oj opinias ke la virina subordiĝo radikas en aro da kutimaj kaj juraj limigoj, kiuj obstruas la eniron kaj sukceson de virinoj en la tiel nomata publika mondo. Ili strebas al

seksa egaleco per politikaj kaj juraj reformoj. “seksa egaleco”, sed ne alitipaj egalecoj. Tiu liberala feminismo estas bone instalita en la kapitalista socio kun ĉiuj ĉi-ties maljustaĵoj, escepte la seksa aŭ genra.

Male, la marksisma feminismo kontraŭstaras ĉiujn malegalecojn. Tiu-ĉi feminista skolo koncentras sin al la enketado kaj klarigado de la manieroj kiel la virinoj estas subpremataj per la sistemo de kapitalismo kaj privata proprieto. Laŭ la marksistaj feminist(in)oj, la liberiĝo de la virino eblas nur per radikala rekonstruo de la ekonomia sistemo, en kiu la plimulto el la virina laboro estas nekompensata.

La radikala feminismo alfrontas la aferon de alia vidpunkto. Ĝi postulas radikalan reordigon de la socio, kie vira supereco estu forigata el ĉiuj sociaj kaj ekonomiaj kuntekstoj. La radikalaj feminist(in)oj klopodas aboli la patriarkecon per defiado al la ekzistantaj sociaj normoj kaj institucioj, anstataŭ per pure politika procedo. Tio inkludas defion al la nocio de tradiciaj seksaj roloj, kontraŭon al la seksa objektigado de virinoj, kaj plivastigon de la publika konscio pri aferoj kiaj seksperforto kaj perforto kontraŭ virinoj. La radikalaj feminist(in)oj lokas la radikan kaŭzon de la subpremado de la virinoj en la patriarkecaj seksaj rilatoj, kontraŭe al juraj sistemoj aŭ klaskonflikto.

Konsiderindas ankaŭ la tiel nomata intersekciisma aŭ pluraneca feminismo, kiu evoluis el kritiko de radikala feminismo nome la “reviziisma feminisma teorio”, studas la efektojn de samtempaj formoj de diskriminado, precipe rilate al neblankaj virinoj, ne nur de la feminisma movado por la civilaj rajtoj de afrik-usonanoj, kaj subtenas la pretendojn de neblankaj virinoj ke ili apartenas al ambaŭ tiuj politikaj sferoj. Kiel lesbana feminismo, nigra feminismo, postkolonia feminismo, kaj transfeminismo, la ntersekciisma skolo disputas la ideon ke virino estas kategorio de samuloj esence kunhavante la samajn vivajn spertojn kaj radikas en la konstato ke blankaj mez-klasaj virinoj ne servas kiel aŭtentika reprezentaĵo de la tuta feministaro. Rekonante ke la formoj de subpremado kiujn spertas blankaj mezklasaj virinoj, malsamas al tiuj spertataj de nigraj, malriĉaj aŭ handikapaj virinoj, intersekcismaj feminist(in)oj klopodas kompreni la manierojn kiel sekso, raso kaj klaso kombiniĝas por determini la virinan sorton.

Ankaŭ la Tria Ondo de la feminismo prezentas internajn debatojn. La t. n. feminismo de la diferenco asertas ke ekzistas gravaj diferencoj inter la seksoj. Kontraŭas tiun idearon la feminismo de la egaleco kiu opinias ke ne estas naturaj diferencoj inter viroj kaj virinoj, kaj ke la diferencoj venas artefarite truditaj per la roloj socie asignitaj al ĉiu genro.

La menciitaj feministaj tendencoj estas alternativaj inter ili, t. e. kun malsamaj aŭ eĉ kontraŭaj pozicioj pri iu ajn aspekto de la ina problemaro. Krom tio estas ankaŭ tendencoj kiuj transversas ĉiujn ilin, ekzemple, en ĉiuj ili estas personoj kiuj pledas por la rajto je abortigo kaj aliaj kiuj kontraŭas kaj kondamnas tiun praktikon. Alia transversa feminista tendenco estas tiu de esperantistaj feminist(in)oj. Temas pri personoj kiuj kombinas ambaŭ alvokiĝojn, kiuj laboras por la feminismo pere de Esperanto kaj/aŭ por Esperanto ene de la feminista movado. Statistiko pri la procento de virinoj en la Esperanto-movado ekis debato pri la kialoj de la seksa malekvilibro. Oni konstatis ke la viroj persistas en la E-movado post edziĝo. La edzino de esperantisto foje ŝi mem komencas lerni Esperanton kaj venas kun li al la E-renkontiĝoj. Sed se esperantistino edziniĝas, ŝi tre ofte jam antaŭ la geedziĝo finas pri ĉio, kion ŝi ĝis tiam faris en la E-grupo. Tiorilate, la malsupero de la situacio de la virinoj en la socio estas la evidenta kialo. Ja la esperantismo estas mikrokosmo ene de la socio, do, la ne tre granda partopreno de virinoj en esperantaj rondoj respegulas de la ne tre grandan partoprenon de virinoj en la socia medio. La reganta sistemo ankoraŭ devigas la virinojn mastrumi la domon.

Por meti finon al nia pristudo de la historio de la virina emancipiĝo, ni devas atenti pri tio ke la nuna stato de la feminista movado, kiun ni ĵus priskribis enkadriĝas en la nuna stato de la socio mem en kiu ĝi okazas. Tio estas, ni devas ne forgesi ke temas pri socio en krizo, kun ne solvita soci-klasa problemaro kiu generis migradon de milionoj de personoj de iuj zonoj de la planedo al aliaj, ankaŭ kun ekologia problemaro, t. e, en la limo de la kapablo de teraj resursoj, la mara kaj tera nutrad-kapablo… Ĉio estas provizora, ĉio estas dubinda… Estas sufiĉe da signoj anoncantaj militan kontraŭfrontiĝon inter la grandaj blokoj; nuntempe la komercaj kaj priekonomiaj kontraŭdiroj inter tiuj blokoj estas jam tre evidentaj. La nuntempa junularo kontemplas necertan estontecon kaj ne scias kiel alfronti tiun realaĵon. Ĝia reago ŝajne estas eviti kaj vole ignori prikonsiderojn rilate al la estonteco. La tipo je junulara amuzo (grandamasaj festoj kun abundo de sekso kaj drog-konsumado) ŝajnas indiki ke urĝas ĝui kiel eble plej multe antaŭ la katastrofo kiun oni intuicias proksiman. Estas kvazaŭ sento je **25-a horo** en la senco de la ideo kiun esprimas la fama filmo de Henri Verneuil de 1967. Ekde Majo de 1968, la antikvaj valoroj pri la seksa afero ja ne plu funkcias, sed ili ne estis anstataŭitaj de novaj. La antikvaj kutimoj pri geedziĝo ne estas devige sekvataj sed la novaj –ambiguaj kaj diversaj– ne generas pli feliĉan kaj longdaŭran geparan kunvivadon. Ion simile oni povas diri pri la religiaj valoroj; multaj homoj forlasas la tradiciajn kredarojn, sed ili ne scias kiel plenigi la vakuon kiun lasas tiu forigo. Tiele naskiĝas aŭ estas enportataj novaj kultoj, foje en fanatisma formo. Ĉiu ĉi sendifineco de multaj aferoj estas ĝenerale konata per la termino post-modernismo, kiu elvokas ideon ke fiaskis la moderna projekto en ties intenco radikale renovigi la tradiciajn formojn en la arto, la kulturo, la penso, la politiko, la religio, la socia vivo... Konkrete, temas pri socio en krizo; la antikva idearo dronis kaj la alternativo ne aperis por anstataŭi ĝin-Kien iras tiutipa socio? Eble la krizo mem estas la estmaniero kiu difinas ĉi tiun socion, t. e. temas pri socio instalita en la krizo, en senĉesa esplorado pri ĉio, ankaŭ pri si mem. Ĉu ĉi tiu socio trovos sian vojon solvi la interklasan kaj interseksan problemaron?




**La virina festo de la 8-a de marto de la nuna jaro estis speciale rimarkinda, apoteoza, ĉefe en Hispanio. En ĉiuj grandaj urboj en la lando estis amasaj manifestacioj de virinoj, ankaŭ kun granda ĉeesto de viroj. Ĉi tio evidentigas grandan progreson de la socia konsciiĝo pri la virina problemaro kaj rifuzo de la valoroj kiuj ĝis nun tenis la inaron en situacio de duarangeco.**





# Emblemaj virinaj figuroj





Jen ni prezentas serion da virinoj kiuj povas esti konsiderataj simboloj de io. Iuj el ili estis/as gravaj personoj en sia epoko kaj viv-medio sed eble ne famkonataj nuntempe. Aliaj, male, estante tre konataj, verdire ilia rolo ne estis tiel grava. Fine, aliaj estis/as kaj famaj kaj gravaj. Ne ĉiuj estis reale historiaj personoj; povus esti mitaj aŭ duon-mitaj, aŭ simple konataj dank' al legendoj kiuj formiĝis pri ili. Sed ĉiuj inoj prezentataj ĉi tie havas iun komunan trajton: ili estas emblemaj figuroj, t. e. simboloj de iu ajn hom-tipo, ne ĉiuj bonaj aŭ virtaj, sed ĉiukaze klasikaj reprezentantinoj de diversaj homtipoj. La celo de ĉi tiu prezentado estas reliefigi ke tia emblema rolo povas esti ludata de virinoj same kiel de viroj. Ekzemple, se Giacomo Casanova estas vira peranto de iu homa tipo, kial ne enkalkuli en similan kategorion inojn kiaj Messalina aŭ Mata-Hari?
Eĉ konsciante ke nia listo, kiel ĉiuj ceteraj homaj listoj, ne estas, ne povas esti, kompleta, ni prezentas ĉi tiun kelkdekon da notindaj personoj el la femala sekso.



## Semiramiso de Babilonio

Semiramiso estis historia persono, sed preskaŭ ĉio kion oni transskribis pri ŝi estas legendoj. Ŝajnas certe ke ŝi, kiel vidvino de la reĝo Ŝamŝi-Adad la 5-a, ekde la jaro 808 a. K. regis unue kiel regentino de sia filo kaj poste kiel kunregantino kun li. Legendo atribuas al ŝi la konstruadon de la famaj pend-ĝardenoj en Babilonio.
La legendoj pri tiu reĝino estis prilaboritaj de la helena historiisto Diodoro de Sicilio, en la unua jarcento antaŭ nia erao, kaj la romiano Junianus Justinus, en la dua aŭ tria jarcento a. K.
Oni diras ke la regado de Semiramiso daŭris 42 jarojn, kaj la mito pri sia persono asertas ke dum tiu longa tempo ŝi igis konstrui multenombrajn urbojn kaj sukcesis pliampleksigi la hereditan imperion per la konkero de Etiopio, Hindio, Persujo, Arabio kaj eĉ Egipto. Sendube estas mitoj pri epoko kaj kortego kies lukson kaj pompon la postaj generacioj volis reliefigi. Ja la nomo kaj la persona figuro de Semiramiso vekas fascinon kaj elvokas gloron kaj sukceson.
Kelkaj teatraĵoj kaj aliaj beletraj verkoj aludas la memoron kaj figuron de tiu mita reĝino.



## Reĝino de Ŝeba

Sufiĉe mita figuro tiu de la t. n. Reĝino de Ŝeba. Unuaj noticoj pri ŝi aperas en la Biblio, raportante pri ŝia vizito al Salomono, reĝo de Israelo, sed poste aliaj kulturoj kaj tradicioj alprenis tiun figuron kaj pliampleksigis la leĝendon pri tiu ino. Ne estas klare ĉu ekzistis tiu Regno de Ŝeba; iuj situigas ĝin en Jemeno kaj aliaj en Etiopio. En la Biblio oni eĉ ne mencias la nomon de tiu reĝino, kvankam estas opinio ke temas pri ŝi la nomo Sulamita kiu aperas en iu la psalmoj atribuitaj al Salomono. En aliaj kulturoj ŝi ricevas la nomojn: Makeda, Bilkis aŭ Balkis, Nikaŭla…
Pri ŝi la biblia libro de la Reĝoj diras ke ŝi venis al Jerusalemo kun tre granda akompanantaro, kun kameloj portantaj armaĵojn, tre multe da oro, kaj multekostajn ŝtonojn. Ŝi volis viziti Salomonon, pri kies famo ŝi ekciis, kaj por elprovi lin per demandoj.
La dinastio kiu reĝis en Etiopio ĝis la pasinta jarcento pretendis estis devenanta el Meneliko, iu filo de Salomono kaj la Reĝino de Ŝeba. Estas multaj pentraĵoj pri la vizito de la reĝino al Salomono, kaj ne malpli ol dek-unu filmoj kun enhavo pli malpli fantazieca, faritaj inter la jaroj 1913 kaj 2017, dediĉiĝas al tiu temo.





## Hatŝepsut

Ŝi estis filino de la faraono Tutmoso la 1-a, de la 18-a dinastio. Laŭ la tiama egipta kutimo ŝi edziniĝis al duonfrato, kiu poste reĝis sub la nomo Tutmoso la 2-a. Sed ĉi ties reĝado daŭris ne pli ol 4 jarojn kaj Hatŝepsut rolis kiel regentino de filo de ŝia edzo kiu tamen ne estis ido ŝia. Ŝia reĝado okazis ĉirkaŭ la jaroj 1472-1458 a. K.
Reale, ŝi regadis kiel vera faraono pli ol kiel regentino kaj prokrastigis la povo-transdonon al la heredinta princo. Tiu kvazaŭ-puĉo sukcesis ĉar ŝi estis servita de fidelaj ŝtataj funkciuloj.
Hatŝepsut reformis la administracion kaj evoluigis la komercadon. Ŝia reĝado ĉesis kiam fine ŝi ne plu povis elteni la premon de la partianoj de la plenkreskiĝinta Tutmoso la 3-a

## Nefertito

Ŝi estis edzino de la faraono Amenofiso la 4-a, la t. n. **la herezula faraono**, kiu ŝanĝis sian nomon al Aĥenatono kiam li entreprenis renversigi la religian kulton de Egipto por starigi monoteisman religion kun kulto al unusola dio, Atono. Ŝi partoprenis en tiu religia reformo de Aĥenatono kaj oni pensas ke en la idearo de la nova religio ŝia rolo eble estis pli grava ol tiu de ŝia edzo; fakte en la hieroglifaj skribaĵoj trovitaj en la Aton-templo en Amarno, ŝia nomo aperas pli grandnombre (564-foje) ol tiu de la faraono (320-foje).
La busto de Nefertito estas unu el la plej konataj egiptaj skulptaĵoj.

## Kleopatro

Ŝi estis la lasta egipta reĝino antaŭ la submetigo de tiu lando far la romianoj, kaj famiĝis ankaŭ pro siaj aventuroj kun Julio Cezaro kaj Marko Antonio. Tiuj am-aferoj kun la romiaj militistaj staruloj respondis al politika strategio cele prezervi kaj eĉ pligrandigi sian povon. En la jaro 44 a. K. ŝi vojaĝis al Romo por fermi aliancan kontrakton kun Julio Cezaro. La posta morto de ĉi tiu ruinigis ŝiajn planojn. En la civila milito kiu tiam estiĝis en la romia socio Kleopatro aliancis kun la partianoj de Julio, Oktavio kaj Marko Antonio, ĉefe kun ĉi lasta, kio poste implicis ŝin en la milita interfrontiĝo inter ambaŭ romiaj estroj.
La malvenko de Marko Antonio en tiu milito signifis ankaŭ la ruinon de Kleopatro kaj ĉi ties politikaj planoj. La figuro de tiu reĝino ofte aperis en artaj kaj literaturaj verkoj, krom en kelkaj filmoj.



## Livia Aŭgusta

Livia Drusila estis la tria edzino de la romia imperiestro Aŭgusto. Antaŭ ŝia edziniĝo al Oktavio Aŭgusto Livia edziniĝis al Tiberio Klaŭdio Nerono, al kiu ŝi naskis du filojn: Tiberio, kiu poste estis imperiestro, kaj Druso, grava generalo. Livia estis avino Germaniko, alia fama generalo, kaj de la imperiestro Klaŭdio, praavino de la imperiestro Kaligulo kaj prapraavino de la imperiestro Nerono.
Rimarkindas ke en la du civilmilitoj okazintaj en Romo en tiu epoko, la familioj de la patro kaj la edzo de Livia enviciĝis kun la malamikoj de Julio Cezaro kaj Oktavio. Fakte, ŝia patro sin mortigis post la malvenko de ties partio en la batalo de Filipos, kaj en la jaro 40 a. K. ŝia familio sin vidis devigita fuĝi el Italio cele eviti la proskribadon far Oktavio. Kiam sekvintjare la familio renkontiĝis kun Oktavio, ĉi tiu fulme enamiĝis al ŝi. Tiam jam estis naskiĝinta ŝia unua filo, Tiberio kaj ŝi estis graveda. Tio ne spitis ke Oktavio kaj Livia edziniĝus tuj post la baldaŭa anonco de la divorco de ambaŭ.
La geedza vivo de Oktavio Augusto kaj Livia daŭris dum la sekvintaj 52 jaroj, ĝis la morto de la imperiestro, spite al tio ke ili ne havis komunajn gefilojn. Ŝi ĉiam ĝuis la konfidon de sia edzo kaj estis por li konsilantino. Dank' al tiu privilegia pozicio ŝi povis manovri por ke ŝia filo Tiberio sukcedu Aŭguston kiel imperiestro. Por ke tio eblus estis necese ke malaperu aliajn membrojn de la imperiestra familio, la nepoj de Oktavio Aŭgusto, eble dank' al veneno, kaj ke Tiberio devus divorcii el edzino kiun li estis amanta por edziĝi, pro politika neceso, al Julia, filino de Oktavio. Eble pro tio Tiberio ĉiam rankoris al sia patrino kaj ne ĉeestis ĉi ties funebraĵon, kaj eĉ malpermesis ke oni farus al ŝi la koncernajn omaĝojn. Estis ŝia nepo Klaŭdio kiu ordonis al la Senato proklami ŝin diino.



## La tri Marioj de la evangelioj

Tiuj virinoj, eĉ se ili havis realan ekziston, pli apartenas al la legendo ol al la historio. Temas pri inoj kiuj rekte rilatis kun la Jesuo de la Evangelio. Fakte la notico kiun oni havas pri ili venas nur el la evangeliaj tekstoj, kaj krome estas tre malabunda. Pri la unua Mario, la patrino de Jesuo, la evangelioj diras tre malmulte, kaj preskaŭ ĉio estas legendoj. Luko diras ke anĝelo anoncis al ŝi virgan patrinecon. Mateo priraportas vojaĝon al Egiptio kiu verŝajne ne okazis, kaj Johano estas la sola evangeliisto kiu metas ŝin piede de la kruco. Sed sen evangelia apogo, legenda aŭ ne, la Eklezio proklamis pri ŝi dogmojn kiel tiuj de ŝia **Senpeka Koncipiteco** kaj ŝia **Ĉieliro**, kiuj estas tre bonaj por ke kredu ilin la papoj kiuj ilin difinis. Plej grave estas tio ke surbaze de tiuj dogmoj aŭ eĉ sen tio, formiĝis multenombro da legendoj pri aperoj ŝiaj petante konstrui al ŝi sanktejojn, kaj speciala kulto al ŝi kiu prosimas al idolatrio.
Pri la dua Mario, tiu nomata Magdalena, eĉ la evangelioj mem alportas kontraŭdiran informon. Laŭ iu(j) tekstoj povas ŝajni ke ŝi estis fervora sekvantino de la Majstro kaj eĉ unua apostolino, kaj aliaj tekstoj igas kredi ke ŝi estis pekulino. Ankaŭ ŝi estis alpropriigita de legendoj, kiel tiuj tre disvastigitaj en Francio, kiuj igas ŝin patrino de filo de Jesuo kiu estus praavo de la reĝa dinastio de tiu lando.
Pri la tria Mario, tiu nomata “de Betanio” temas nur unu el la evangelioj. Multaj personoj konfuzas ŝin kun Maria Magdalena, kaj konfuzas ambaŭ kun aliaj inoj kiuj aperas en la evangeliaj tekstoj: la adultulino kiun Jesuo indulgis, la pekulino kiu surverŝis oleon sur lin, la samarianino de la puto de Sikem, la hemoragiulino kiun Jesuo kuracis…







### Messalina

Valeria Messalina estis la tria edzino de la romia imperiestro Klaŭdio. Ŝi estas memorata pro sia privata vivo. Laŭ la kronikistoj de sia epoko ŝi uzis la grandan influon kiun ŝi havis sur sia edzo por siaj personaj interesoj kaj venĝoj. Se kredi tiujn aŭtorojn, la ĉefaj interesoj de la imperiestrino estis la mono kaj la viroj. Ŝia nomo iĝis sinonimo de diboĉulino. Ŝi pasis al la historio kiel manipulantino kiu konvertis la romian kortegon en bordelon por kontentigi siajn seksajn kapricojn.
Dum foresto de Klaŭdio ŝi edziniĝis al sia amanto Gajo Silio kaj planis ke ĉi tiu anstataŭu la imperiestron. Malkovrita la konspiro, ŝi estis ekzekutita de la pretorianoj laŭ ordono de Klaŭdio.

### Agripina

Nevino kaj Kvara edzino de Klaŭdio post la morto de Messalina, fratino de Kaligulo kaj patrino de Nerono. Ekzilita laŭordone de sia frato, ŝi revenis en Romon post la surtronigo de Klaŭdio. Post sia edziniĝo al sia onklo, ŝi ĝuis saman influon sur li kiel tiu kiun havis Messalina, kaj uzis ĝin por promocii sian filon Neronon al la imperiestra krono spite al la rajto de Britaniko, filo de Klaŭdio. Por atingi tiun celon ŝi sin turnis al ĉiuj rimedoj, eĉ krimoj. Laŭ tiamaj onidiroj ŝi igis venenigi sian edzon. Nerono estis proklamita imperiestro far la pretorianoj, kaj tio fine estis la ruino de Agripina ĉar ŝi ne sukcesis kontroli lin kaj ĉi tiu ordonis la mortigon de lia patrino.

### Julia Domna

Devenanta el Sirio, ŝi estis edzino de la romia imperiestro Septimio Severo, komence de la 3-a jarcento p. K., kaj patrino de la imperiestro Karakalo. Sed ŝia graveco por la historio tute ne rilatas al la politika sfero, sed al la filozofio. Seniluziigita de la politika vivo de siaj familianoj, ŝi rifuĝis en la filozofion kaj rolis kiel mecenatino de filozofoj kaj sciencoj, inter ili la kuracisto Galeno.
Tamen en la politika tereno ŝi brile kaj aktive partoprenis kun sia edzo en la regado. Post la morto de Septimio ŝi kunregis ankaŭ kun sia filo Karakalo sed, malfeliĉe, ŝi devis vidi la tragedion de la rivaleco de siaj filoj Karakalo kaj Geto. Fine ĉi tiu mortis murdita propra-mane de sia frato.



## Zenobia de Palmiro

Meze de la 3-a jarcento, la araba regno de Palmiro, en la periferio de la romia imperio, estis ĉi ties defenda flanko kontraŭ la potenca persa imperio. La juna Zenobia estis la dua edzino de Odenato, la tiama reĝo de Palmiro. En la jaro 267 Odenato kaj sia plejaĝa filo estis murditaj. Zenobia sukcesis kontroli la situacion kaj reĝi kiel regentino de sia infanaĝa filo. Ŝia reĝado estis mallonga sed plena je eventoj; ŝia ambicio pelis ŝin al teritoriaj konkeroj: Sirio, granparto el Anatolio… Komence la romia imperiestro Galieno konsentis pri tio; Palmiro estis bona kliento de la imperio kaj krome ĉi tiu traspertis tiam egan politikan krizon, kelkaj generaloj ribelis kontraŭ la imperiestro kaj regadis la provincojn sendependece… Zenobia aŭdacis perforte entrepreni la konkeradon de Egiptio, grenejo de Romo. Tio preterpasis la limon de la pacienco de la romianoj. La nova imperiestro, Aŭreliano, militis kontraŭ Palmiro kaj venkis la armeon de Zenobia la jaron 272 en Emeso. La reĝino estis kaptita kiam ŝi intencis fuĝi al Persujo kaj forportita al Romo.







## Sankta Helena

Flavia Julia Helena, ankaŭ konata kiel Helena de Konstantinopolo, estis la patrino de la imperiestro Konstanteno, proklamita sanktulino far la eklezioj katolika, ortodoksa kaj luterana. Devenanta el modesta familio, ŝi estis la unua edzino de Konstancio Kloro imperiestro kolego de Diokleciano. Konstacio eksedziĝis el ŝi en la jaro 292 por edziĝi al la filino de alia imperiestra kolego.
Konvertita al la kristanismo, kiu tiam estis religio persekutata de Diokleciano, ŝi influis sur sia filo Konstanteno, kiam ĉi tiu iĝis imperiestro, por la permesigo de la kristana religio.
Ŝi dediĉiĝis al la serĉado de antikvaj kristanaj relikvoj Ŝia famo en la historio estas pro tio ke oni atribuas al ŝi la eltrovon de la kruco de JesuoKristo dum ŝia esplorado en Jerusalemo. Estas ankaŭ multaj legendoj pri ŝia vivo.

## Gala Placidia

Tipa figuro de personaĵo de trono-ludo. Gala Placidia naskiĝis en la jaro 388; estis filino de la imperiestro Teodozio, duonfratino de Honorio kaj Arkadio. Ŝi travivis la gravajn eventojn de la invado de Italio far la barbaroj kaj internaj ribeloj en la febliĝanta romia imperio. Gala estis nepino, filino, fratino, edzino, patrino kaj onklino de imperiestroj, meze de intrigoj celante la povon kaj sur la fono de la barbaraj invadoj de la imperio. Ŝi estis kaptita de la gotoj dum ĉi ties disrabado de Romo (410). En 414 la goto Ataŭlfo edziĝis al ŝi kaj forportis ŝin kun li kiam la gotoj devis retiriĝi el Italio. En Barcelono mortis filon de tiu geparo kaj poste Ataŭlfo mortis viktimo de konspiro. En la jaro 415 Placidia estis redonita al la romianoj ŝanĝe de granda kvanto da tritiko. En 417 ŝi edziniĝis, laŭ ordono de Honorio, al la generalo Konstancio, al kiu ŝi naskis unu filo, Valentiniano, kaj unu filino, Honoria. Duafoje vidvino, ŝi devis forlasi Romon pro malamikeco kun Honorio kaj rifuĝi en Konstantinopolo kie regis ŝia alia frato Arkadio. Post la morto de Honorio, ŝia filo Valentiniano iĝis imperiestro kaj dun ĉi ties infanaĝo, Gala devis roli kiel regentino. En ĉi tiu lasta etapo de sia vivo ŝi travivis la invadon de Italio fare la huno Atilo.

## Teodora

Prototipo de virino kiu de tre modesta deveno kapablas ascendi al plej alta pinto de povo kaj gloro. Estante filino de cirkestro, dancistino kaj hetajro ŝi ekregis en 527 kiam lia edzo, Justiniano, iĝis imperiestro de Bizanco. Ŝi ege influis lin dum la tuta vivo kaj prenis multajn decidojn plenaj de saĝeco kaj kuraĝo sed ankaŭ de orgojlo kaj venĝemo. Dum la Nika-ribelo de 532 ŝi malpermesis al Justiniano fuĝon el la ĉefurbo savante la tronon. Ŝi povas esti kvazaŭ pionirino de la feminismo ĉar prohibis la devigan prostituadon kaj favoris la pliigon de la virinaj rajtoj por la kazoj de divorco kaj rilate al la posedado, severe punis la seks-perforton, malpermesis la forlason de nedezirataj beboj kaj mortpunon de la adultulinoj. Eble pro la malfacila vivo de sia junaĝo ŝi estis inklina helpi la senfortunajn virinojn.

## Hipatia de Aleksandrio

Filozofino, matematikistino… Hipatia estis filino de Teono, profesoro de la Muzeo de Aleksandrio. Ŝi interesiĝis pri la instrumentoj tiam uzataj por la astronomia esplorado, kaj ellaboris tabelojn pri la movoj de la astroj. Sed ŝi dediĉiĝis ĉefe al la matematikoj kaj al la instruado. Inter ŝiaj disĉiploj estis la episkopo Sinesio de Cireno kaj Oresto kiu poste estis romia pretoro en Egiptio.
Inter la malamikoj de Hipatia estis la episkopo de la urbo, Cirilo. Kadre la interfrontiĝoj de tiu episkopo kun la romia pretoro, en marto de la jaro 415, iu amaso da religiaj fanatikuloj, instigitaj de Cirilo, mortigis Hipatian en iu surstrata tumulto. Eble la figuro de Santa Katarina de Aleksandrio estas mita fikcio inspirita en la historio de Hipatia.





## Eleonoro de Akvitanio

Franca-angla reĝino. Ŝi havis tre viglan kan aŭdacan karakteron, grandan klerecon, amis muzikon kaj literaturon. Heridintino de la dukejo de Akvitanio, estante 15-jara en 1137, baldaŭ ŝi edziniĝis al la franca reĝo Ludoviko la 7-a. En la reĝa kortego Eleonoro instigis viglan vivon de belarto kontraŭ la volo de sia edzo. Oni imputas al ŝi multajn amoradojn. Ŝi akompanis sian edzon al la dua krucmilito, kiu rezultis katastrofa. En sia geedzeco kun Ludoviko ŝi naskis nur du filinojn. Pro tio kaj pro la memstarema karaktero de Eleonoro, Ludoviko postulis eksedziĝon, kiun oni oficialigis kiam ŝi estis 30-jara. Nur du monatojn poste ŝi edziniĝis al la angla princo Henriko Plantagenet, kiu du jarojn poste iĝis reĝo de Anglio. Ŝi naskis kelkajn gefilojn al Henriko sed la interrilatoj de la reĝa geparo ne estis bonaj. Dum iom da tempo ŝi estis en malliberejo laŭordone de sia edzo, sed post ĉi ties morto liberigis ŝin sia filo Henriko la 3-a. La lastajn jarojn de sia vivo, ŝi dediĉiĝis al la demarŝado de la geedziĝoj kaj la politikaj interesoj de sia idaro. Ŝi mortis en 1204.

## Sankta Katarina de Sieno



Ŝi vivis nur 33 jarojn, inter 1347 kaj 1380. Se konsideri ke ŝi apenaŭ ricevis instruon kaj preskaŭ ĉio lernita de ŝi estis aŭtodidakte, mirindas la alta grado je klereco kiun ŝi atingis en la skolastika kulturo kaj teologio. Mistikulino, ŝi profesiis kiel triaordena dominikanino. Tamen ŝi ne dronis en la senaktivan vivon de monaĥa retiriĝo sed dediĉiĝis perlere korespondi kun multaj personoj, inter ili la ĉefaj aŭtoritatuloj de la italaj teritorioj plendante por la paco inter la italaj respublikoj kaj por la reveno de la papa kortego el la ekzilo de Avignono al Romo. Instigis la papon Gregoron la 11-an reformi la klerikaron kaj la adminitradon de la papaj teritorioj. Dum la daŭro de la pesto de 1374, Katarina alkuris por senlace helpi kaj zorgi pri la malsanuloj.
Katarina de Sieno estis proklamita Doktorino de la Eklezio en 1970. Ŝi estas unu el la du sanktaj patronoj de Italio, kune kun Francisko el Asizo.



## Kristina de Pizano

Ŝi naskiĝis en Venezio en 1363 aŭ 1364, kaj vivis sian infanaĝon en la kortego de la franca reĝo Karolo la 5-a, kies biografion ŝi poste verkis. Post 10-jara feliĉa geedza vivo, ŝi iĝis vidvino kiam ŝi estis 25-jara kaj de tiam ŝi devis vivteni siajn 3 tri gefilojn, kaj tion ŝi faris per verkado, kaj ŝi eĉ devis juĝ-procesi por sia heredaĵo. Baldaŭ ŝia verkaro centriĝis en la defendo de virinoj kontraŭ antaŭjuĝoj en verkoj de viroj. Ŝi estis la unua profesia verkistino en la okcidenta kulturo. Krom verki, ŝi ankaŭ dediĉiĝis analizi sian epokon kaj ege batalis kontraŭ la mizoginio kaj la tiamaj kutimaj artaj sterotipoj, kiuj respondis al vira influo. Dum sia 30-jara dediĉiĝo al la verkado, de 1399 al 1429, ŝi aŭtoris 41 verkaĵojn. Pro la tipo kaj la idearo de sia verkaro, ŝi povas esti konsiderata pionirino de la feminismo. Fakte, ŝi uzis la lingvon por konvinkigi pri tio ke virinoj povus ludi gravan rolon en la socio. En ŝia verkaro aperas detala biografia informo, pri sia problemaro kiel vidvino… io nekutima en tiu epoko. Inter sia verkaro troviĝos unu poemo dediĉita al Johanino de Arko.

## Johanino de Arko



Johanino de Arko naskiĝis en 1412 en la sino de kamparana familio en Donremo. Ŝia vivo disvolviĝis dum la lastaj jardekoj de la Centjara Milito, al kies fino, kun la venko de Francio ŝi kontribuis. Ŝi rolis kiel milit-estrino de armeo kiu batalis favore al la fraca daŭfeno kontraŭ la anglaj trupoj de Henriko la 6-a. Estas famkonta ŝia liberigo de la urbo Orleano kaptita de la angloj. Poste ŝi komandante ŝian kelkmilan soldataron venkis la anglojn en kelkaj bataloj. Ĉio ĉi ebligis la kronadon de la daŭfeno Karlo la 7-a en Reims. Por ke tio okazu, estis necese ke la daŭfeno kaj ceteraj francaj altranguloj kredus je ŝia misio kaj metus armeon sunkomanden de dudekjara knabino, kaj ke la trupoj komanditaj de ŝi batalus fascinitaj de ŝia karismo kaj memkonfido, kaj ke ŝi mem kredus je la ĉielaj mesaĝoj kiuj si asertis ricevi. Ĉiukaze la ĉielo ne favoris ŝin senĉese; en iu batalo ŝi estis kaptitaj de la malamikoj kaj post inkvizicia proceso ŝi estis bruligita sur la ŝtiparo. Jardekoj poste ŝi estis rehabilitigita, kaj nuntempe ŝi estas konsiderata landa heroino de Francio.



## Hildegarda de Bingen

Mezepoko estis prodiga en la produktado de mistikuloj. Kaj estis ankaŭ mistikulinoj. Hildegarda de Bingen estis mistikulino, sed ŝi elstaris pro multaj aliaj aferoj. Ŝi estis germana monaĥino naskiĝinta en 1098. Ŝi fondis kaj estris monaĥinejojn, predikis, verkis librojn pri teologio, filozofio, poezio, naturscienco kaj kuracado, kaj komponis 70 muzikaĵojn. Ŝi estis ankaŭ dram-verkistino kaj politika konsilantino; dum deko da jaroj ŝi redaktis sian plej gravan teologian verkon ***Scivias*** (latine: ***Sciu la vojojn***). Ŝia influo fariĝis tiel granda, ke eĉ reĝoj, episkopoj kaj sciencistoj el tuta Eŭropo koresponde petis sian helpon aŭ konsilon. Ŝia muziko apartenas al aparta branĉo ene la muzika tiel nomata gregoria; nuntempe ĝi retrovas intereson kaj oni denove ludas kaj surdiskigas ĝin. Krome trovas vastan aprezon nuntempe ankaŭ la medicinaj scioj de Hildegarda, ŝia maniero sanigi per herboj kaj ŝtonoj. Oni kultas ŝin kiel sanktulino, kaj en la jaro 2012 ŝi estis proklamita Doktorino de la Eklezio.

## Izabela de Kastilio

Naskiĝinta en 1451, reĝis en Hispanio ekde 1474 ĝis 1504. Ŝi estas grava figuro en la hispana historio por bono kaj malbono. Post la morto de sia frato Henriko la 4-a, ŝi uzurpis la tronon de Kastilio, kiu laŭ la dinastia leĝaro apartenis al ŝia nevino Johanino. Per sia edziniĝo al Ferdinando de Aragono oni faris egan elpaŝon en la procezo de unuiĝo de Hispanio, ankoraŭ ne feliĉe kulminita se konsideri la nuntempan konflikton en Katalunio. Per la konkero de la maŭra regno de Granado, la reĝa geparo metis finon al la Rekonker-militado komenciĝinta preskaŭ 8 jarcentojn antaŭe. Mense influitaj de la maltolerema spirito de la epoko, tiuj gereĝoj forpelis el Hispanio la judojn kiuj ne konsentis ricevi kristanan bapton. Pozitiva elpaŝo de tiu reĝado estis la malfortigado de la politika povo de feŭdsinjoroj, kvankam ankoraŭ dumlonge persistis la ekonomia povo de tiu klaso. Estis dum tiu reĝado kiam la navigisto Kristoforo Kolombo alvenis al la Amerika kontinento, kio estis inico de konkerado de grada hispana kolonia imperio.









## Lucrezia Borgia

Naskiĝinta en 1480, ŝi estis filino de la hispana kardinalo Rodigo Borgia, poste papo Aleksandro la 6-a, kaj fratino, i. a. de la fama Cezaro Borgia. Oni ofte akuzis ŝin pri kulpoj kaj fiagoj de la familio, sed fakte ŝi estis nura ilo por la celoj de tiu aristokrata familio de Renesanco. Ŝiaj tri geedziĝoj servis la ambiciajn planojn de la patro kaj la frato. En 1491 ŝi edziniĝis, unu post alia, al du nobeloj. La papo volis alianci kun la familio Sforza de Milano, tiel Lucrezia iĝis edzino de Giovanni Sforza, en 1493. Kiam poste Aleksandro alianciĝis kun Napolo, Giovanni fuĝis el Romo kaj iĝis malamiko de la familio Borgia, poste li akuzis je incesto Lucrezian kaj ĉi ties patron. En 1497 la papo senvalidigis la geedziĝon. Tria edziniĝo ŝia, laŭ aranĝo de Aleksandro, estis en 1501 kun Herkulo d'Este, al kiu ŝi naskis filon. Post malfeliĉa geedza vivo ŝi mortis estante 39-jaraĝa.

## Ana Bolena

Naskiĝinta en 1507, ŝi estis la dua edzino de la la reĝo Henriko la 8-a de Anglio. Filino de diplomato, ŝi konis kelkaj reĝajn kortegojn de la epoko kaj en 1526, estante damo de la reĝino Katarina, edzino de Henriko, ĉi tiu enamiĝis al ŝi. Ana rifuzis iĝi amantino de la reĝo. Du jarojn poste Henriko proponis al ŝi geedziĝon kaj ŝi konsentis, sed la reĝo estis ankoraŭ laŭleĝe edzigita la Katarina de Aragono kaj malsukcesis en siaj demarŝoj por ke la papo nuligu tiun geedziĝon. La influo de Ana estis granda kaj ŝi sukcesis persvadi la reĝon por la eksigo de la ĉefministro, la episkopo Volsej. En 1531 Henriko forpelis sian edzinon kaj loĝigis Anan en ties ĉambroj. Henriko sendependigis la anglan eklezion el la papo pro ties rifuzo nuligi la geedziĝon kun Katarina. En 1533 formaliĝis la geedziĝo de la reĝo kun Ana Bolena. Tamen ŝi ne sukcesis naski al la reĝo la deziritan viran filon. Post kelkaj jaroj ŝi perdis la favoron de la reĝo kaj estis senkapigita laŭ ĉi ties ordono.

## Izabela de Anglio

Ŝi estis filino de la reĝo Henriko la 8-a de Anglio kaj Ana Bolena. Naskiĝinta en 1533, ŝi ekregis la landon en 1559 post la morto de siaj gefratoj. Unu el ŝiaj unuaj dispozicioj estis reestabli la anglan eklezion sendependan el Romo, el kiu ŝi fariĝis la ĉefa aŭtoritato. Oni nomis ŝin "virga reĝino" tial ke ŝi neniam volis edziniĝi, tamen, jes ja, ŝi havis amantojn. Ŝajnas ke la kialo de ŝia rifuzo al geedziziĝo estis resti libera el vira influo en la politika demarŝado de la lando. Ŝia reĝado karakteriĝis pro religia malstabileco kaj granda kultura splendo, kun figuroj kiel Ŝekspiro kaj Christopher Marlowe; estis ankaŭ gravaj personaĵoj kiaj Francis Drake kaj John Hawkins. Ŝi tenis malbonan rilaton kun Filipo la 2-a de Hispanio, kun kiu ŝi havis militon kiu ruinigis ambaŭ landojn. Ŝia reĝado daŭris pli ol 44 jarojn, dum kiuj ŝi devis alfronti kaj perforte sufoki kelkajn konspirojn generitaj de la tiama interfrontiĝo inter katolikoj kaj protestantoj.

## Izabela de Medico

Filino de la 2-a duko de Florenco, Kosmo de Medico. En 1553, estante 7-jara, ŝiaj gepatroj interakordis ŝian edziniĝon al Pablo Giordano Orsino, duko de Bracciano. La nupto okazis kiam ŝi estis 16-jara. Ŝi estis inĝenia kaj senhezita, kaj estis edziniĝinta al cinika, impulsiĝema kaj perfortema viro. Ofte li forvojaĝis pro siaj negocoj, kaj Izabela iĝis amantino de la kuzo de sia edzo, Trojlo Orsino. Forpasinte ŝia patro, Izabela perdis ties protekton kaj ankaŭ ne ĝuis tiun de ŝiaj fratoj. Do, ŝia edzo decidis venĝi la malhonoron kaj mortigis ŝin propramane. Antaŭ malmultajn tagojn unu el la fratoj de Izabella estis mortiginte sian edzinon similmaniere kaj pro sama kialo. Tia agado de tiuj uloj de Renesanco estis pritaksata en la epoko kiel justa faro por lavi ilian honoron, kiel atestas multaj postaj poetoj kaj verkistoj. Iamaniere, tiuj aristokrataj inoj, kiuj defiis la moralan kriterion de la epoko, povas esti konsiderataj kiel pionirinoj de la seksa revolucio.





## Katarina de Medico

Filino de Lorenzo la 2-a de Medico, ŝi iĝis reĝino de Francio pro ŝia edziniĝo, en 1547, al la reĝo Henriko la 2-a. al kiu ŝi naskis dek gefilojn, inter kiuj tri el ili fariĝis reĝoj de Francio sinsekve. Ŝia geedza vivo ne estis feliĉa; Henriko vivadis amor-rilaton kun sia favoratino Diana de Poitiers; poste li havis tragikan finon pro akcidento en turniro. Katarino iĝis regentino dum la infanaĝo de sia idaro; ŝi estas unu el la plej emblemaj estroj de Francio dum la 16-a jarcento, ŝia nomo neeviteble rilatas al la tiamaj militoj pri religio en tiu lando. Tial ŝi havas malbonan reputacion ĉar estas prezentata, far historiistoj kaj verkistoj, kiel severa, potencavida estrino, ĉefe pro ŝia rolo okaze de la amasmurdo de la t. n. Nokto de Santa Batolomeo. Ŝi mortis en 1589.


Germana de Foix


Barbara Blomberg


Izabela de Osorio


Princino de Eboli

## Reĝaj favoratinoj

Kompreneble, la listo estas multe pli granda ol tiu de la inoj kiujn oni prezentas ĉi-paĝe. Temas pri virina hom-tipo ene de kiu malfacilas trovi difinitan embleman figuron ĉar estis tre diversaj tipoj je reĝaj amantinoj. La 16-a kaj 17-a jarcentoj kaj la kortegoj de Hispanio kaj Francio (ĉefe Francio) estis speciale fekundaj tiorilate. Inter ili troviĝas iu kiu est(int)is vera reĝino: Germana de Foix, kiu naskis filinon al la juna Karolo la 5-a, kiam ĉi tiu ankoraŭ ne estis imperiestro de Germanio, estis ties boavino ĉar ŝi estis edzinta al lia avo Ferdinando la Katoliko. La sama Karolo la 5-a, jam imperiestro, havis kiel amantinon Barbara-Blomberg-n, el kies kunrilato naskiĝis Johano de Aŭstrio kiu famiĝis pri ties venko en Lepanto sur la turka mar-armeo. Filipo la 2-a de Hispanio havis almenaŭ kvar amantinojn; inter ili ĉefas la nobelino Izabela de Osorio kaj Ana Mendoza, edzino de la Princo de Eboli; al ambaŭ li generis filojn. Agnès Sorel estis favoratino de la reĝo Karlo la 7-a de Francio. En la sama lando, Francisko la 1-a havis 7 amantinojn, inter ili Anne de Pisseleu. Lia filo Henriko la 2-a havis 4 amantinojn, inter kiuj elstaris Diana de Poitiers. Karolo la 9-a havis nur unu favoratinon (li mortis sufiĉe juna), kaj Henriko la 3-a havis ses amantinojn. La ĉampiono estis sendube Henriko la 4-a, kun ne malpli ol 32 amantinoj, kies nomojn ni ne povas listigi ĉi tie pro manko de spaco. Lia filo Ludoviko la 13-a havis neniun inan favoraton (li estis samseksemulo); fakte liaj oficialaj filoj estis, reale, filoj de la Kardinalo Mazarino. Sed Ludoviko la 14-a havis 17 favoratinojn, inter kiuj elstaras Louise de la Vallière, la markizino de Montespan kaj la markizino de Maintenon. Rimarkindas ke tiuj nobelaj titoloj estis asignitaj al ili far la reĝo mem kiel pago pro iliaj altvaloraj servoj al la ŝtato, kiu estis li mem, laŭ propra aserto lia. La fama markizino de Pompadour estis la ĉefa favoratino inter la 16 amantinoj de Ludoviko la 16-a. María Calderón, famkonata kiel "la Kalderona" estis teatra aktorino al kiu enamiĝis la hispana reĝo Filipo la 4-a. kaj kiu naskis al li la bastardon, Johano-Jozefo de Aŭstrio, kiu ludis ian militistan kaj politikan rolon en la lando. Tiu Filipo la 4-a havis serion da amantinoj ebli pli grandan ol tiu de Henriko la 4-a de Francio, kaj inter ili, oni diras, estis iu monaĥino de Madrido.


Agnès Sorel


Nicole de Savigni


Madamo de Montespan


Ana de Pisseleu


Diana de Poitiers


Louise de la Vallière


La Calderona


Madamo Maintenon


Madamo du Barry


Madamo Pompadour







## Maria Estuart

Ankaŭ nomata Maria la 1-a de Skotlando (1542-1567). Kroninta reĝino kiam ŝi estis unu-jara, en komplika epoko por la lando kaj por Eŭropo pro la religiaj militoj. La eta reĝino estis sendita al Francio por savi ŝin el angla invado. En tiu lando oni edzinigis ŝin al la princo Francisko, kiu heredis poste la tronon post la tragika morto de Henriko la 2-a. Post la morto de ŝia edzo en 1560, Maria revenis en Skotidon kie tiam estis ega kontraŭfrontiĝo inter katolikoj kaj protestantoj. Ŝia dua edziniĝo komplikis la rilatojn kun Anglio kaj la protestantoj. Post la naskiĝo de ŝia filo Jakobo, komplikiĝis ankaŭ la rilatoj kun ŝia edzo. Fuĝante el ribelo ŝi rifuĝis en Anglion, kie ŝi falis sub la povo de la reĝino Izabela kiu, timante konspiron, igis aresti kaj mortigi ŝin.
Multaj verkoj kaj filmoj priraportas la vivon de tiu malfeliĉa reĝino.

## Tereza de Jesuo

Tereza Sánchez de Cepeda kaj Ahumada (1515-1582), konata ankaŭ kiel Tereza de Avilo, prenis la nomon "Tereza de Jesuo" kadre de ŝia monaĥa vivo. Tiu hispana monaĥino famiĝis kiel mistikulino en epoko kiam la mistikismo, tiel ofta en Eŭropo dum Mezepoko, komencis esti rara fenomeno. Laŭ ŝi mem informis, ŝi komencis avide legadi jam ekde sia infanaĝo. Kiam ŝi estis 15-jara mortis ŝia patrino kaj ŝi estis zorgata de aŭgustenaj monaĥinoj. En 1535 ŝi aliĝis al la karmelanoj, kies ordeno poste ŝi reformis. Ŝi fondis novajn konventojn. Ŝi grave malsaniĝis kaj komencis sperti statojn de vizioj kaj ekstazo, pri kiuj ŝi priraportis. Dum la cetero el ŝia vivo ŝi travivis tiun psikan malekvilibron rezulte de la vivo-stilo kiun ŝi elektis: ia kombino je preĝado, fastado, pentofarado kaj ĉasteco. En 1622 ŝi estis proklamita sanktulino, kaj en 1970 Doktorino de la Eklezio.

## La monaĥina serĝento

Temas pri viro, krome kun militista alvokiĝo, enkaptita en virinan korpon kaj krome enfermigitan en monaĥinejon estante 4-jara. Katarina de Erauso naskiĝis en 1585 en la hispa naurbo Santa-Sabastiano, filino de militisto, ŝi amis de ŝia infanaĝo tiun profesion. Estante 15-jara ŝi fuĝis el la konvento kie ŝi estis enfermita, forrazis ŝian inan hararon kaj surmetis virajn vestojn. Ŝia fizika aspekto tute ne estis ina, do ŝi dum kelkaj jaroj, uzante virajn nomojn, povis servi kiel paĝio en kelkaj hispanaj lokoj. Fine, en 1603 ŝi ŝukcesis enŝipiĝi destine al Ameriko. Post roli dumtempe kiel maristo kaj multaj aventuroj en kiuj abundis perforto, en 1619 ŝi iĝis soldato kaj partoprenis en la hispana koloniista militado en Ĉilio kie atingis la rangon je ***alférez***, t. e. serĝento aŭ sub-leŭtenanto. Post multaj pluaj perfortaj aventuroj oni malkovris ŝian inecon sed de tiam oni permesis al ŝi vesti kaj vivi kiel viro.



## Ana de Aŭstrio

Naskiĝinta en 1601, filino de la hispana reĝo Filipo la 3-a, edziniĝis al la franca reĝo Ludoviko la 13-a. Famigis tiun reĝinon la verko ***La tri musketistoj*** de Aleksandro Dumas, kiu pririlatas ŝian idilion kun la angla duko de Backingam. Tiu am-afero ne estis legendo; ŝi intencis forfuĝi kun la duko. Poste ŝi enamiĝis al Kardinalo Mazarino kaj naskis filojn al li; ŝia reĝa edzo ne sentis altiron al la virinoj. Post la morto de Riĉelieu kaj Ludoviko la 13-a, ŝi devis roli kiel regentino de la eta princo Ludoviko la 14-a. Dum tiuj jaroj la fakta reganto de la lando estis Mazarino, kiu estis sekrete edziĝinta al la reĝino. Estis jaroj malfacilaj por Francio, kun eksteraj militoj, kaj interna malpaco pro kontraŭfrontiĝo de la nobelaro kaj la popolaj tavoloj kontraŭ la kortego. Ŝi mortis dum la reĝado de sia filo, en la jaro 1666.

## Kristina de Svedio

Naskiĝinta en 1626, ŝi reĝis Svedion ekde 1632 ĝis 1654. Pro pro ŝia juanaĝo ŝi ne havis politikan demarŝadon ĝis 1644, kaj plenpovon ĝis 1650 kiam ŝi estis kronita. Tamen post kvar jaroj ŝi rezignis la reĝan rangon kiam konvertiĝis al la katolikismo, kio vekis skandalon en la lando ĉar ŝia patro estis fervora protestanto kaj kiel tia li partoprenis en la 30-jara milito, en iu el kies bataloj li mortis. Notindas ke Kristina ne estimis la lukson kaj la virinajn kutimojn. Ŝi estis inter la unuaj virinoj kiuj kutime uzadis virajn vestaĵojn. Forlasinte Svedion ŝi vojaĝis tra kelkaj eŭropaj landoj kaj plejofte loĝadis en Romo ĝis ŝia morto en 1689. Pri ŝia vivo oni verkis dekon da libroj kaj oni faris ankaŭ plurajn filmojn.





## Pincino de la Ursinoj

Marie-Anne de la Trémoille (1642-1722), franca aristokratino. Pro sia edzinĝo al la itala princo Flavio degli Orsini, estis konata en kiel "Princino de la Ursinoj" en Hispanio, kie ŝi, jam vidvino, ludis gravan rolon en la reĝa kortego de Filipo la 5-a, nepo de Ludoviko la 14-a de Francio. Kvankam ŝia oficiala titolo en Madrido estis tiu de "Unua damo de la reĝino", la rolo kiun fakte asignis al ŝi la kortego de Versajlo estis kontroli la junan reĝon Filipon kaj certigi la enradikigon de la borbona dinastio en Hispanio. En tiu rolo ŝi lerte regis la landon dum la malfacilaj jaroj de la Milito de Sukcedo (1701-1713), kaj poste ĝis fine de la jaro 1714, kiam la nova reĝino de Hispanio forpelis ŝin el la povo kaj ordonis ŝia ekziligon.

## Katarina la 2-a de Rusio



Estis grava imperiestrino de Rusio. La tempo de ŝia regado estas konsiderata la ora erao de la rusa imperio. Ŝi havis nobelan germanan originon. En 1744, kiam ŝi estis 15-jara, estis prezentata al la carino Elizabeta Petrovna kiel kandidatino por edziniĝi al la princo Petro Teodoroviĉo. Ŝi penis lerni la rusan lingvon, kulturon kaj religion, kaj sukcesis esti elektita kiel edzino de la heredonto. En 1754 nakiĝis Paŭlo, la ido de la princa geparo. En 1762 Petro iĝis caro; la interrilatoj de la geparo ne estis bonaj kaj de tiam iĝis pli malbonaj. Duma la maniero regadi de Petro vekis malkontenton en la militistaro kaj aliaj sektotoj de la rusa socio. Katarina sciis profiti la situacion por puĉi kontraŭ sia edzo. Ĉi tiu sin vidis devigita abdiki; poste li estis arestita kaj baldaŭ pereis, verŝajne murdita. Oni proklamis kaj kronis Katerinon kiel imperiestrino kaj dum la sekvintaj 32 jarojn, ĝis ŝia morto en 1796, ŝi regadis la imperion prenante dispoziciojn por la plibonigo de ĉiuj aferoj de la lando.

## Maria Ludovikino de Parmo



Ŝi estis edzino de la hispana reĝo Karlo la 4-a, lasta el la Malnova Reĝimo en tiu lando, ekde 1765, kiam ŝi estis 14-jara. Ŝi akuŝis sep gefilojn, ne ĉiuj el sia edzo ĉar ŝi havis kelkajn amantojn, inter kiuj elstaris Manuel Godojo kiu krome estis promociita de ŝi al la regado de la hispana lando kaj imperio kiel ĉefministro. La vaganta politiko de tiu ministro dum tiuj jaroj kontribuis al la politika katastrofo en kiu dronis Hispanio: la sepjara milito (1808-1815) kontraŭ la okupado de la lando far la napoleona armeo. El tiu ĥaosa etapo ne supervivis la reĝandon de Karlo la 4-a. Li kaj lia edzino Maria Ludovikino de Parmo restis ekzititaj ekde 1808, unue en Francio kaj poste en Italio, dum la cetero el siaj vivoj. Maria Ludovikino mortis komence de la jaro 1819.

## Dukino de Albo



Maria Tereza de Silva Alvarez de Toledo (1762-1802). Krom tiu titolo de dukino de Albo, ŝi havis multajn aliajn: tri dukecoj, ok markizecoj, 13 grafecoj, kvar baronecoj kaj unu sinjoreco, kaj post la morto de sia edzo, sen idaro, ŝi heredis kromajn titolojn: du princecoj, kvar dukecoj, ok markezecoj, ok grafecoj kaj unu baroneco. Aldonindas ke, fakte, ĉiuj tiuj titoloj implicis la posedadon de feŭdaj teritorioj. Ŝi estis, sendube, la plej riĉa ino en la lando, eble pli ol la tiama reĝino, Maria Ludovikino de Parmo. Ambaŭ inoj estis rivalaj kaj ne nur en kio rilatas al riĉeco ĉar ambaŭ konkuris por atingi la seksajn favorojn de samaj viroj, ĉefe la ministro Godojo. Pri la rivaleco inter ambaŭ altrangulinoj oni konas tiu kazon kiam, en iu solena festo de la aristokratraro, la dukino de Albo prezentiĝis kun siaj servistinoj kiuj iris vestitaj per roboj tute egalaj al tiu kiun portis la reĝino. Estas iu filmo, ***Volaverunt***, pri tiu kortego, per kiu oni prezentas la tezon ke la reĝino kulpas pri la frua kaj stranga morto de la dukino.







## Maria Antonietta

Maria Antonietta Jozefino Johanino de Habsburgo-Loreno (1755-1793), estis reĝino de Francio ekde 1774 pro edziniĝo kun Ludoviko la 16-a. Ĝis la jaro 1789, komenciĝo de la Franca Revolucio, ŝi vivis en la lukso kaj splendo de la kortego de Versajlo. Ŝi, pro ties fremda deveno, komence ne ĝuis la amon de la franca popolo. Tia teniĝo iome ŝanĝiĝis post la naskiĝo de la idaro de la reĝa geparo. Dum la unuaj jaroj de la Revolucio, ŝi konspiris, kun sia edzo, por ke ŝia frato, la imperiestro de Aŭstrio, militu kontraŭ la revolucia reĝimo, kaj eĉ intencis fuĝi eksterlanden. Fiaskinta en tiu plano kaj malkovrita la konspiro, la reĝa geparo estis enkarcerigita de la revoluciuloj. Ludoviko la 16-a estis juĝita kaj senkapigita komence de la jaro 1792, kaj Maria Antonietta suferis saman sorton en oktobro de 1793.

## Karlota Kordaj

France, Marie Anne Charlote Corday d´Armont, naskiĝis en 1768. Ŝajnas ke ŝi posteŭlino de la aŭtoro Pierre Corneille, sed la historio memoras ŝin pro ŝia konkreta faro dum la Franca Revolucio, t. e. la murdo de Jean-Paŭl Marat. La evento enkadriĝas en la situacio de interfrontiĝo pro la kontraŭdiroj inter la revoluciaj tendencoj de la jakobenoj kaj la ĝirondistoj. La jakobeno Marato estis inter la plej radikalaj malamikoj de la ĝirondistoj kaj aliaj kolektivoj, revoluciaj aŭ ne, kaj instigadis kontraŭ ili perforton ekde la paĝoj de la ĵurnalo kiun li publikigadis. Karlota implikiĝis en tiun konflikton kaj la 18-an de julio de 1793 prezentiĝis en la domo Jen-Paŭl kaj sukcesis aliri al la ĉambro kie li estis en banujo kaj tie perponarde mortigis lin. Ŝi estis poste gilotinita.

## Olipia de Gouges

France, Marie-Olympe de Gouze, naskiĝis en 1748. Ŝi estis verkistino kaj politikistino kiu partoprenis en la Franca Revolucio. Je sia 18-a jaro ŝi edziniĝis kaj post kelkaj monatoj naskis filon. Ŝia edzo mortis baldaŭ, tamen Maria ne reedziniĝis pro seniluziiĝo pri la edzineco, kiu donis al ŝi nenian feliĉon, tiel ke ŝi eĉ priskribis la geedziĝon kiel ***tombejo de fido kaj amo***, kvankam ŝi havis amrilaton kun iu ŝtatoficisto. Aŭtorino de la ***Deklaracio pri la Virinaj kaj Civitanaj Rajtoj***, ŝi multe verkis favore al civilaj kaj politikaj rajtoj de la inoj kaj al abolicio de la sklaveco. En 1793, ŝi akre atakis la responsulojn de la septembraj masakroj de malliberuloj. Fine ankaŭ ŝi estis mortigita per gilotino en Parizo la 3-an de novembro de 1793.



## Jozefina de Beauharnais

Marie Josèphe Rose Tascher de la Pagerie, naskiĝinta en 1763, estis la unua edzino de Napoleono Bonaparto kaj la unua imperiestrino de la unua imperio de Francio. Ŝi naskiĝis kaj loĝis en Martiniko (Malgrandaj Antiloj) ĝis kiam en 1780 edziniĝis en Parizo al Alexandre François Marie de Beauharnais, al kiu ŝi naskis kelkajn gefilojn antaŭ ilia separiĝo. Reveninte al Karibio, ŝi estis denove en Parizo en 1791 kaj tie ŝi troviĝis kiam okazis la Franca Revolucio. Dum la etapo de Konvencio ŝi estis enkarcerigita dum iom da tempo, ĝis la falo de Robespiero. Dank' al siaj sociaj kontaktoj ŝi konatiĝis kun Napoleono Bonaparto, al kiu edziniĝis en 1796. Post kelkaj jaroj da iome tempesta geedza vivo, Jozefina estis kronita imperiestrino de Francio. En 1810, ĉar ŝi ne naskis herendontan filon al Napoleono, la paro divorcis kaj Jozefino retiriĝis el la publika vivo kaj mortis en 1814. Multaj nuntempaj reĝaj familioj devenas de ŝi tra siaj gefiloj edziniĝ(in)taj al personoj de la tiama reĝeco.



## Mariana Pineda

Mariana de Pineda kaj Muñoz naskiĝis en 1804 en Granado, Hispanio. falo de Robespiero. Dank' al siaj sociaj. Junaĝe ŝi edziniĝis al Manuel Peralta Valte, liberala armeoficiro, sed ŝi restis vidva kun du infanoj en 1822. Estis la epoko kiam la absolutismaj fortoj en Hispanio, kun la apogo de la reĝo Ferdinando la 7-a, dediĉiĝis subpremadi la liberalan senton en la lando. Ŝi enviciĝis kun la liberalismio; en 1828 ŝi helpis la fuĝon de malliberejo de sia kuzo, la kapitano Ferdinando Alvarez de Sotomayor, konata liberalulo kiu estis mortkondamnita pro partopreno en la ribelo de Rafaelo de Riego. Ŝi estis arestita akuzita je komploto. Dum la proceso, la juĝisto provis konvinki ŝin perfidi ŝiajn ideojn por akiri liberecon, sed ŝi rifuzis kaj estis publike mortigita per garoto. Teatra verko de Federiko garcia Lorca kaj opero de la franca komponisto Louis Saguer honoras la figuron kaj la memoron de tiu heroino.



## Izabela la 2-a de Hispanio

Izabela de Burbono, filino de la hispana reĝo Ferdinando la 7-a, naskiĝis en 1830, kaj reĝis inter 1833 kaj 1868. Post la morto de ŝia patro, estante ŝi 3-jara, rolis kiel regentino ĝis 1840 ŝia patrino Maria Kristina de Burbono, kaj de tiu jaro al 1843 regentis la general Espartero. Tiuj jaroj de regenteco ne estis pacaj; ŝia onklo Karlo ne agnoskis ŝian rajton reĝi kaj estiĝis 16-jara civila milito. Estante ŝi 16-jara oni organizis ŝian edziniĝon al sia kuzo Francisko de Asizo de Burbono, persono kiu ŝi malamis, komencante la sinsekvo de amantoj, inter ili la kapitano Puig-Moltó, laŭ plutaj aŭtoroj la vera patro de ŝia filo Alfonso la 12-a. Dum ŝia reĝado moderniĝis per konstruo de pluraj fervojoj kaj progresis la industrio. Ŝia influo sur la politiko de la lando, aŭ la influo kiun aliaj faris pere de ŝi, ofte ne estis adekvata, tio ĝenis potencajn fortojn kiuj organizis ribelon por ekzili ŝin. Ŝi vivis poste ĝis la jaro 1904, plejofte en Francio, kaj kvankam povis poste reveni en Hispanion, la politika vivo de la lando daŭrigis sen ŝi.



## Eugenia de Montijo

Ŝi naskiĝis en Granado, Hispanio, en 1826. Ŝia patro estis la duko de Peñaranda kaj grafo de Teba, kaj ŝia patrino estis skotdevena. Eugenia estis edukita en Parizo, en la monaĥejo ***Sacre Coeur***. Kiam la princo Ludoviko Napoleono iĝis prezidento de la Dua Franca Respubliko, ŝi ĉeestis kun sia patrino en dancado oferita en la Palaco Elizeo. Tie ŝi konatiĝis kun la estonta imperiestro, kun kiu ŝi edziniĝis en januaro de 1853 estante li jam imperiestro. Tri jarojn poste ŝi naskis filon. Ŝia edzo ofte konsultis kun ŝi gravajn aferojn. Post malvenko de la Dua Imperio, la tuta familio ekziliĝis en Brition. Post la morto de Napoleono en 1873, Eŭgenia retiriĝis al vilao en Biarritzo. La eksimperiestrino forpasis 94-jaraĝa en 1920, dum vizito al Hispanio. En 1879 estis mortinta ŝia filo kiel brita oficiro en kampanjo kontraŭ la zuluoj en Afriko.



**Aŭgustenino de Aragono**

## Batalantinoj

Kvankam, ĝenerale, oni emfazas pri la pacema karaktero de la virinoj, en la realo foje okazas ke eĉ ne estante militemaj aŭ batalemaj, kelkaj inoj kaze je neceso sciis dece agadi kiel veraj soldatoj. En nia lando estas iuj emblemaj figuroj de virinoj kiuj rolis tiamaniere. Famkonata estas la kazo de la t. n., hispane, ***Agustina Raimunda María Zaragoza y Domench,*** naskiĝinta en 1786. Ŝi estis en Zaragozo kun sia edzo en aprilo de 1803 dum tiu urbo estis sieĝata de trupoj de la franca armeo de Napoleono. Tie Aŭgustenino realigis tiun faron kiu famigis ŝin. Falinte vunditaj aŭ mortaj ĉiuj defendantoj de unu pordo el la urbo, la francaj trupoj pretiĝis asalti ĝin. Aŭgustenino, kiu alvenis tiam portante manĝaĵon por sia edzo, prenis la meĉon el la manoj de iu vundita artileriano kaj sukcesis pafi per kanono sur la francaj trupoj kiuj estis alkurantaj al la enirejo. La alsaltantoj, timante embuskon, retroiris, kaj novaj defendantoj aliris bloki la truon, pludaŭrigante la reziston de la urbo.

Alia simila kazo estis okazinte en nia lando en majo de 1589, en la urbo Korunjo, ĉi-kaze kontraŭ anglaj trupoj, okaze de alsalto al tiu urbo, komandata de la admiralo kaj antikva korsaro ***Francis Drake*** kadre de la milita interfrontiĝo de la angla reĝino Izabela kaj la hispana reĝo Filipo la 2-a. La angloj estis malferminte breĉon en la murego de la urbo kaj komencia alsalti tra ĝi. Dum tiu alsalto rezultis morta la edzo de Maria Pita. Ŝi, plenkolere, forprenis la lancon de la angla flago kaj per ĝi mortigis la anglan oficiron kiu komandis la alsalton, kiu estis frato de la admiralo ***Drake***, kio demoralizis la alsaltantoj kaj igis ilin retiriĝi. Kelkaj verkoj pritraktas la vivon de tiuj heroaj virinoj.



**Maria Pita**

## Reĝino Viktoria

Aleksandrina Viktoria naskiĝis en 1819, kaj regis Brition ekde 1837 ĝis sia morto en 1901. Tiom longe ŝi reĝis ke oni nomis Viktoriana Epoko tiun periodon. Dum ĝi okazis la plej granda ekspansio de la Brita imperio, en kiu estis inkludita Irlando, Hindio, Pakistano, Bangladeŝo… Dum tiu epoko kulminis la industria revolucio, kiu okazigis grandajn sociajn kaj ekonomiajn ŝanĝojn en la lando. Ŝi estis 18-jara kiam ŝi heredis la tronon post la morto de tri onkloj sen legitima idaro. Ŝi edziĝis al sia kuzo, la germana princo Alberto de Saksio-Koburgo en 1840. Siaj naŭ filoj kaj 42 nepoj edz(in)iĝis al aliaj membroj de la reĝaro kaj nobelaro de Eŭropo. Ŝia figuro simbolis la modelon de la moralaj valoroj de la epoko. Post la morto de ŝia edzo en 1861, ŝi havis sekretan amrilaton kun ŝia servisto John Brown, kaj naskis filon lian kies ekzisto estis tre sekreta afero ĝis antaŭ kelkaj jaroj. Se konsideri ĉion, ŝajnas ke ŝi ne estis tre viktoriana.




Elizabett Cady Stanton


Klara Zetkin


Emmeline Pankhurst


Charlotte Lozier


Elizabeth Garret Anderson

## Sufragetinoj, feministinoj…

La 19-a jarcento kaj unuaj jardekoj de la 20-a vidis, ĉefe en Usono kaj Britio, la senlacan penbataladon de tiuj inoj de la plej disvolvigitaj landoj kiuj plenkonsciis pri tiu kontraŭdiro ke socio kiu disvolvis politikan teorion pri libereco, egaleco kaj frateco, tamen, en la praktiko konservis sklavecon kaj virinan submetigon. Ja, la komenca mobiliziĝo de virinoj okazis, ĝuste, en lando kie ekzistis grandkvanto da sklava laboristaro, kaj la unuaj paŝoj de tiu mobilizado estis kontraŭ tiu abomeninda institucio de la sklaveco. Poste venis ekkonsciiĝo pri aliaj malegalecoj en tiu "egaleca" kaj "demokratia" socio, la submetiĝo de la virinoj en kio rilatas al voĉdonrajto, laboro, edukado, edzina dependiĝo…
Tial ke tiu batalo por la virina emancipiĝo interkroĉiĝis, foje transvers-maniere, kun la celoj de aliaj movadoj, la feminista aktivularo devis alfronti la realaĵon de la diverseco de klas-deveno kaj aliaj diferencoj inter la aktivistinoj de la ina afero. La solvo ne ĉiam estis harmonia; la feminista movado, same kiel la laborista kaj aliaj movadoj ne estas fermitaj sektoj kie oni postulas totalan koincidon pri idearo. Tial la klasa deveno kaj aliaj ecoj de la sufragetinoj kaj feministinoj ĝenerale estas diversa, kaj jam en tiu 19-a jarcento ekestis la radikoj de la diversaj tendencoj kiuj poste floris kaj kiuj evidentiĝas ke la feminismo estas viva ento enkarnigita en la socia realo. La pionirinoj kiujn oni prezentas ĉi tie estas nur parto el la liderinoj kiuj, laŭlonge de unu jarcento kaj duono, simbolis la esperojn kaj la aspirojn de duono el la homaro.


Marie Deraismes


Victoria Woodhull


Lydia Becker


Lucretia Mott


Emily Wilding Davison


Susan B. Anthony


Emily Davies

## Sissi



Elizabeta Amalia Eugenia, dukino de Bavario, ankaŭ nomata ***Sissi***, naskiĝis fine de 1837 en Munkeno. Ŝi edziniĝis al Francisko-Jozefo, imperiestro de Aŭstrio, en 1854. Ŝi estis bela kaj klera, kaj kapablis akiri la estimon de la popolo, ankaŭ tiun de la intelektuloj. En la kortego de Vieno, al Sissi jam dekomence rezultis malfacile adaptiĝi al la strikta etiketo kiun oni praktikadis tie. Eĉ tiele, ŝi naskis kvar gefilojn de la imperiestro. Speciale streĉa estis la inter-rilato kun ŝia bopatrino, kaj devis suferi la doloron pro la perdo de du el siaj gefiloj. Ŝi estis murdita en Ĝenevo far la itala anarĥiisto Luiĝi Lukeni en 1898.



## Madamo Kurio

Maria Skłodowska-Curie, aŭ mallongnome Marie Curie (en Esperanto Maria Kurio) naskiĝis en 1887 en Varsovio. Ŝi esis fizikistino kaj kemiistino. En 1891 ŝi venis al Parizo por studi natursciencon en la Sorbono, kie ŝi en 1906 kiel unua virino iĝis profesorino. Kune kun sia edzo Pierre Curie ŝi esploris "radiantajn". En 1903 ŝi kune kun sia edzo kaj la franca fizikisto Antoine Henri Becquerel ricevis la Nobel-Premion pri Fiziko. Ŝia edzo mortis en aprilo de 1906. Ŝi daŭrigis sian sciancan esploradon kaj en 1911 ŝi ricevis Nobel-Premion pri Kemio pro la malkovro de la kemiaj elementoj radiumo kaj polonio. Ŝi estas la sola virino, kiu ricevis du Nobel-Premiojn kaj la sola homo kiu ricevis du malsam-fakajn sciencajn Nobel-Premiojn.
Malgraŭ siaj sukcesoj ŝi devis batali kontraŭ la malamikeco de reakciuloj pro esti virino kaj fremda. Tiel ŝi ne estis akceptita en la Akedemion pri Scienco kaj estis atakita per eksterordinara malvolemo de la grupo "Franca Agado", eĉ oni klopodis serĉi judan avon al ŝi por akrigi la polemikon. Ŝi estis apogata de liberaluloj, feministoj kaj kontraŭklerikaluloj. Ŝi estis la unua profesorino en la pariza universitato de la Sorbono. La 4-an de julio de 1934 ŝi mortis pro kancero, akirita pro la multjara laboro kun radioaktiveco. En 1955 ŝi iĝis la unua virino kiu estis entombigita pro siaj propraj meritoj en la Panteono en Parizo.



## Roza Luksemburgo

Rosa aŭ Roza Luksemburg naskiĝinta en 1871 en Lublino. En familio de judaj komercistoj, estis komunista teoriulino, filozofino, ekonomikistino kaj verkistino. Tre juna ŝi aliĝis al revoluciaj movadoj kaj devis fuĝi al Svisio. En 1898 ŝi translokiĝis al Germanio kaj aliĝis al la Socialdemokrata partio. Ŝi favoris revoluciajn taktikojn anstataŭ peni por atingi parlamentajn sidlokojn. Kvankam proksima al komunistaj pozicioj, ŝi havis polemikojn ankaŭ kun Lenino. Kun Karl Liebknecht ŝi gvidis la espartakisman movadon, kiu naskis la Komunistan Partion de Germanio. Ŝi konsideris la insurekcion de januaro 1919 grava eraro, sed subtenis ĝin kiel neevitebla evento. La registaro de la socialdemokrata Friedrich Ebert sufokis la revolucion kaj igis aresti la liderojn de tiu movado inter kiuj estis Roza Luksemburgo kaj oni mortigis ilin.



## Mata Hari

Margareta Gertruda Zelle naskiĝis en Nederlando en 1876. Ŝi estis dancistino kaj dediĉiĝis al spionado dum la Unua Mond-Milito. Ŝia artistnomo ***Mata Hari*** signifas "sunon", laŭvorte "okulo de la tago" en la malaja lingvo. En 1895 ŝi edziniĝis al nederlanda oficiro kaj du jarojn poste ambaŭ ekloĝas en Javo kaj Sumatro. Tie ŝi lernis azian dancarton. Post la separiĝo el sia edzo ŝi revenis al Eŭropo kaj fariĝis dancistino en Parizo. Ŝia ezotike erotika dancado rapide famigis ŝin.
Dum la mondmilito Mata Hari spionis kaj por Germanio kaj por Francio. Ŝi dediĉiĝis al tiuj operacioj iomete kiel ludo kaj ankaŭ pro neceso je mono por pluteni sian vivmanieron. En la jaro 1917 la franca sekreta servo arestis ŝin. La tribunalo deklaris ŝin kulpa pri ŝtatperfido kaj kondamnis ŝin al morto. Ŝi estis ekzekutita en oktobro de 1917. Oni faris plurajn filmojn pri sia vivo. Mata Hari fariĝis simbolo de virino kiu kontraŭfrontas la moralajn kanonoj de sia epoko kaj batalas por esti libera kaj sendependa en malfavoraj vivkondiĉoj.



## Klara Kampoamoro

Clara Campoamor Rodríguez naskiĝis en 1888. Ŝi estis verkistino, politikistino kaj defendanta de la virinaj rajtoj. Pro la frua morto de sia patro ŝi devis prokrastigi siajn unuaj studojn kaj dediĉiĝi al kelkaj laboroj por kunlabori en la familia ekonomio. Reiginte sian studadon en 1920, ŝi iĝis unu el la malmultaj inaj advokatoj kiam ŝi estis 36-jara. Ŝi estis elektita por la Parlamento de la 2-a Respubliko; tiam la virinoj povis esti elektitaj sed ne voĉdoni. Tiam ŝi partoprenis en la ellaborado de la Konstitucio, batalis kontraŭ la diskriminacio de la virinoj kaj favore al la ina voĉdonrajto, kiu oni atingis fine. Ŝi kreis la Virinan Respublikanan Union, sed post la militista ribelo kontraŭ la Respubliko kaj komenciĝo de la civilmilito, ŝi ekziliĝis en Parizon. En 1955 ŝi instaliĝis en visio kaj tie laboris kiel advokatino. Kvankam intencis reveni al Hispanio oni ne permesis al ŝi fari tion dum la diktatoreco de Franko. Ŝi mortis pro kancero en 1972.




## Sarah Bernhardt

Naskiĝinta en 1844 en Parizo, Marie Henriette Rosine Bernardt, estis la plej konata teart-aktorino de la 19-a kaj komenco de la 20-a jarcento. Ŝi estis ekstergeedza filino de Julie Bernardt, juda nederlandino kaj prostituitino de altnivela klientaro. Ŝian patron ŝi neniam ekkonis; eble estis riĉa komercisto de La Havre. Ŝajnas ke la familio de ŝia patro pagis por ŝia edukado , insistis ke ŝi ricevu katolikan bapton kaj lasis grandan monsumon pagotan kiam ŝi estos plenaĝa. Estante ŝi 7-jara, ŝia patrino sendis ŝin en internlernejon por junulinoj pagate per fonduso el la familio de ŝia patro. Ŝia patrino plialtiĝis al pintaj rangoj de la parizaj korteganinoj, t. e. altnivelaj putinoj, kaj kunuliĝis kun politikistoj, bankistoj, generaloj kaj verkistoj. Inter siaj amikoj estis la Duko de Morny, duonfrato de la imperiestro Napoleono la 3-a. Kiam ŝi estis 10-jara, Sarah estis akceptita en altnivela katolika lernejo. Ŝi estis 14-jara kiam la Duko de Morny aranĝis la aferon ke ŝi estu edukita por iĝi aktorino ĉe Franca Komedio, kio estis privilegio.

Por la spektakla mondo, ŝi ŝanĝis sian nomon de “Bernardt” al “Bernhardt”. Ŝi aktoris en la titolrolo ***Iphigénie*** de Racine en aŭgusto de 1862. De tiam ŝi teatrludis ĝis la jaro 1913, en ĉiutipaj roloj, eĉ viraj kiel ***Hamlet*** kaj ***Pierrot assassin***. Ŝia unua granda sursceneja sukceso estis en 1869, en la teatr-verko ***La Passant*** de Coppée. Ĝis tiu jaro ŝia teatra kariero ne estis tre sukcesa, kaj ŝi eĉ pensis forlasi tiun profesion. Fakte, en 1864 ŝi subite decidis lasi la teatron por vojaĝi kiel ŝia patrino, ekhavi amantojn. Ŝi venis por mallonga tempo al Hispanio, poste. Ĉeestante maskobalon en Bruselo, ŝi renkontiĝis kun juna belga aristokrato, la Princo Henri de Ligne, kaj havis amaferon kun li, el kiu ŝi restis graveda. En decembro de 1864, la 20-jara aktorino naskis sian solan filon Maurice Bernhardt. La familio de la princo ne permesis ke ĉiu tiu edziĝu al la aktorino. Sarah revenis al teatr-ludado kaj ekde 1869 ŝi sukcesis en tiu ofico kaj tre famiĝis. Post la franc-prusia milito kaj la Pariza Komunumo ŝi povis reveni al la Franca Komedio kaj komenciĝis rapida sukcesego. Jam tre baldaŭ ŝi estis la plej fama aktorino de sia epoko, festata en Francio kiel “la ora voĉo” kaj “la dieca”. En 1879-1880 ŝi aktorinis en Londono. Tiam, kaj poste, ŝi enspezis grandajn monsumojn, sed ŝiaj elspezoj estis eĉ pli grandaj. De 1886 al 1892 ŝi faris mondajn turneojn, kaj denove en 1901-1913. Ŝia lasta aktorado estis en tiu jaro 1913, kun la verko ***Jeanne Doré***. En 1914 oni devis amputi al ŝi kruron pro gangreno de iu antikva vundo. Tiam ŝi estis denove senmono. Sed de tiam ŝi vivis ankoraŭ ĝis la jaro 1923.





## Emilia Pardo Bazan

Emilia, grafino de Pardo Bazán, naskiĝis Korunjo en 1851. Ŝi estis hispana romanistino, gazetistino, eseistino kaj kritikistino kiu enkondukis la naturismon en Hispanion. Fekunda aŭtorino, ŝi verkis 41 romanojn, sep dramojn, du kuirlibrojn, pli ol 580 rakontojn kaj centojn da eseoj. Ŝi estis tre agema, kaj ne estis publika ago en ŝia vivo en kiu ŝi ne partoprenis iu aŭ alimaniere. Ŝi estis filino de riĉa nobela familio. La patro estis la grafo José Pardo Bazán. En la gepatra biblioteko ŝi havis aliron al multaj kaj diversaj legaĵoj. Ŝi translokiĝis al Madrido en 1869 post edziniĝi al Josefo Kiroga. Ankaŭ ŝiaj gepatroj translokiĝis al Madrido kiam Jozefo Pardo estis nomumita parlamentano, sed tiu seniluziiĝis pri politiko kaj la tuta familio foriris al Francio. Ili vojaĝis tra kelkaj eŭropaj landoj kaj Emilia lernis la anglan kaj la germanan. Ŝi mortis en majo de 1921.

## Virginia Wolf

Adeline Virginia Stephen naskiĝis en Londono en 1882. Ŝi estis angla modernista verkistino kaj feministino. La nomon Wolf ŝi uzis ekde sia edziniĝo al Leonard Wolf en la jaro 1912. Virginia ne ĉeestis lernejan instruadon, ŝi estis edukita en sia klereca hejma medio. Post la morto de sia patrino, en 1895, ŝi suferis unuan nervokolapson, duan fojon ŝi malsaniĝis en 1904, post la morto de sia patro. Ekde 1905 ŝi verkis artikolojn kaj recenzojn por diversaj ĵurnaloj; sian unuan romanon ŝi publikigis en 1915. Ŝi verkis ankaŭ eseojn kiuj temis pri la kondiĉo de la virinoj, per kiu ŝi substrekis la socian influon sur la ina identeco, Ŝi estis grava reprezentantino de la t. n. **Grupo Bloomsbury**, fama rondo de verkistoj, artistoj kaj sciencistoj kiuj montris ian rifuzon de la burĝklaso al kiu ili apartenis. Daŭre atakata de nervomalsanoj Virginia Wolf metis finon al sia vivo propravole en 1941.

## Paskalina Lehnert

Jozefina Lehnert, naskiĝis en 1894. Filino de leterportisto, estante 15-jara volis membri ĉe la franciskana ordeno. Tamen fine ŝi eniris en la **Kongregacion de la Fratinoj de la Sankta Kruco**, okazo kiam ŝi alprenis la nomo je Paskalina. En 1918 ŝi estis destinita al Munkeno por labori serve de la papa ambasadoro antaŭ la reĝo Ludoviko la 3-a de Bavario monsinjoro Eŭgeno Pacelli, estonta papo Pio la 12-a, restante serve de tiu dum pli ol 40 jaroj. Instalita en la pontifica apartamento kiel mastrumistrino, ŝi ĝuis plenkonfidon de la papo Pacelli, kaj rolis kiel sekretariino, konfidenculino, kaj organiz-responsulino de la papa medio; ironie oni nomis ŝin “La Papino”, Ŝi ne profitis sian privilegian pozicion, sed atingis respekton de la altranguloj de la Kurio. Respekton sed ne aprecon; kiam post la morto de la papo iĝis nula sia influo, ŝi estis abrupte forpelita el la Vatikano. Ŝi mortis en Vieno en la jaro 1983.

## Pasionaria



Dolores Ibarruri Gómez naskiĝis en 1895. Ŝi estis hispana politikulino kiu elstaris en la 2-a Respubliko kaj dum la civilmilito en tiu lando. Liderino de la Komunista Partio de Hispanio, al sia politika agado aldoniĝis sia batalado por ke la virinoj, kiu ajn estus ilia kondiĉo, rajtus libere elekti sian destinon.

Naskiĝinta en la sino de malriĉa familio de ministoj, en 1910 Dolores sin vidis devigita forlasi sian studadon kaj komencis labori kiel kuiristino kaj servistino. En 1916 ŝi edziniĝis al iu socialista ministo, Johano Ruiz, gedziĝo kiu daŭris 16 jarojn. Kun inklino al la legado, kaj profitante la kondiĉon de ŝia edzo kiel socialista lidero, ŝi komencis akiri konon de la marksisma teorio. Doloris alprenis la marksistan idearon kiel taŭga ilo por batali favore al la liberigo de la laboristklaso. Ŝi partoprenis kun sia edzo en la ĝenerala striko de 1917 kaj en la komunista disiĝo el la Socialista Partio en 1919 kaj en la fondiĝo, en 1920, de la Hispana Komunista Partio, en kies biskaja provinca komitato ŝi membris. En 1918 ŝi uzis unuafoje la pseŭdonomon ***Pasionaria*** por artikolo publikigita en la laborista presaro kaj titolita ***La biskaja ministo***. Ĝis la jaro 1931 ŝi rolis kiel komunista gvidantino kaj estis arestita kelkfoje. Krome ŝi akuŝis ses gefilojn. Dum la 2-a Respubliko si eĉ estis elektita kiel parlamentanino kaj famiĝis pro sia batalemo kontraŭ la kapitalismo. Kaj same dum la civilmilito, je kies fino ŝi ekziliĝis. Dum la 40-jara frankisma diktaturo ŝi loĝis en kelkaj landoj, ĉefe en Rusio, kie mortis sia filo dum la Mond-Milito. Kvankam ekzilita, ŝi simbolis la komunistan rezistoton en la lando. Reveninte en Hispanion en 1977, ŝi denove estis elektita parlamentanino, kaj estis Prezidantino de la Kom-Partio de Hispanio ĝis sia morto en la jaro 1989.

## Viktoria Kent



Viktoria Kent, naskiĝinta en 1898 en Malago, estis advokatino kaj respublikana politikistino. En 1906 ŝi komencis lernado en kiu feministaj profesoroj influis sur ŝi. En 1925, dum la diktaturo de Primo-de-Rivera ŝi estis unua virino en la Kolegio de Advokatoj de Madrido, kaj unua ino en la mondo rolanta kiel advokatino en militista tribunalo.

Ekde 1920 ŝia studado adresiĝas al la jurisprudenco. Licenciita en 1924 kaj poste kolegiita, ŝi plenumis siajn unuajn intervenojn antaŭ la tribunaloj kiel defend-advokatino. Ŝi tre famiĝis defendante, sukcese, iun respublikanan lideron antaŭ la Plejsupera Militista Tribunalo. Ŝia advokatejo dediĉiĝis ankaŭ al la Rajto pri Labor-aferoj. En 1931, dum la 2-a Respubliko ŝi estis elektita kiel socialista deputitino en la Par-lamento. Ankaŭ en la balotado de 1936 ŝi estis elektita parlamentanino de la t. n. Popola Fronto. La Provizora Registaro de la Respubliko nomumis ĝin kiel Generala Direktorino de Prizonoj: dum la tempo kiam ŝi ludis tiun rolon ŝi celis la rehabilitadon de la prizonuloj kaj enkondukis reformojn celante plibonigi prizon-sistemon.

En la Parlamento ŝi kontraŭstaris la virinan voĉdonrajton, kiun postulis Klara Kampoamor, asertante ke la hispanaj virinoj estis tre influataj de la Eklezio kaj tiele emaj voĉdoni reakcie. Okaze de la civilmilito, Viktoria Kent ekziliĝis samkiel multaj respublikanoj. Rifuĝinta en Parizo, ŝi dediĉiĝis zorgadi pri la geinfanoj de la soldatoj batalantaj en la fronto. Ankaŭ dum la Dua Mondmilito ŝi okupiĝis helpi la hispanajn rifuĝintoj, ĝis la okupado de Parizo far la germana armeo. De tiam ŝi devis vivi kaŝite. Dume la hispana reĝimo de Franko juĝis sin senĉeeste kaj kondamnis ŝin al 30-jara prizono. Ekde 1950 ŝi loĝis e n Novjorko kaj tie ŝi mortis en 1987, post kurta restado en Hispanio en 1977.

## Golda Meir

Golda Maboviĉ naskiĝis en juda familio Kievo, Ukrainio, en 1898. En 1906 ŝi translokiĝis kun ŝia familio al Usono, kie ŝi iĝis instruistino. En 1921 ŝi edziniĝis al Morris Meyerson, kaj de tiam ŝi alprenis lian familian nomon kiu poste estis hebreigita kiel Meir. Ambaŭ geedzoj enmigris al Palestino tiujare.

Post la naskiĝo de la ŝtato Israelo Golda estis ambasadorino en Moskvo (1949-1956) kaj poste ministrino pri eksterlandaj aferoj (1956-1966). En 1966 ŝi iĝis estrino de la Israela Laborpartio. Post la morto de Levi Eŝkol ŝi fariĝis ĉefministrino. En 1973 Israelo devis alfronti kroman milito, la t. n. ***Milito de Jom-Kippur***, pro natendita atako de Egiptio kaj Sirio. Post komenca avantaĝo por la atankintaj armeoj, Israelo reagis kaj sukcesis frakasigi la araban ofensivon kaj eĉ alvenigi sian armeon ĝis la proksimaĵoj de Kairo. Tamen la regiatro de Golda Meir devis alfronti la kritikojn, precipe kontraŭ la ministro pri Defendado, Moŝe Dajan', far la israela socio pro la eraroj de la komenciĝo de la milito, ŝi demisiis en 1974. Ŝi mortis la 8-an de decembro de la jaro 1978.



## Simone de Beauvoir



Simone Lucie Ernestine Marie Bertrand de Beauvoir naskiĝis en 1908 en Parizo, en la sino de burĝa familio kun tre severa kristana moralo. Ekde sia kvin-aĝo ŝi estis edukita en katolika lernejo. Ŝi estis verkistino, filozofistino, socisciencistino kaj feministino, defendantino de la homaj rajtoj, verkis plurajn romanojn, monografiojn pri filozofio, politiko kaj sociaj temoj, eseojn, biografiojn kaj membiografion en pluraj volumoj. Inter siaj verkoj elstaras la metafizikaj romanoj: ***La invitito*** (1943), ***La mandarenoj*** (1954) kaj la eseo ***La dua sekso*** (1949) per kiu ŝi detale analizas la subpremon de virinoj rilate al viroj, tiel ko nsistigante mejloŝtonon de la nuntempa feminismo. Ŝia penso enkadriĝas en la filozofia tendenco de la ekzistencialismo: tiurilate ŝi starigis demandojn por trovi sencon al la vivo ene de la absurdeco de mondo en kiu oni ne elektas naskiĝi. Asocia al tiu de Sartre, ŝia verkaro diferencas laŭmezure ke ŝi frontas la precizan karakteron de la problemoj, preferante rektan kaj seninterrompan meditadon pri la vivo. Ŝi mortis en 1986 en Parizo, kaj ŝia famo tre pliiĝis post ŝia morto. Ŝi estas nun konsiderata patrino de la feminista movado kiu disvastiĝis post la jaro 1968 en la okcidenta kulturo.



## Tereza de Kalkato

Agnes Gonxhe Bojaxhiu naskiĝis en 1910 en Skopio nuntempe Respubliko Makedonio. Ŝi estis katolika monaĥino de albana deveno kiu fondis la ordenon ***Misiistinoj de Karitato*** en Kalkato en 1950. Kontraŭstaranta al abortigo kaj prizorganta senhejmulojn, dum pli ol 45 jaroj, samtempe ke okupiĝis pri la ekspansio de sia ordeno, komence en Hindio kaj poste en aliaj landoj, pere de ĉirkaŭ 600 domoj en la mondo ŝi zorgis pri malriĉuloj, orfoj, mortantoj kaj malsanuloj pri lepro, tuberkulozo, aidoso… Agnes konsciis pri sia religia alvokiĝo kiam ŝi estis 18-jara. Tiam decidis iĝi monaĥino en iu irlanda konvento kaj ŝanĝis sian nomo al "Tereza". En 1929 ŝi translokiĝis al Hindio kaj dum la sekvintaj 20 jaroj ŝi dediĉiĝis al la instruado de hindaj geinfanoj en Kalkato kaj komencis zorgi pri la malsanuloj kaj malriĉuloj de tiu urbo, ĉefe pri la senhejmuloj. Ege impresiis ŝin la ĝenerala malsatego de 1943 en Bengalo kiu okazigis grandan mizeron kaj morton en la urbo, kaj la ondo de perforto hinda-muzulmana kiu en 1946 dronigis la loĝantaron en malesperon kaj teroron. Estis ĝute en 1946 kiam ŝi sentis la alvokiĝon okupiĝi pri la viktimoj de tiuj katastrofoj kaj fondis sian ordenon de la ***Misiistinoj de Karitato***. Ŝia strebado vekis famon al sia ordeno kaj ioman solidarecon en la mondo. Antaŭ kaj post sia morto en 1997, ŝi estis honorigita per diversaj distingoj.

## Indira Gandhi



Indira Priyadarshini naskiĝis en 1917 en Hindio. Ŝi estis filino de Jawaharlal Neruh, landa heroo de Hindio kaj unua Ĉefministro post la sendependiĝo de tiu granda lando. La nomon "Gandhi" ŝi prenis el sia edzo Feroze Gandhi, sen ia ajn parenceco kun la fama Mahatma Gandhi. Heredintino el la plej potenca politika dinastio de Hindio, Indira komencis sian politikan altrangiĝon kiel la plej rekta alianculino de sia patro, post kies morto ŝi atingis iĝi la plej potenca politika liderino en Hindio dum jardekoj, dank' ne nur al sia parenceco kun Neruh sed ankaŭ sia populareco inter la amasoj. Ekde 1964 ĝis sia morto en 1984 ŝi rolis kiel ministrino pri diversaj registaraj fakoj kaj estis ĉefministrinoj en du periodoj (1966-1977) kaj (1980-1984). En 1971 ŝi devis alfronti la militon kun Pakistano kiu kulminis per la sendependiĝo de Bangladeŝo. En la kunteksto de la Malvarma Milito ŝi ruze manovris por sin teni for de la usona influo kaj relative konkorde kun Sovetunio. Dume ŝia politiko en la landa socio estis sufiĉe progresema ene de la ebleco tion fari en Hindio. Sed la interreligiaj kaj interetnaj kontraŭdiroj estis tre grandaj kaj ŝi devis alfronti la konflikton kun la minoritato siĥ. En 1982 okazis en la Panĝabia regiono separatisma intenco de la anoj de tiu siĥisma religio. La registaro de Indira perforte sufokis la ribelon, sed du jarojn poŝte ŝi mortis viktima el atenco far membroj de tiu movado.



## Eva Perono

María Eva Duarte naskiĝis en 1919 en la sino de tre malriĉa argentina familio. Ŝi estis 15-jara kiam migris al Bonaero por pergajni sian vivon kiel aktorino. En 1944 ŝi interkonatiĝis kun Johano Domingo Peron' kiu tiam estis Ŝtat-sekretario. Jam edziĝinta al li, en 1946 ŝi aktive partoprenis en la balotkampanjo favore al la kandidataro de Perono estante la unua argentina ino agadi tiele. Pro ŝia malaltklasa deveno, ŝi politike zorgis pri la "senĉemizuloj", t. e. la malriĉa loĝantaro. Ŝi estis ruza kaj ambicia, kaj multe influis sur sia edzo. En 1947 ŝi sukcesis laĝigi la virinan balot-rajton en Argentino; tiujare ŝi vojaĝis al kelkaj eŭropaj landoj, inter ili Hispanio kie pro la enlanda milito la reĝimo de Franko estis submetita al internacia komerca blokado ekde la finiĝo de la Dua Mond-Milito. Eva aranĝis la aferon por ke Hispanio ricevu tritikon kaj aliajn nutraĵojn el Argentino. En 1951 ŝi intencis formaligi sian politikan povon kandidatante por vicprezidenteco, sed armeestroj sin oponis al tio. Ŝi mortis pro kancero en 1952; En sia lando estis granda funebrado pri ŝi. Ŝia vivo inspiris faman muzikteatraĵon kaj filmon. En Argentino ŝi dumlonge estis mita figuro de la peronista movado.

## Margaret Thatcher



Margaret Hilda Roberts naskiĝis en 1925 en la angla urbo Grantham. Filino de butikisto, ŝi unue laboris kiel kemiistino kaj poste kiel advokatino. Membro de la Konservativa Partio, ŝi eniris en la britan Parlamenton en 1959: De 1970 al 1974 ŝi rolis kiel Ministrino pri Edukado. Ŝi estas la sola ino gvidinta la Partion, de 1975 ĝis 1990, kaj la sola ino Ĉefministro de Britio, de 1979 al 1990. Ŝi konatiĝis kiel "la Fera Damo". La nomon Thatcher ŝi alprenis okaze de sia edziniĝo al Denis Thatcher.

Ŝia regado distingiĝis pro la radikalaj reformoj kiujn ŝi faris en la ekonomia tereno en la linio de la t. n. "novliberalismo", t. e. politiko karakterigata pro privatigo de publikaj entreprenoj kaj servoj, malpliigo de imposta premo, rego de inflacio kaj publika malprofito, malfortigo de sindikatoj kaj aliaj dispozicioj kun sociale negativaj konsekvencoj. La tuto de ŝiaj politikoj, ĉefe ŝia liberala ekonomia politiko, restas konata sub la nomo "taĉerismo". La eksterlanda politiko de ŝia regado estis markita per la kontraŭado al Sovetunio, favorado al Nato, en akordo kun la tiama politiko de Usono subgvide de Ronaldo Reagan. En 1982 Britio, sub ŝia regado, militis kontraŭ Argentino en la t. n. ***Falklanda milito*** kaj ankaŭ devis alfronti la longdaŭran malstabilecon en Norda Irlando. Ĉesinta kiel Ĉefministrino en 1990 kaj retiriĝinta el la politiko en 1992, Margaret mortis en 2013.







## Karmen Martin Gaite

Carmen Martín Gaite (1925-2000), estis hispana verkistino, unu el la ĉefaj figuroj de la hispana beletro en la 20-a jarcento. Inter aliaj distingoj, ŝi ricevis la Premion Princo de Asturio pri Beletro de la jaro 1988. Ŝi naskiĝis kaj vivis dum sia infanaĝo en Salamanko. Dum tiuj jaroj ŝi ĉeestis neniun lernejon ĉar sia patro, Jozefo Martín, liberalulo, ne volis ke ŝi estu edukita en religia institucio, tial ŝi ricevis klasojn el partikularaj instruistoj kaj el sia patro mem, kiu tre interesiĝis pri la historio kaj literaturo, kaj inicis ŝin en tiujn temojn. Ŝia duagrada studado okazis en Salamanko dum la hispana civilmilito, kaj havis du profesoroj kiuj poste iĝis membroj de la Reĝa Akademio de la Lingvo kaj kiuj favore influis sur ŝia alvokiĝo al la literaturo. Post 1948 ŝi studis en Cannes. En 1953 ŝi edziniĝis al la verkisto Rafael Sánchez Ferlosio kaj de tia m ŝi ricevis kelkajn premiojn pro verkoj kiel ***La malantaŭa ĉambro***, ***La kastelo de la tri muregoj***, ***La pasteĉo de la diablo***…aŭ la teatraĵo: ***La eta fratino***. Ŝi kultivis alitipajn beletraĵojn: eseoj, artikoloj, poezio, prelegoj…

## Ana Frank

Annelies Marie Frank (1929-1945), estis germana infanino jud-devena, tutumonde konata pro la verko “Taglibro de Ana Frank”, la eldonaĵo de sia intima taglibro, per kiu ŝi priskribis la restadon de preskaŭ du jaroj kaj duono kiujn ŝi pasigis kaŝite, kune kun sia familio kaj aliaj kvar personoj, en Amsterdamo, pro la persekuto al la judoj far la naziistoj dum la Dua MondMilito. Ŝia familio estis kaptita kaj forportita al la germanaj koncentrejoj. La sola supervivanto el la ok kaŝitoj estis Otto Frank, la patro de Ana. Ŝi estis sendita al la nazia koncentrejo de Aŭŝvico la 2-a de septembro de 1944 kaj, poste, al la koncentrejo de Bergen-Belsen, kie ŝi mortis pro tifo en marto de 1945, malmultajn tagojn antaŭ la alveno de la liberigaj trupoj. En 1947, apenaŭ du jarojn post la fino de la milito, Otto publikigis la taglibron sub la titolo ***La malantaŭa domo***. La libro estids tradukita al 50 lingvojn, inter ili Esperanto, kaj oni faris teatraĵon kaj kelkajn filmojn pri la historio kiun ĝi prirakontas.

## Pilar Miro

Pilar Mercedes Miró Romero naskiĝis en 1940 en Madrido. Ŝi estis famkonata direktorino de kino, teatro kaj televido. Ŝi studis ĵurnalismon kaj Juron, kaj ankaŭ en la Oficiala Lernejo de Kino de Hispanio kie poste ŝi estis instruistino. En Hispana Televido ŝi laboris ekde 1960 kiel helpantino de redakcio kaj kiel reĝisorino. De la televido ŝi paŝis al la kino reĝisorante kelkajn filmojn. En 1981 ŝi denuncis esti suferinta seksan persekuton en Hispana Televido. En 1982 ŝi devis esti operaciita dufoje por emplantado de valvoj enkore. Ekde 1982 al 1985, dum la regado de la Socialista Partio. Ŝi havis oficialan postenon kiel Ĝenerala Direktorino pri Kino; de tiu respondeco ŝi impulsis strukturan ŝanĝon en la hispana kina kreado por la altigo de ties kvalito. En 1985 revenas al la kino kaj reĝisoras la filmon ***Werter***. En 1986 ŝi okupas postenon je direktorino de Hispana Televido, ĝis 1989. En 1995 kaj 1997 reĝisoris la televidadon de la edziniĝoj de la filinoj de la reĝo. Ŝi mortis malmultajn tagojn post tiu lasta laboraĵo.

# Prinkonsideroj

Jen ni faris rapidan kaj resuman trarigardon de la Historio, vidata de la perspektivo de ties inaj protagonistoj. Jes, nia listo ne estas kompleta. Kun sama rajto devintus aperi ankaŭ virinoj kiaj la reĝino de Kastilio, Maria de Molina, la papino Johano la 8-a, la kastilia reĝino Johanino la frenezulino, praavino de ĉiuj nunaj monarkoj de Eŭropo, Katarino de Aragono, fratino de la antaŭa kaj edzino de la angla reĝo Henriko la 8-a, Pokahontas, Izabela Farnesio, Concepción Arenal… kaj multaj aliaj. Vole ni lasis for la inojn ankoraŭ vivantajn, kiel Rigoberta Menchú, virino imitinda kaj honorinda. En nia listo estas multaj indaj kaj imitindaj virinoj, sed estas ankaŭ ulinoj kiaj Agripina kaj Margaret Thatcher; ni jam diris ke nia atento adresiĝas al ĉiutipaj virinoj elstarintaj pro iu ajn kialo.

Kaj kiu estas la kialo, ke ni intermiksu en saman liston, mistikulinojn kaj sciencistinojn, sanktulinojn kaj murdistinojn, virtulinojn kaj putinojn, reĝinojn kaj plebaninojn, tiraninojn kaj ties viktimojn…? Nu, per nia ineca nomaro ni celas dementi du ekstremajn kaj kontraŭajn pritakson de la seksaj ecoj. Nome tiun de la masklismo kiu subtaksas la valoron kaj kapablon de la virinoj, kaj tiun de ia feminismo kiu asignas ĉiujn virtojn kaj superecon al la ina sekso. Ja, ĉiuj tipoj je patriarkeca socio baziĝas sur la supozo ke la virinoj estas malsuperaj estaĵoj kiuj bezonas viran protekton kaj ke la viroj posedas kapablon, saĝecon kaj dignon kiuj mankas al la inoj. Ni provizis sufiĉe da ekzemploj de virinoj kiuj pruvis sian kapablon roli same kapable, saĝe kaj inde kiel la plej taŭgaj viroj por la samaj taskoj. La inversa teorio estas same rifuzinda. Inter la diversaj tendencoj ene de la feminista movado estas iu kies ĉefa teorio estas la aserto ke la virinoj posedas kvalitojn je bonkoreco, malavareco, delikateco… kiuj tute mankas en la vira sekso. Por dementi tian miton nia listo enhavas ankaŭ sufiĉgrandan kvanton da kruelaj kaj ambiciaj virinoj kiuj rolis same ol multaj viroj en similaj cirkonstancoj. Kaj en nia listo mankas alia nomo kiu devintus aperi tie, tiu de la bizanca imperiestrino, Irena de Ateno (752-803) kiu uzurpis la tronon de sia propra filo, kaj igis blindigi kaj enprizonigi lin por ke li ne povu reĝadi. Kontraŭ ambaŭ mitoj, frukto de nescio kaj nekono de la historio ni prezentas iome da historio.



# UNU MORDO EN LA POMON

Pilar Yuste Cabello estas psikologiino kaj teologiino. Ŝi estas unu elstara voĉo de la grupo "Virinoj kaj Teologio" de Madrido. Ĉi tiu artikolo UNU MORDO EN LA POMON estis difinita kiel iu alproksimiĝo al la spiriteco de la korpo. Temas pri teologia teorio celanta kontraŭfronti la tradician teologion pri la sekseco. Dumlonge en la kristana kulturo la sekso kaj ĉio rilate al ĝi estis demoniigita, kaj la ĉefaj viktimoj de tiu sistemo estis la virinoj. La liberigo en tiu tereno pasas tra rompado de mensaj skemoj kiuj funkciadas de antaŭ multaj jarcentoj en la cerbo de viroj kaj virinoj.

## Unu mordo en la pomon. Iu alprosimiĝo al la spiriteco de la korpo.

Spiriteco de la korpo. Ŝajnas kontraŭdiro. Ne estas tia. Ŝajnas tia pro la pezo de jarcentoj de iu teologio kaj iu pieco bazitaj sur la neado kaj eĉ la puno de la korpo. Tiu konceptoj fine restas pli signifaj ol la liberiga pripensado pri la korpo, kaj tial ĉi tiu pripensado rezultas speciale necesa, kvankam bedaŭrindas dediĉi tempon paroli pri io evidenta.

Ni estas korpo, kaj nur startante de tiu realaĵo ni povas artikigi nian religian sperton, nian liberigon, nian feliĉon; nur de tie nian identecon, la vivon. Per ĉi tiu artikolo mi pretendas esprimi la transcendecon, ĝustedire, de temo kiu, feliĉe, komencas esti bone albordata ĉefe ekde la feminista teologio. Estaj multaj la demandoj kiujn tiu ĉi temo provokas, multaj vojoj kiuj malfermiĝas kiel analizado kaj kiel spirita itinero.

Ĉiu realaĵo povas esti interpretata de korpa startpunkto, sed tiu nova rigardo ne estas neŭtra:

- La paradoksa perspektivo de socio kiu komencas repaciĝi kun la korpeco, sed unuflanke eĉ kultas la korpon, kaj aliflanke objektigas kaj enkomercigas ĝin. Personoj kiuj ĉiujare submetiĝas al kelkaj kirurgiaj intervenoj por sin transformi per bisturio kaj silikono, seksa turismo, infaninoj kiuj preferas morti ol dikiĝi, ktp.
- La sama teologio kiu dum jarcentoj suspektadis pri ĉiu korpa sensacio kaj realaĵo kaj ĉefe la seksa (kaj tiele ĝi persistas, farante veran krucmiliton kontraŭ io teologie akcesora kiel la kondomo), estas tiu kiu fundamentis iun multjarcentan kompromison de Eklezio kiu kun amo akceptis, purigis, sanigis, nutris kaj liberigis tiom da personoj en ĉi ties necesoj, kiel mencias Benedikto la 16a en la dua parto de la enciklik o ***Deus caritas est.***

1-**NEI**:

Nia tradicio neis kaj pekigis ĉion rilate al la korpo laŭ maniero kiu nuntempe rezultas ridinda, sed kiu dum jarcentoj (kaj eĉ en la fundo de tio kio ni estas) daŭre pezas kiel plumba balastro, kiu krom peza estas ankaŭ toksa.

Sendube ankaŭ socie ni faras teruran neadon de la korpo. Nia hedonismo, materiismo kaj konsumismo pagas la prezon ne nur de la nuntempa ekologia katastrofo, sed de milionoj da mortintoj kaj teruran doloron. Ni konstatas la sekvojn de tio ĉi analizante la profitdonajn kanonojn pri beleco, uzataj kiel reklamaj logiloj de ĉiu ajn producto, kiel industria pri maldikiĝo, estetiko aŭ kirurgio, origino de prinutraĵaj patologioj kaj iu senĉesa fonto de malfeliĉo.

Estas necese ellabori ian bonan teologion por kapabli fundamenti ian necesan profetan denuncon. Nur sciante nin viva bildo de Dio ***(Genezo 1;27)***, la memestimo, la sakrala respekto al ĉiu ajn persono kaj la feliĉo povus esti pli facilaj. Anstataŭ tio ni daŭre insistas pri inventita fablo de iu supozita sukoplena ruĝa pomo per kiu iu lasciva Eva sekse allogis la naivan Adamon. Kaj tie ni restas, kun la fifama pomo libervole hantante en la katolika kolektiva imagaro, triunfante super ĉiu ajn ekzegezo; C. G. Jung 1, Javeista.

Kaj ni evitas la fakton ke la peko pri malobeo manĝante la malpermesitan frukteron (nek pomon nek seksan) estas la sekvo de la plenaĝo, nia eliro el la Edena vartejo, la komenco de nova etapo dum kiu eblas al ni repaciĝi kun tiu Dio kiu amas nin. La Paradizo pli ol iu origino estas iu konstruebla destino.

Ni daŭre parolu honestece. Estas la socio tio kio donacis al ni ankaŭ ĉi-rilate iun veran signon de la tempoj. La normaligo, la digno de tio rilate al la korpo, la graveco de la plezuro, la kulturo de la respekto al la homaj rajtoj (en ĝia ir- kaj reven-vojo, pri kiu ni devas ne forgesi ke ili naskiĝas en kaj pro la jud-

kristana substrato de la homa digno). Socie la plenaĝo sin trudis al la jarcentoj de kondamno de la korpo kiuj daŭre pezas en la katolika kunteksto. Kaj estas tiu freŝa areo tio kion ni estas enkondukante en la postkoncilia teologio.

Sed tio ne rezultas facile. Pezas iu tradicio de korpaj punoj kiel formo de pento-pago kaj spirita kreskado. Ankoraŭ pezas la konceptado ke la gravaj pekoj estas tiuj pri la sekseco spite al la evangelia silento pri tiuj aferoj kaj la radikaleco de la socia kristana moralo. Pezas la neado de la propra korpo kiel speco de savo kaj oni identigas iun spiritan kun kiu ne metas la piedojn surtere (***fuga mundi*** kiel unika asketeco). Pezas la konceptado de la seksa agado kiel io negativa se ni metas la ĉastecon kaj la eklezian tradicion pri la fraŭleco kiel la sublimaj formoj de konsekrado al Dio, kaj oni konsideras la korinklinan rezignon, tiun memoferon, io sakrala, eĉ kun sakramenta karaktero. Pezas iu mariologio kiu ekzaltas Marian kiel virgulino kaj biologia patrino, kaj proponas tiun solan vojon al ĉiu virino. Pezas iu morala teologio kiu pekigas ĉiun seksrilaton for de la kanona heteroseksa kaj ne-disigebla geedzeco kaj rifuzas la metodojn de planado kaj profilaktiko. Estus konvene analizi la necesajn nuancojn de ĉiu el la menciitaj aferoj, sed ilia influo estas nediskutebla.

Unu el la kialoj de tiu situacio estis la dualismo Korpo/Animo. La neado de la korpo estis la maniero kultivi tion spiritan. Krom tio, kutime oni metas en hierarkion ambaŭ konceptojn asignante genron al ili, la korpo koncernus al la virinoj kaj la animo al la viroj. Same okazas kun alia dualismo, paralela al ĉi tiu kaj kiu tiom brile disvolvis C. AMORÓS, Naturo/Kulturo, la naturo estus ina kaj oni subordigas ĝin, ne sciante ĉu la naturo kaj la korpo estas subtaksataj identigante ilin kun la virinoj, aŭ oni inigas ilin ĉar oni taksas ilin malsuperaj.

Sed, ĉu ĉi tiu perspektivo estas kristana?

Sen ekzalti la judan teologion, ĉi tiu sendube estas pli unitaria kaj integra ol la platona. Ekde ĝi 60 elcento el la versikloj de la Evangelio rilatas al la korpo. Jesuo piediras, manĝas (oni kritikas lin esti glutemulo kaj drinkemulo), sanigas korpojn kaj tion faras per sia propra korpo, per siaj manoj, per sia salivo. Ne strange ke la spiritisma ekzaltado de docetoj aŭ gnostikoj estis konsiderita hereza, kaj oni difinas Jesuo-Kriston kiel tute Dio kaj tute Homo (Koncilio de Kalcedonio).

La du centraj misteroj de la kristanismo, Enkarniĝado ***(la Vorto fariĝis karno – Johano 1,14)*** kaj Resurekto (korpe kaj anime) preteriras la rilaton kun la korpo. Se nia centra sakramento, la Eŭkaristio, estas signo de komuneco kunmanĝante Korpon kaj Sangon de Jesuo, kiu estas, do, la origino de la dualista teologio?

Krom la influo de la filozofiaj kaj teologiaj tendencoj kiujn oni ekvidas eĉ en la Nova Testamento kaj kiujn tiel brile studis U. RANKE-HEINEMANN, estis Sankta Aŭgusteno tiu kiu enkondukis en la kristanan teologion la novplatonismon de Plotino. La korpo kiel prizono de la animo, la virina korpo kiel objekto de pekado. Denove la kulpo de la delogo far Eva antaŭ kiu, kaj ekde Sankta Ireneo, naskiĝis iu nova binomo Eva/Maria. Du patrinoj kontraŭmetitaj per ilia supozita peko/seksa pureco.

## 2.-**JESI**

Johano la 23-a agnoskis per la ***Pacem in terris*** la laboristan kaj la virinan movadojn kiel signoj de la tempoj. Unu el la ĉefaj kontribuoj de la feminismo sendube estas la dignigo de la virina korpo kaj ties enteco de morala kaj politika subjekto. Libroj kiel **«Niaj korpoj, niaj vivoj»** esprimas la revolucian epistemologian kaj sociologian kontribuon kiun ĝi signifis ekde fine de la sesdekaj jaroj.

La feminista teologio reprenis ĉi tiujn kontribuaĵojn en la preparita tereno de la kristana antropologio; la virina korpo spaco de savado (M. T. PORCILE) estas ankaŭ subjekto kaj objekto de liberigado. Resurektinta korpo, privilegia loko de graco. Kaj en la Dia Popolo okazas iu vera ***sensus fidelium***. Preter balastro kaj tradicioj kiuj daŭre pezadas, ia nehaltigebla plenaĝo igas ke la moralaj decidoj pli kaj pli estas kontrastataj rilare al la korpeco, la afekcio kaj la sekseco. Iu ekzemplo kiun mi kutime metas estas tiu de ia Hispanio plimulte katolika kiu dum multaj jaroj estis la lando kun plej malalta naskiĝo-kvanto en la mondo, io kio devus ne okazi pro la efiko de la metodoj de Billins aŭ Ogino, sed far virinoj kiuj post aŭskulti la kondamnojn al la metodoj de familia planado prenis la decidojn kiujn ili konsideris morale adekvataj en ilia vivo. Iu plenaĝo foje realigata kun ne malmultaj personaj konfliktoj.

Vere estas ke la teologia progresado estis pli lanta ol ni dezirus sed pli rapida ol tio kion ni pensas. Eĉ la Eklezia Magistraro komencas paroli pri la eroso laŭ maniero tute ne pensebla antaŭ kelkaj jaroj, ***Verdire, "eros" kaj "agapé" –ascenda amo kaj descenda amo– neniam disiĝos tute. Ju pli ambaŭ unuiĝas, eĉ se divers-grade, la justa unueco en la sola realo de la amo, des pli bone realiĝas la vera esenco de la amo ĝenerale.***

